XXIV-a jaro. N° 337-338 [9-10] • Monata • Septembro-Oktobro 1928

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redakcio : D-ro Edmond PRIVAT, kaj Hans JAKOB, Direktoro de UEA.

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

**REDAKCIO :** *La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn.*

*Lasta dato por ricevo : l-a de ĉiu monato por la sekvanta monato.*

*Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

*La abonoj komenciĝas en Januaro.*

ABONO & REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** . . . . . . . . . . | **10.— Fr. Sv.** |
| **Kun la membreco de UEA** . . . . . . | **12.50 Fr. Sv.** |
| **Unu numero** . . . . . . . . . . | **1.— Fr. Sv.** |
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) . . . | **2.50 Fr. Sv.** |
| **Anonceto** (1 linio : 10 vortoj). . . . | **0.75 Fr. Sv.** |
| **Korespondado** (1 enskribo) . . . . | **1.— Fr. Sv.** |


ENHAVO



## Post nia XX-a Kongreso

Mil kvincent partoprenantoj ĝuis la tre riĉan programon de la XX-a Universala Kongreso de Esperanto en Antverpeno. En ilia nomo ni tutkore dankas la sindonajn organizintojn kaj aparte gesinjorojn Schoofs pro ilia granda penado.

Unu dekono de la krongresanoj rememoris la Sepan okazintan en la sama urbo en 1911. Ili ĝojis revidi kelkajn jam konatajn vizaĝojn kaj saluti la multajn novajn samideanojn de la postmilita esperantista generacio. En la kvalito kaj flueco de la elparolo nia lingvo multe progresis inter la Unua kaj la Dudeka Kongreso. La unueco mirinde kreskis.

En granda nombro ĉeestis la Britoj, alvenintaj per speciala ŝipo en tiun faman havenon, kie japanaj maristoj malŝarĝas fabrikaĵojn el Jokohama preskaŭ sub la antikva turo de la bela katedralo enhavanta du el ĉefverkoj de Rubens.

La somera universitato tute taŭge temis pri maro kaj navigacio. La prezentado de Hamlet — senpaga por ĉiuj kongresanoj — elmontris bonegan elparolon, facilan komprenon kaj tiun genie klaran stilon de nia Majstro, kiu tradukas la plej profundajn sentojn per simplaj kaj trafaj esprimoj.

La kongresaj Kunsidoj estis pli interesaj ol kutime. Unu temis pri Esperanto en Radio post enhavplena raporto de D-ro Döhler, alia pri Esperanto ĉe Universitatoj. Vidpunkton de Studentoj prezentis S-ro Zylberstein, el Toulouse, kaj de profesoroj D-ro Bujwid, eks-dekano de la Medicina Fakultato en Krakovo.

Solenaj estis la malfermo, la fermo, la procesio al urbdomo kaj ankaŭ la granda jubilea kunsido de UEA, kie oni honoris la malnovajn delegitojn deĵorantajn jam de dudek jaroj kaj oni danke rememoris al Hector Hodler kaj Theophile Rousseau, fondintaj la Asocion en 1908.

En tiu kunveno estis laŭtlegata kaj atente aŭskultata la tuta protokolo de la kunsidoj de la Enketa Komisiono, kiu detale ekzamenis en Genève la gvidadon kaj administradon de UEA kaj la faritajn kritikojn. Pri tiu-ĉi afero jam okazis la unuan tagon de la kongreso plena diskuto en publika kunveno de la Komitato de UEA kun la membroj de ICK kaj la reprezentantoj de la naciaj societoj La enketo montris la malpravecon de la kulpigoj pri malŝparemo aŭ kontraŭstatuteco kaj severe riproĉis la disvastigintojn de eraraj ciferoj kaj malveraĵoj, kiuj estus povintaj kaj devintaj informiĝi antaŭe. La kunveno esprimis sian plenan fidon al la estraro de UEA kaj bondeziron al la kresko de la Asocio por la bono de nia afero. Ni sincere ĝojas pri tiu-ĉi decido, kiu redonas al nia sindona direktoro S-ro Hans Jakob kaj al la tuta centra oficejo la necesan kuraĝon por daŭrigi sian malfacilan laboradon. Helpu ilin per varbado de novaj membroj, dumvivaj, subtenantoj, abonantoj aŭ simplaj. La jarlibro de UEA estu en ĉies manoj post ĉiu kurso !

*Edmond Privat.*

EL NATURO KAJ SCIENCOJ

# La Hinda Multlingveco

Originalo de *Ahmed-ben-Ali* en Saharanpur.

La multlingveco de Brita Hindujo estas ankoraŭ pli granda al tiu de multlingva Eŭropo. Dume en Eŭropo sur kompare malgranda teritorio oni kalkulas 54 lingvojn, la teritorio de Brita Hindujo atingas la nombron de 147 malsamaj indiomoj laŭ oficiala konstato mem de l'brita registaro. Granda nombro de tiuj lingvoj ankoraŭ dispartiĝas en plurajn lingverojn. Nekonsiderante la lingvojn ne-devenajn de la lando (la araban, la somalian, la malajan kaj javan, uzatajn tie-ĉi) kaj la ankoraŭ ne klasifikitajn ciganlingvojn kaj la andomanan, la hindaj lingvoj apartenas al 3 lingvofamilioj : la indo-eŭropa (orienta branĉo), la mundadravida kaj la indo-ĥina.

Al la indo-ĥina familio apartenas 92 lingvoj, parolataj de mongolidaj popoltriboj en la teritorioj de l'Himalajo, Anamo kaj Brita Birmo (proksimume 15 milionoj). Ili estas parte izolantaj (monosilabaj) parte aglutinaj lingvoj ofte kun granda vortriĉeco por konkretaj aferoj kaj agadoj, sed nefleksebIaj por abstraktaj ideoj. Ne multaj el ili evoluiĝis, kreis al si propran skribon (alfabeton) aŭ literaturon. En kelkajn oni tradukis partojn de la Biblio. Karakterizaĵo de tiuj lingvoj estas iliaj sonoj.

Oni povas konstati la malaperon de silaboj aŭ sonoj en antaŭa evolua fazo. La familio dispartiĝas en 3 grupojn. Tiuj certe respondas al 3 enmigradoj kiuj venis de nordoriento al la montaro kaj al la marbordo kaj tien repuŝis siajn antaŭulojn.

La unua grupo estas la mon-ĥmer-lingvoj, parolataj en la montoj de Ĥasio kaj Jaintio kaj ĉirkaŭ la golfo de Martabano. Aliaj lingvoj el ĉi-tiu grupo troviĝas en Tenaserimo, Kamboĝo kaj Anamo.

La dua grupo estas la tibeto-birmana kun la plimultaj lingvoj el ĉi-tiu familio. La tibeta branĉo en la teritorioj de l'Himalajo de Osamo ĝis Kaŝmiro enhavas 30 lingvojn. La plej grava estas la tibetana (bhutia). En la brita-hinda teritorio ĝin parolas kvaronmiliono da homoj. La lingvoj sude de l'Bramaputro formas la asaman-birman branĉon, kies 49 lingvoj disbranĉiĝas ankoraŭ multflanke. La plej grava lingvo de tiu-ĉi branĉo kaj de l'tuta familio estas la birmana, kiu estas parolata de proksimume 8 milionoj. Ĝi posedas konsiderindan literaturon, plej multe kun religia (budhista) enhavo. El ĉiuj hindaj lingvoj ĝi estas tiu lingvo, kies uzantoj scipovantaj skribi kaj legi atingas la rimarkindan ciferon de 48 %.

Al la tria grupo, la siama-ĥina apartenas kvar lingvoj, inter kiuj la karena kaj la ŝana. Ambaŭ lingvojn parolas proksimume miliono da homoj. La karenoj loĝas en Sud-Birmo, la ŝanoj en Mez-kaj Nord-Birmo. Tiuj lastaj, posedas proprajn skribsignojn por siaj diversaj dialektoj. Granda nombro de lingvoj el tiu familio estas ankoraŭ ne sufiĉe esploritaj. La birmana estas la helpa lingvo en la orienta parto de tiu lando.

La munda-dravida familio ampleksas 24 lingvojn, parolatajn proksimume de 65 milionoj da homoj. 10 lingvoj (3,500,000) parolantoj apartenas al la munda grupo ; la aliaj estas dravidaj idiomoj. La mundo-gentoj loĝas ĉefe en Biharo kaj Ĉota Nagpuro kaj en la centra provincaro. Plej multenombraj estas la santaloj (9,750,000) kaj la mundoj (1,000,000). La mundaj lingvoj, samkiel la dravidaj estas aglutinaj ; pro ilia riĉeco je sufiksoj kaj infiksoj kaj la el tio rezultanta esprimpovo ili tamen reprezentas alian lingvoformon. Ekzistas sufiĉa simileco inter ambaŭ lingvogrupoj ; sed ĝi estas tro malgranda, por ke oni parolu pri parenceco de ambaŭ. Tamen, ne ekzistas dubo pri la ras-identeco de l'mundo-gentoj kaj la dravidaj popoloj. Ankaŭ la mon-ĥmer-lingvoj, kiujn mi jam citis, similas al la mund-lingvoj. Oni povas supozi, ke la mon-ĥmer-triboj dum sia antaŭmarŝo renkontis la antaŭulojn de l'mundoj kaj estis influataj de ili. Ĉiuokaze la mundoj estas resto de l'plej malnova loĝantaro de Hindujo, kiu en antikva tempo estis tre disvastigita. Iom post iom la ariaj gentoj ĝin ensorbis kaj tion faras ankoraŭ nun. La bilodoj en la guĝarata lingvo-teritorio alprenis dialektojn de ĉi-tiu lingvo kaj inter la mundoj de Ĉota Nagpuro oni povas rimarki kiel la mundaj lingvoj estas forpuŝataj de la hindia dialekto. En santalan kaj mundan lingvon oni tradukis partojn de la Biblio kaj kelkajn aliajn librojn por eklezia kaj lerneja uzado.

La hejmlando de l'dravidaj lingvoj estas en la suda duon-insulo, Deĥano. Sude de linio, proksimum de l'Ĉilkalago en la oriento al la suda pinto de Beraro kaj de tie al la sudlimo de portugala Goao, la dravidaj lingvoj estas unu kuna teritorio, en kiu ili regas senkondiĉe. Ankaŭ norde de tiu linio loĝas dravidaj gentoj, kiel la gondoj en la centra provincaro, la oraonoj en Ĉota Nagpuro, la maltooj en Biharo, la brahuoj en Beluĉistano, k. a. Sed tie en la aria lingvoteritorio iliaj dravidaj lingvoj estas same forpuŝataj kiel montrite jam pri la mund-lingvoj. La dravidaj lingvoj okupas sufiĉe izolitan pozicion ; antaŭe oni kredis pri parenceco kun la finugra lingvogrupo. Lastatempe oni konstatis similecon de l'munda kaj dravida grupoj kun aŭstraliaj lingvoj. Inter la 14 dravidaj lingvoj ludas ĉefan rolon la 4 sekvantaj : tamila, malajama, kanara kaj la telugua.

La tamila estas la plej konata el la dravidaj lingvoj kaj

parolata de 18,000,000 en la sudo de l'Deĥano ĝis norde de Madraso kaj en norda Cejlono. Ĝi estas tre malnova altkulturita lingvo tre evoluiĝinta. Ĝi posedas tre ampleksan malnovan kaj pli novan literaturon. La literatura lingvo kelkfoje malsamas al la komuna lingvo.

La malajam estas lingvofrato de l'tamila, kiun parolas proks. 6,000,000 da homoj ĉe la subokcidenta marborda parto. Sekve de tre granda influo de bramanoj multaj sanskritvortoj eniris en la lingvon ; ĝi posedas atentindan religian literaturon.

La kanara estas la lingvo de Maizuro, la suda parto de l'Bombay-distrikto kaj de la allimaj partoj de Haiderabado kaj de l'Madras-distrikto. Tie 12 milionoj parolas la lingvon. Vortoj de l'sanskrita, urdua kaj maraba lingvoj enpenetris ĝin. Ekzistas antikva literaturo. La nova estas sensignifa.

La telugua, estas la plej disvastigita de l' dravidaj lingvoj tiel rilate la lingvoteritorion, kiel la nombron de parolantoj (22,000,000). Ĝi estas parolata en la norda parto de l'Madras-teritorio kaj en la plej granda parto de l'Haiderabado. La telegua diferencas pli multe de la aliaj 3 lingvoj. Koncerne vortriĉecon kaj esprimpovon ĝi ne postrestas al la tamila. Laŭ belsoneco ĝi eĉ superas ĝin. Ĉiu vorto finas per vokalo : Ĝi transprenis multajn vortojn el la sanskrito. Ekzistas konsiderinda literaturo en telugua lingvo. Ĉiuj lingvoj posedas apartan alfabeton. La tamila kaj malajama estas parencoj; same tiuj de l'kanara kaj telugua. Oni devenigas ambaŭ specojn de malnovaj nordhindaj alfabetoj.

La plej gravaj lingvoj, sendube estas tiuj, kiuj apartenas al la orienta branĉo de l'indoĝermana familio. Estas 25 idiomoj parolataj de proksimume 230 milionoj da homoj. Ili estas fleksantaj lingvoj, kiuj tamen troviĝas en plej diversaj statoj de evoluo. Kelkaj el ili, kiel la beluĉa kaj la afgana, parolataj en Brita Beluĉistano kaj en la nordokcidenta limprovinco de (1,500,000) estas orient-iranaj lingvoj. En la tuta teritorio de Kaŝmiro kaj la deklivoj de l'Himalajo en la nordo ĝis Goao, en la sudo ĝis Beraro kaj la Ĉilka-lago en la okcidento de l'Indo-valo ĝis la supra Bramaputro, en la oriento ĝis Kaĉaro kaj Arakono oni parolas indo-ariajn lingvojn. Ili dispartiĝas en la grupon de la limlingvoj kaj en internlandon. La okulfrapa diferenco inter ambaŭ estas, ke la limlingvoj kaŭzis la kreon de « lingua franca » speco de helplingvo.

Helplingvo en la tuta teritorio estas la hindustana. Kompreneble ili ankaŭ malsamas rilate elparolon, gramatikon, vortaron. Ili estas influitaj de enmigradoj kiel la indo-ĥina lingvaro.

La plej grava el la limlingvoj estas la bengala. 42 milionoj estas musulmanoj (mahometanoj) kiuj intermiksas ĝin kun urduaj vortoj. Ankaŭ ekzistas pluraj dialektoj. Sed ili ne difencas tiel, kiel la popola lingvo de la literaturo. Tiu lasta enhavas multajn sanskrit-lingvojn. La popolo ne uzas ilin, ĉar la korekta elparolo de l'vortoj estas tro malfacila por la bengaloj. Sekve de tio ili estas ofte legataj alimaniere ol skribataj. La bengala havas riĉan literaturon. La bengala literaro estas subspeco de l'devanagara signaro. Parencaj lingvoj estas la asama kaj la orija. Asaman lingvon parolas 1 1/2 milionoj. Ĝi posedas verkojn de religia poezio kaj historiajn verkojn, kiuj ĝenerale mankas en Hindujo. La Orija estas la lingvo de Oriso, de Singbhumo, de l'centraj provincoj, de Madraso kaj la tribut-ŝtatoj. Iom pli ol 10 milionoj parolas ĝin. La literaturo estas ĉefe religia kaj karakterize antikva. La skribo estas devanagara sed adaptita al la skribmaniero de Oriso. Oni skribas sur palmfoliojn. Per metalgrifeloj oni engravuras la literojn. Ĉar la transvers-linoj de la devanagara skribo disŝiretus la palmfoliojn oni faras kurbajn (rondajn) signojn. La veran signon oni poste apenaŭ ekkonas. Pro la sama kaŭzo birmana, kanara kaj telugua estas kurbsigne (rondsigne) skribataj lingvoj. La nordokcidenta Deĥano estas la teritorio de la marata lingvo (20 mil.). Ĝi konsistas el pluraj dialektoj. La dialekto de Puno estas la interlingvo. Marata lingvo havas ampleksan, popularan literaturon, plej parte religian. La skribo estas la devanagara aŭ subpeco de ĝi. Por la konkana dialekto oni uzas la kanaran skribon. Nordokcidente de l'marata lingvoregiono en Barodo kaj Guĝerato, samkiel la tribut-ŝtatoj, oni parolas la guĝeratan lingvon (12 milionoj). Ĝi estas la ĉefa komerca lingvo de l'okcidenta Hindujo. Mahometanoj kaj parsoj malsame elparolas ĝin. Ekzistas multnombra nova literaturo guĝerata. Oni skribas ĝin laŭ la kajti-formo de l'devanagara signaro.

Ĉe la malsupra Indo 3 1/2 milionoj parolas sindan lingvon. Ĉar la uzantoj estas mahometanoj oni intermiksas ĝin kun persaj vortoj. Formo de l'pers-araba alfabeto estas uzata por ĝin skribi.

Norde de ĝi oni parolas la penĝaban lingvon kiu fakte konsistas el 2 lingvoj. La okcidenta, la landha (3-4 milionoj) konsistas el nombro de dialektoj parencaj kun la sinda kaj estas kutime skribata per persa-araba alfabeto. La veran penĝaban oni parolas en la lando de l' 5 riveroj (Pen-ĝah) ĉ. 18 milionoj. Ĝi estas konata kiel la lingvo de l'sinĥoj. Por ĝi oni uzas la tielnomatan Gurmukbi-alfabeton.

En Kaŝmiro pli ol 1 miliono parolas la kaŝmiran. Ankaŭ tie-ĉi la mahometanoj enmiksas multajn persajn vortojn kaj ankaŭ uzas persan alfabeton. La hinduoj uzas la Sarada-formon de l'devanagara skribo. Ĝi havas konsiderindan literaturon.

La interna lingvogrupo ampleksas la biharan, orient-hindian, okcident-hindian, raĝastanan gaj la tielnomatajn paharajn lingvojn (pahari = de l'montaro). La ĥaslingvo apartenas al la orienta grupo ; ĝi estas la idiomo de l'gurĥoj en Nipalo. La peharaj kaj la raŝastan-lingvoj multe similas unu al la alia. Dum la mahometanaj konkermilitoj multaj rajputoj transmigris la Himalajon. La mahometana loĝantaro ĉie uzas pers-arabajn signojn ; la

hinduoj uzas la devanagaran alfabeton aŭ subspecon de ĝi.

Ĝis nun mi montris, kia lingva labirinto estas Hindujo. Mi finas per historia parto. La lingvo Esperanto tie-ĉi kvazaŭ jam havas antaŭaĵon. Jam en antikva epoko ekzistis krom la prakrit-dialektoj (popolaj lingvoj) la sanskrito = la perfekta lingvo (lingvo de l'edukitoj). Jam tri jarcentojn antaŭ la kristana tempo ĝi estis morta lingvo. Hodiaŭ ĝi ludas grandan rolon ankoraŭ en la religia vivo. De Kaŝmiro ĝis Travankoro, de l'Indo ĝis la Bramaputro ĝi estas uzata de la bramanoj kaj panditoj. En Birmio kaj Cejlono oni ankoraŭ kulturas la palian lingvon el la prakrit-familio, uzita en la antikve-budha literaturo. Grandan disvastiĝon ankaŭ havas la persa lingvo en Hindujo inter mahometanoj.

De Delhi, la rezidejo de l'mongol-imperiestroj devenas la hindustana. El ĝi naskiĝis dum la militiroj, kun enmikso de persaj kaj arabaj vortoj la urdua lingvo, nomita laŭ la tendeja bazaro « Urdu-e-mu'alla ». Sub la brita regado komenciĝis ĝia umua literaturo. Ĝia purigita formo, en kiu indo-ariaj vortoj anstataŭas pers-arabajn, estas nomata hindia. La literaturo de ambaŭ depost kreskis multe. En urdua oni skribas prozon kaj poezion, en hindia nur versojn. Hinduoj kutime uzas ian dialekton, avandhan aŭ brajan, por vers-skribi. En Lahoro en Penĝabo estas la centro de urdua literaturo. Ĉe ni mahometanoj superregas la urdua idiomo ; hinduoj uzas hindian parolmanieron. Hindustana estas la lingvo de l'soldataro ; ankaŭ beluĉoj kaj afganoj ĝin lernas. Ĝi estas hinda interlingvo kaj servas inter ĉiuj. En rilato kun eŭropanoj oni multe uzas anglan lingvon, kiu estas oficiala, sed oni malbone parolas ĝin.

Ne multaj hindoj sub brita influo kaj eduktitaj en britaj kaj misiaj lernejoj krom sia hejmlandlingvo tamen nur scias anglan. Hindoj amantaj sian landon proferas uzi hindustana, kiu ne estas fremda al ili en karaktero.

La skribmanieroj hindaj estas tre malsamaj kaj sufiĉe malfacilaj. Kristanaj misiistoj provas enkonduki eŭropan (latinan) literaron. Alireligianoj ne baldaŭ amikiĝos kun ĝi pro sankta tradicio.

---

# La labordivido ĉe la abeloj

de *P. Hofer*, abelbredisto.

La abela gento, tiel ofte komparata kun ŝtato, pli similas al familio ol al ŝtata organizaĵo. Certe, ĝi posedas « reĝinon », tamen tiu ne estas regantino, sed patrino — patrino de ĉirkaŭ 50,000 infanoj vivantaj ĉiuj la saman abelujon kaj formantaj la tuton de abela gento. Konata estas la trionigo de la abelaj gentoj : reĝino, fukoj (virabeloj) kaj laborabeloj. Ĉiu el tiuj tri kategorioj havas sian propran taskon. La reĝino estigas la embriojn en sia ovario, el kiuj evoluas la ovoj, kaj naskas ilin en la ĉelaron. La fukoj havas por unika tasko la gravedigon de la juna reĝino ; se, je la fino de printempo, abela gento ne intencas reĝino-ŝanĝon ili estas forpelataj kiel manĝeguloj nenecesaj. Pri ĉiuj aliaj laboroj necesaj por la ekzistado de la abela ŝtato sin okupas nur la laborabeloj : la flegado de la kovaĵo, konstruado, alportado de nutraĵoj, defendo de la abelujo, la sanitara fako k.t.p. Sed laŭ kia plano efektiviĝas ĉi tiuj laboroj ?

Ĉiu laboro en abelujo estas plenumata de laborabeloj de certa aĝo. Do iom post iom ĉiu abelo trapasas la tutan ĉenon de laboroj farotaj simile al militista rangordo. La transiro de unu laboro al alia estas tempe ne ĉiam precize fiksebla, ĝi okazas pli-malpli frue laŭbezone. La juna ĵus eliĝinta abelo unue purigas la tutan korpon per siaj kruroj. Tiu purigado povas daŭri plenan horon, tiam ĝi etendas ĝin ankaŭ al la malplenaj ĉeloj de la kovejo kaj preparas ilin tiamaniere al nova ovenlaso. Sen tiu purigado kaj la samtempe okazanta salivumado flanke de unu aŭ pluraj el la plej junaj laborabeloj neniu ĉelo estus okupata de la reĝino. Tamen purigado kaj salivumado ne ĉiam sufiĉas, ofte ankaŭ necesas ripari ĉelo-randojn. Tiu-ĉi laboro estas farata nur de laboristinoj en aĝo de 15 ĝis 20 tagoj. Do du abelkategorioj prizorgas la konservadon de la ĉelaro.

Post tio la juna abelo sidas ofte dum horoj senlabore sur fermita aŭ malfermitaj kovoĉeloj : ĝi atendas la momenton kiam ĝi, pro sia interna organizo, kapablos transiri al la sekvanta funkcio. Sed ankaŭ tiu atendado estas funkcio tre grava, nome la varmigo de la kreskanta kovaĵo, de ovoj, larvetoj kaj pupoj.

Ekde la tria ĝis la dektria tago la abelo prenas sur sin la rektan kovoflegadon. La larvetoj de unu ĝis tri tagoj ricevas nutrosekrecion, ekde la kvara tago aldono de mielo kaj poleno estas konstatebla. Tiu aldono okazas nur per la plej junaj flegistinoj, ĉar nur en aĝo de kvin tagoj la abelo kapablas produkti sekrecion. En tiu tempo de la kvina ĝis dekkvina tago la juna abelo elflugas la unuan fojon en sia vivo por sin orienti. Dum la alportado de nektaro, poleno aŭ akvo flanke de la pli aĝaj la pli juna laboristino estas sur la flugtabuleto ĉe la enirejo de sia abelujo kaj akceptas de la kolektistinoj ties kolektaĵojn. La kolektantaj abeloj neniam mem enmagazenas en la ĉelaron sian rikolton.

De la dekkvina ĝis deknaŭa tago de sia aĝo la abelo fariĝas gardisto de la abelujo por deteni de ĝi rabemajn abelojn aŭ aliajn ĝenemulojn avidajn al la bongusta trezoro interne de ĝia hejmo. Pri ties defendo sin okupas nek la pli junaj abeloj, nek tiuj de la kolektkategorio.

En meza aĝo de 20 tagoj venas por la laborabelo la

lasta periodo de sia vivo, tiu de la enkolektado, daŭranta ĝis la morto. Laŭ la ĝiatempaj bezonoj de la abelgento kaj la stato de la floraro ĝi alportas aŭ mielon polenon aŭ akvon. La plej alta aĝo konstatita ĉe abeloj speciale markitaj estas inter 20 ĝis 55 tagoj, sed preskaŭ por ĉiuj venas la morto ĉirkaŭ la 30-a tago. Nur tiuj naskiĝintaj en aŭtuno kaj ne estas devigataj dumvintre tiel multe labori, travivas la vintron. Sed ankaŭ ili ne estas malagemaj ; en mirinda maniero ili tago post tago en sia abelujo kontraŭbatalas kaj triumfas super la vintra malvarmo ĝis denove alvenos por ili tagoj sunbrilaj, ĝojplenaj kaj laborriĉaj.

Mirindega estas tiu ĉiama laborsimfonio en la abelaj gentoj.

Ankoraŭ multaj detaloj el ĝi restis neesplorataj ĝis nun. Neniel ia evoluo estus sukcesinta konduki organizon al tia perfekteco ; de la komenco ĝi povis esti nur tuta aŭ perei. Ju pli la kreskanta helo de la esploro nin vidigas, des pli ĝi malkovras unikan laŭdokanton al la Ĉiopova, ties kreinto.

---

# Malsame !

*R. J. Yarworth.*

*Kolere la patro severamiene*
*Al sia filino akuzis,*
*« Mi vidis junulon, al mi tre ĉagrene,*
*Kisanta vin sur la kanapo senĝene,*
*Kaj ŝajne ĝi vin tre amuzis ! »*

*« Ke tia konduto, mi ĉiam decidis,*
*« Kontraŭas la miajn principojn. »*
*Li kisis vin sur la kanapo, mi vidis. »*
*« Eraris vi, paĉjo », filino trilridis.*
*« Li kisis al mi sur la lipojn ! »*

---

PRO GRAVA

teknika malhelpo la nuna numero, kies preparo estis preta ĝustatempe, malfruiĝis !

Ni petas afable senkulpigi tiun prokraston. Ni havas promeson, ke ĝi estos evitata estonte.

Kun la nuna numero
estas sendatoj

Bulteno n-ro 28 de l'Internacia Labora Oficejo,
La Piramido, propagandfolio.

---




## Libroeldona kooperativo en Ĉeĥoslovakio

Ĉeĥoslovakio, Ŝtato restarigita en 1918, dankas la savon de la lingvo al la libro. En renaskiĝo de la ĉeĥa popolo (fino XVIII-a kaj komenco XIX-a jc.) la libro ludis gravan rolon.

Tamen en la ree memstara ŝtato bona libro travivis krizon. Post la revolucio 1918, la librovendistaj stokoj estis malplenaj; ĉio estis disvendita ĉar dum la milito libroj estis ŝategataj. Ĝuste en la libroj la popolo trovis plifortigon de sia spirito. Estis necese rapide presi novajn eldonojn. Papero kaj preso estis ĉiam pli kaj pli kostaj — prezoj de la novaj libroj plialtiĝadis konstante. Baldaŭ la libroj fariĝis neaĉeteblaj por la popolo pro tro alta prezo, ĉar ĝuste la mezaj klasoj — la inteligentularo, la ĉefa aĉetanto de libroj — suferis pro nesufiĉaj salajroj.

En 1922 estis fondita kooperativa eldonejo « Druzstevni Práce » (Kooperativa Laboro), kies tasko estis eldonadi bonajn kaj malkarajn librojn nur por siaj membroj. La eldonciferoj estis kiel eble altaj por malaltigi prezojn de la libroj. Estis forigita profito de peranto kaj tiel libroj de la nova kooperativo fakte povis esti konsiderinde malpli kostaj, kvankam estis uzata ĉiam bona materialo.

La kooperativo venis ne nur kun devizoj sed ankaŭ kun efektivaj ekonomia kaj arta programoj. Komenco estis tre malfacila, kiel ĉe ĉiuj memhelpaj entreprenoj kaj nur post kelkaj jaroj favoro de la publiko estis akirita. Estis eldonata meznombre unu libro en ĉiu monato. La eldonaĵoj estis tuj ekspeditaj al ĉiuj membroj.

Hodiaŭ la libroj de la kooperativo formas abundan aron da diversaj romanoj, instruaj verkoj, el kiuj jam povas elekti plej simpla leganto same kiel libroamanto kun plej rafinita gusto. El la mondliteraturo aperis ĝis nun: A. de Gobineau: « Abatejo de Typhain », M. Cervantes: « Don Quijote » kun belegaj lignogravuraĵoj de ĉeĥaj artistoj Q. Mánes kaj K. Purkyne vivintaj en la pasinta jarcento, J. Wassermann, H. G. Wells, Umberto Fracchia, B. Nusic, Thomas Hardy, Charles Dickens, Ch. L. Philippe, Panait Istrati, George Meredith, Upton Sinclair k. a. Sed ankaŭ la enlandaj aŭtoroj trovis en la kooperativo sian honestan kaj bonan eldoniston. Jen kelkaj: Vladislav Vancura komencis tie per sia solida romano « Bakisto Jan Marhoul » (la verko jam estis tradukita en kelkajn mondlingvojn), Benjamin Klika, Mil. Nohejl, E. Vachek, M. Majerova, K. J. Benes, k. a.

Iom post iom la cifero de membroj kreskis al 5,000 kaj la kooperativa kapitalo je 500,000. — Kc (77,000 sv. frs.).

En la dua jaro de sia ekzisto fondis la kooperativo sian propran librobindejon, kiu bindas plejparton de la eldonataj libroj.

Membraro de kooperativo konsistas el personoj de plej diversaj okupoj, precipe el oficistoj, instruistoj, kuracistoj kaj laboristoj. Ankaŭ multaj publikaj bibliotekoj profitas el la avantaĝoj, kiujn la kooperativo donas.

En 1927, kiam la kooperativo atingis la kvinjaron de sia ekzisto, estis malfermita propra vendejo de grafikaĵoj, oleopentraĵoj kaj artobjektoj. Tie ĉi la kooperativo valorigas kaj vendas al la publiko verkojn de siaj membroj — belartistoj.

La Kooperativa Laboro estas entrepreno pro sia konsisto kaj pro rezultoj de sia agado tiom interesa, ke ni informas pri ĝi ankaŭ la legantaron de nia gazeto. En la lasta tempo ofte oni legas pri ĝi en eksterlando. Ĉeĥoslovaka gazetaro konstante atentas pri la entrepreno kaj ofte informas pri ĝi la enlandan publikon (1).

(1) Esperantistoj vizitantaj la ĉefurbon de Ĉeĥoslovakio estas kore invitataj viziti la vendejon en Praha II., Myslikova 15 kie ili ĉiam trovos por si interesan, valoran kaj malkaran memoraĵon.
Se iu interesiĝas pri detalaĵoj, bonvolu skribi al Druzstevni Práce, Praha XIX, Starodruzinniku 505.

# LITERATURO

## Nur nature

Originalo de *Julio Baghy*.

Grafo Olivero Kutassky embarasite staris antaŭ la pordego de la familia palaco. Lia mieno kiel vivanta demandsigno elokventis pri hezito : « ĉu resti aŭ ne resti? » Ĉu reiri por daŭrigi la posttagmezan digestadon aŭ iri iamaniere al nova regalo ? Por havi konsilan respondon li rigardis al la humile palpebrumanta pordisto, sed vane. Ties respektoplena digno mutis kiel la tribeka cigno sur la blazono de grafo Kutassky kaj sur la butonoj de la pordista livreo.

Olivero staris do senkonsile kaj indigne meditis pri la eksterordinaraj okazintaĵoj, kiuj sinsekve devigis lin pensadi pri tio, ke ne ĉio funkcias laŭorde en lia horloĝpreciza ĉiutagaĵo. Unue, je la kvara, Georgo, lia ŝatata servisto, la perlo de ĉiuj lakeoj, ternis kaj post kvin minutoj li kuraĝis denove terni kaj kvankam Georgo apartenis al la plej disciplinitaj uniformportantoj, tamen post du minutoj per tria terno ektremigis — la koron de sia grafo. Evidente, ke Georgo aroge sekvis la dumvintran kaj laŭmodan malsanon. Certe li havas h i s p a n a n g r i p o n aŭ almenaŭ simplan influencon, sed en la plej senpretenda okazo — ordinaran nazkataron. Kia skandalo ! Malsaniĝi ĝuste en tiu horo, kiam li devus esti je la dispono ĉe la vestado ! Vere, ni vivas en revolucia epoko kaj ties vento tuŝis ankaŭ Georgon.

Sed la trifoja lakea ternado estis nur komenco. Nun sekvis la sinvestado. Neimagebla penado ! Unu horon daŭris plilonge ol kutime. Kaj fine, kiam li aperis sur la pordega sojlo por transdoni sin al meritita ripozo kaj retrovi sian ekvilibron inter remburaĵoj de sia aŭtomobilo, tiam la pordisto impertinente koncize raportas, ke « ŝia grafina moŝto antaŭ dek minutoj bonvolis forveturi per ĝi kaj lasis la sciigon, ke lia grafa moŝto bonvolu sekvi ŝin per taksoaŭto ». Per taksoaŭto ! ! Kial ne per tramveturilo, per fiakro aŭ eĉ — eĉ honte estas pensi ! — p e r - p i e d e ? ! Certe la vento tuŝis ankaŭ lian patrinon.

Tamen la longdaŭra hezitado kaj senkonsila starado ĝenis lin kaj li riskis subiĝi je demando al la rigide pozanta pordisto.

— Nu, kiel vi opinias ?

— Per taksoaŭto...

— Per taksoaŭto! !

En lia voĉo vibris konsterno, sed la pordisto, ne konsciante pri tio, modeste faris sian duan proponon.

— Aŭ perpiede.

Je aŭdo de tiu ĉi impertinentaĵo li ne ekkriis indigne, nek svenis, nur ĵetis profunde riproĉan rigardon al la mizera sensentulo, kiu, tute nehavante talenton por legi el lia esprimriĉa okulturno, eĉ motivis la proponon.

—Estas belega vintra tago kaj dekminuta marŝado tra la aleo de vilaoj utilos je la sano de via grafa moŝto.

Kaj miraklo... Olivero konsideris la ŝancojn. Per taksoaŭto veturi certe estas pli subrange ol perpiede, ĉar en tia fiveturilo povas paradi ĉiu judo, havanta kelkajn pengojn en la poŝo, sed marŝi per g r a f a j piedoj povas nur la grafoj. Por doni indan aplombon al sia decido li suprenrigardis al la familia blazono, pendanta super la pordego kaj firmigis sian volon legante la faman devizon ĉirkaŭ la tribeka cigno : « *Saĝe naĝi sur la supro, oron faras el la kupro.* » Kian rilaton havis lia decido al la devizo, verŝajne, li me ne sciis, sed estis familia tradicio turni sin al ĝi antaŭ ĉiu grava paŝo. La kronikoj en la arĥivo asertas, ke tiu ĉi devizo havas magian forton precipe por la poŝo.

Olivero ekiris do per siaj grafaj piedoj. Ĉu la dekminuta marŝado utilis al lia sano, tion mi ne scias, sed la konsekvencoj pruvos, ke en la nuna okazo li proprapiede proksimiĝis al tio, kion la romantikaj verkistoj ŝatas nomi f a t a l o.

Olivero esti apenaŭ dudekunu jara, trodorlotita infano. Infano kaj ne junulo, ŝar la patra sentemeco — ne ofta ĉe viroj — hermetike fermis lin for de la reala vivo. La instituto, kiun li elektis por sia adorata ido, eĉ akcelis la evoluon en la nerekta direkto. Li fariĝis naive kaprica, dande laŭmoda, laŭrange etiketsklava. Lia patrino vane protestis kontraŭ la senprudenta dorlotado. Ĉe tiu ĉi punkto, kvankam la grafo ame plenumis ĉiun deziron de sia edzino, li ne cedis. « Kara Evelino, vi bonvolis naski la filon por mi — li komencis por silentigi ŝin kaj daŭrigis jene — kaj eduki lin inda posteulo estas mia devo. Vi, kara Evelino, heredis, krom la modesta bieneto de via altŝatata patro ankaŭ lian nemotiveblan inklinon proksimiĝi al la subrangaj klasoj. Verŝajne, kara Evelino, inter viajn praulojn hazarde *iamaniere* ŝoviĝis ia bovinmelkantino aŭ... Estas for de mi la intenco ofendi eĉ pense viajn tre honorindajn praulojn, sed vi, kara Evelino, devas kompreni, ke mi ne povas toleri, ke la ombro de tiu supozita bovino... bovinmelkantino iamaniere ĵetiĝu al la nobela karaktero de unu grafo Kutassky, kiun cetere vi, kara Evelino, bonvolis naski anstataŭ mi ». Tiaj kaj similaj sentencoj torturis la patrinan koron, kiu estis milda, pli nobla ol nobela kaj ĉefe homa. Eble pro la bovinmelkantino. La ceremonia edukiteco kaj riĉeco faris Oliveron modpupo inter la junularo de la alta klaso.

Olivero do ekmarŝis. La neĝo grincis sub liaj paŝoj. La vintra freŝeco pentris rozojn sur liaj palaj vangoj. Iom post iom la bulvarda vivo forpelis lian malbonan humoron kaj vekis naivan interesiĝon en li. Scivole demande li

rigardis rekte al la okuloj de ĉiu kontraŭvenanto. Kelkaj junulinoj eĉ respondis per petola rideto, kiu — jen mirindaĵo ! — tute ne ofendis lin.

Ĉe la angulo, kie li turnis sin en la aleon de la vilaoj, subite kaj hazarde li puŝiĝis al elegante vestita junulino, kiu rapidpaŝe venis el la apuda sukeraĵejo. Ŝi diskrete ekkrietis. Li balbutis pardonpeton. Indulgema rideto estis la respondo. Post momento ŝi jam rapidis for. La sinsekvaj paŝetoj postlasis kelkloke, kie la neĝtavolo ankoraŭ virge kuŝis sur la trotuaro, graciajn formojn de filigranaj plandumoj. Olivero kvazaŭ kontraŭvole sekvis la allogajn postsignojn. Tiel daŭris ĝis la mezo de la aleo, kiam ŝi haltis por levi ion de la trotuaro kaj kun zorga delikateco meti ĝin sur unu el la apudvojaj benkoj. Ankaŭ Olivero ekhaltis por teni la konvenan distancon, sed post ŝia ekiro li daŭrigis la persekutsimilan sekvadon.

Pasante preter la benko li ĵetis scivolan rigardon al ĝi. Surprizaĵo : peceto da kotmakula pano. Momenton li ekhaltis pro miro. Tiel elegante vestita junulino, kies beleco kaj gestoj egalas je tiuj de iu ajn aristokratino trovis inde halti kaj kliniĝi por levi tian malpuran panpeceton ? Jes, jes, la revolucia vento. Nuntempe — tre bedaŭrinde — ĉiu ĉambristino similas al sia sinjorino, almenaŭ eksteraĵe.

En Olivero vekiĝis por momento sentemeco, heredita de la patrino kaj narkotita tiom sukcese de la patro kaj la instituto. Singarde li ĉirkaŭrigardis, kvazaŭ li hontus sian malfortiĝon kaj rapidpaŝe revenis al la benko, levis la panpeceton. Kun infanaĝa piemo li volvis ĝin en sian silkan poŝtukon. La sentemeco malagrable tuŝis lin kaj grafo Olivero Kutassky, la modela dando de la ora junularo sian indignon envortigis jene : « Kaj ĉio pro trifoja terno de lakeo. Li meritis la maldungon ! »

Sed la venĝopenson antaŭ maturiĝo forvelkigis nova surprizo. La ĝis nun sekvata gracia staturo malaperis el lia vido. Nur la freŝaj postsignoj de ŝiaj galoŝetoj montris la direkton. Interna instigo devigis lin sekvi tiujn. Nepre li volis koni la domon, kie lia ĉarma nekonatulino loĝas. Kial ? Li ne meditis pri la « kial ». Senvorte, eĉ senpense li iris laŭ la postsignoj ĝis vilao, super kies pordego paradis la blazono de la baronoj Löffelholz de Nekeresd. Pri la blazono, la nomo kaj la vilao li rememoris, ke ĝuste al la « posttagmeza teo » de ŝia baronina moŝto Lidia Löffelholz de Nekeresd li estas invitita... Do blovante sin je nobela digno li transpaŝis la sojlon, bonvole akceptante per kapklino la mutan riverencon de la pordisto.

## II.

La baroneco de la Löffelholz-a familio estis tia, pri kiu oni diras : « Ne tuŝu ĝin, freŝe pentrita ! » La avo estis ankoraŭ spicvendisto kaj grenmakleristo en la vilaĝo Nekeresd. Lia saĝe akaparita kapitalo ebligis la altlernejan edukadon de la filo, kiu montriĝis santempe dankema kaj sendankema. Fariĝante matadoro de la borso li superis la esperojn de la patro, sed ĝustatempe flarante la odoron de la estonteco li lasis sian religion kaj edziĝis kun ĉarma, tre inteligenta, sed malriĉa kristana junulino. Tio ĉi seniluziigis la patron Vanis ĉiu protesto. La vera amo ne konas religion aŭ rangon, li diris tiutempe. Dube, ke li havas ankaŭ nun la saman opinion. Cetere Jakobo Löffelholz havis tre plaĉan eksteraĵon, simpatian sintenadon, altnivelan edukitecon kaj ĉefe monon, monon, monon por malŝlosi la pordeton de la ekskluziva societo. La baronecon li ricevis (?) por siaj nevelkeblaj dummilitaj servoj, kiujn li senlace plenumis ĉe la liverado de aveno por la armeo. Kvankam li restis prudente fidela al sia devizo « vivi kaj vivi lasi », tamen pro memoro pri la patro li ĉizigis novan devizon sur la blazonon : « *Maturiĝas greno post semad' kaj peno* ». Entute Jakobo Löffelholz estis inda fariĝi praulo de nova barona dinastio. La modernaj praŭloj la neglektas sangajn entreprenojn kaj prefere liveras diversspecajn grenojn.

La barono havis kvar filojn kaj unu filinon, la ĉarman Lidian, kies belecon — sen scio pri ŝia rango ! — Olivero jam admiris sur la strato. Ŝi estis dekokjara. Malofte oni renkontas pli feliĉan kompilaĵon de la luksema oriento kaj la puritana okcidento ol ŝi estis. Laŭvalore taksi la riĉaĵon kaj konduti prudente-romantike estis arto ĉe ŝi. En la agoj ŝi montriĝis noble sentema kaj ŝian parolon karakterizis eleganta simpleco. La sola afero, kiun ŝi ne povis toleri, estis la d a n d i s m o. La nurajn etiketulojn ŝi abomenis kaj kelkfoje kruele primokis. Ŝia, vivprincipo estis : « *Nur nature !* »

La « posttagmeza teo » plene kontentigis la vantecon de Olivero. Kontraŭvole li eĉ fariĝis kreinto de nova modo. Lia rigardo ĉiam pliofte renkontis la koloron de la kravato sur la meza veŝtobutono de la viroj. Kredante tion nova pariza aŭ londona modo li ŝtelis sin al la vestejo por sekvi ĝin. Ĝuste tiam du el la ora junularo albutonumis sian kravatan silkon al la meza butono de la veŝto. Olivero proksimiĝis al la granda spegulo kaj jen, je lia sincera miro, lia kravato jam estis albutonumita. Ah, kiajn konsekvencojn havas la trifoja terno de Georgo kaj la grafa mallerteco ĉe la sinvestado. Sed la entuziasmaj « ĉahme ! kolose ĉahme! » kartavado de la du junuloj konsolis, eĉ plenigis lin je kontenteco, kiun li envortigis jene : « Nepre mi altigos lian salajron ! »

Mem la barono prezentis Oliveron al Lidia kaj per tio komenciĝis tiu duonhora konversacio, kiu ne pasis senimpresa por ili ambaŭ. En komenco lia sintenado kaj tiu ceremonia komplimentado, per kiu li provis almiliti la plaĉon de Lidia, ne trovis favoran akcepton ĉe ŝi. Kun konvena ĝentileco ŝi aŭskultis lin, sed en ŝi senpaciencis la principo « n u r n a t u r e ! ». Ŝiaj pensoj ne tre flatis al la modpupo, kiu vane atendante respondojn vole — nevole rememoris pri la tribeka muta cigno de sia blazono. Sed poste, kiam Olivero kontraŭ sia kutimo fariĝis intima kaj rakontis pri siaj posttagmezaj aventuroj, rememoroj kaj pensoj kaj fine montris la kotmakulan panpeceton en la

silka poŝtuko, tiam la kora glacio de Lidia degelis kaj ŝiaj okuloj brile kaj esplore rigardis al la okuloj de Olivero. La virinoj ĉiam havas pedagogian ambicion kaj ankaŭ en ŝia beleta, saĝa kapeto venis la penso : « jen fine iu, kiu lasas sin eduki. « Tute senceremonie do ŝi prenis lian manon kaj kun korraba rideto rimarkis : « Kara grafo, vi estas kare grafida. » Ĉe tiu ĉi manprenado barono Löffelholz, patre spiononta el intima angulo de la salono, kontente kunfrotis la manojn kaj ĝoje konstatis, ke « la pomo ne falas malproksimen de la arbo ! »

Olivero, kiel la familia cigno, naĝis sur la supro de la feliĉo, sed nelonge. Kiam li fanfarone rakontis pri sia modkrea genio, la ĉarma mieno malsereniĝis kaj en tiu momento la malfeliĉa Georgo estis kondamnita je tuja senrekompenca forpermeso. Tiun ĉi severan verdikton aliigis sole ŝia delikata manpremo kaj la enigma adiaŭa frazo : « Mi serĉos rimedon fari grafon el la grafido, ĉar la homo gajnis mian simpation. Nur nature, kara grafo, nur nature ! ! »

. . . . . . . . . . . .

Virino decidas, viro plenumas. Pasis jaro, plena de intence hazardaj kaj de priparolitaj rendevuoj. Olivero glutis barelon da teo, sukeritan kun dolĉa rideto kaj kelkajn pilolojn pedagogiajn, spicitan per vivprincipo « *Nur nature!* ». Efektive li progresis. Li jam kuraĝis iri sen kalsono el sia dormoĉambro al la banĉambro kaj ne hontis trumpeti en la poŝtukon, kiam lia adoratino muzikigis siajn revojn ĉe la fortepiano. La eduko estis jam tiome edifa, ke partoprenante en popolfesteno li gustumis la branlavaĵon de la porkoj por ilustri sian naturecon.

Vere, la amo faris miraklon ĉe Olivero. Ĉar kiam iun tagon li kondukis sian mirtokronan kelkhoran edzineton el la geedziĝa festeno al la nuptolito, sur la koridoro grafe ornamita — ĉu pro troa manĝado ĉu pro alia kaŭzo — okazis io tre homa... La junan edzineton paligis la konsterno, sed nia nove edukita Olivero sen hontruĝo admone ridetis al ŝi : « Nu, ankaŭ vi, kara Lidia, *por la intimeco !* Nur nature ! Nur nature ! »...

---

# Naĝantaj hommanĝantoj

**Originalo de *T. Kaptein.***

**Ekzistas strangaj specoj da ŝarkoj en tiu-ĉi mondo, homaj kaj bestaj. En malmultaj maroj oni tamen trafas ilin tiel multe kiel en la Golfo Meksika. Tie movas sin la hom-manĝantoj rapide kaj silente inter la ŝipoj. Per siaj malgrandaj kaj akrevidantaj okuletoj ili spionas al boatetoj, kiuj tien reen veturas kun pasaĝeroj. Grandaj ŝipoj devas resti ekster la haveno de Progreso, ĉar tie estas tro sabloriĉa por atingi proksime la bordon.**

---

Estis antaŭ Progreso, ke Rita Brand la unuan fojon povis proksime vidi la ŝarkojn. Ŝi estis la edzino de Kapitano Brand kaj la nura pasaĝero sur la ŝarĝoŝipo « Susie Lee ».

Kapitano Brand iris komerci en Progreso. Lasante la zorgojn de l'ŝipo en la manoj de sia juna boatestro Jim Shore, bela junulo kun malhelaj okuloj, kiu tamen nenion alian faris ol amindumi la belan Kapitan-edzinon. Tion li jam kutimis en la lastaj ses monatoj, dum oni per tiu-ĉi ŝipo faris komercaferojn laŭlonge de la Sud-Afrika bordo.

La Kapitano, tiu troviĝis sur la ferdeko aŭ estis en havenurbo ne multe atentis pri tio. Li antaŭe disputis kun Rita, kaj tion li bedaŭris. Ĉar li estas prudenta viro, li poste silentis. Krom tio li treege fidis Riton.

Rita, la sola virino surŝipe, mortenuanta pro la longa unutona vojaĝo, ĉiam ŝatis kiam la Kapitano kun sia boatestro iris marborden, ĉar tiam ŝi ricevis permeson forŝipiĝi kaj estis la tasko de Shore amuzi ŝin, dum la Kapitano faris siajn aferojn.

En Progreso ŝi proprigis al si multe da bagateloj: flegman sunombrelon, belan kolŝnuron kaj belegan ĉirkaŭmanon. Tiu lasta estis donaceto de Shore, kiu embarasite kiel knabo, laŭ sia penso, ĝin aĉetis por ŝi.

— Estas, jes, tre malgranda, Rita, — li diris senkulpigante,—sed vi havas tiel delikatan pulseton, ke mi pensis...

— Ho, ĝi estas belega ! — ŝi ĝoje elvokis.

Rita tiris lin al sia brako brunkolorita pro la suno. Tiam alvenis knabo alportanta fruktojn bongustajn. Ankaŭ Shore estis aĉetinta tiujn por ŝi. La suno elĵetis golfon da varmeco super Progreso.

— Mi ne povas elteni tie-ĉi ! — ekspiris Rita. Kiam la Kapitano fine revenos ?

— Mi havas malgrandan motorboaton, ĝi estas tute preta, — diris Shore. Estas tiel varmege, ke mi jam konstatis, ke vi volus reiri, antaŭ ol la Kapitano estus preta. Mi luis boateton !

— Kiel ameme de vi ! — diris Rita kun brilantaj okuloj. Jim, vi estas trezoro, ke vi pensis je tio ! — ŝi senpripense aldonis.

— Mi ne povas pensi al io alia ol al vi, Rita, — tion li diris tiel mallaŭte, ke ŝi preferis ne estis aŭdinta tion.

Nun ili estis en la boato, malgranda, blanke pentrita. Shore prenis lokon ĉe la direktrado.

Gaje koloritajn kusenojn li aĉetis kaj amasigis antaŭ Rita. Ŝi maldiligente kuŝiĝis sur la kusenoj kaj ekĝemis pro ĝuo, kiam la rapida movado de la boato okazigis agrablan freŝetan blovon, kio ŝajnas balzamo por ŝia varma vizaĝo.

— Estas ĉiele ! — ŝi elvokis. Mi kredas, ke mi volonte volus tiel daŭrigi por ĉiam.

Shore diris nenion dumtempe. La boateto flugis kiel sago el arko en direkto rekte antaŭen, ĉiam pli malproksimen de la urbo.

***

Ili iris tiel rapide, ke Rita scivole rigardis postsignojn de la ŝaŭmo el la kilakvo kaj tio daŭris iom da tempo, antaŭ ol ŝi vidis ĉirkaŭen.

— He, Jim ! — ŝi tiel laŭte elvokis, ke tio estis aŭdebla super la bruo de la motoro, — vi iras tro malproksimen —

Tie kuŝas la « Susie Lee » jam tute malantaŭ ni ! Vi devos iri returnen !

Shore haltigis la maŝinon kaj turnis sin al la juna virineto.

— Ni ne iras al la « Susie Lee » — trankvile li diris, kun flamantaj okuloj. Mi estas luinta ĉi-tiun boateton intence.

Ŝi entenis la spiradon, la koloro forlasis ŝian vizaĝon kaj ŝiaj lipoj tremetis. Ŝi jam sciis, ke li treege amas ŝin. Pli kaj pli li alproksimiĝis ŝin, klinis sin trans ŝi kaj prenis ŝiajn manojn en la siaj.

— Rita, mi kunprenos vin al Japanujo... sciigis li.

— Japanujo ? — Ŝi ripetis tiun vorton, efektive sen pripenso. Ŝajnis, kvazaŭ ŝia cerbo tute estis malsprita. Ŝi konfuziĝis. Tio ne estis tial ke li amis ŝin, ĉar tion ŝi sciis, sed ke li faris tiun-ĉi planon sen ŝia konsento. Subite ŝi konsciis, ke tiu okazintaĵo al ŝi tute ne malplaĉas. Li kapjesis, dum li tenis ŝiajn manojn ankoraŭ ĉiam en la siaj.

— Rita, mi amas vin multe pli ol io alia sur la tero ! Mi estas parolinta la Kapitanon de tiu ŝipo, tiu granda ŝipo al la dekstra flanko, ĉu vi ĝin vidas ? Ĝi estas la « Mohawk ». Sur ĝin ni iru. Ĝi veturas al Japanujo. Oni bezonas boatestron kaj mi jam estas dungita. Ankaŭ pasaĝerojn ĝi havas surborde. Vi akompanas min kiel mia edzino, Rita.

— Jim ! — balbutis Rita.

Ŝi tremis, sed baldaŭ revenis la koloro sur ŝiaj vangoj. Kaj subite li ŝin kisis..., la unuan fojon. Ĉi-tiu kiso tremadetis en ŝi je stranga emocio. La Kapitano neniam kisis ŝin tiel.

Jes, Jim Shore adoris ŝin ! Fortege ŝi tenis lin en siaj brakoj. Ili estis tute solaj en tiu senlima, varmega maro, kaj la kvieta ondado de la boato ŝajne ŝin lulis en dormo.

— Rita,karulino, ĉu vi amas min ? — mallaŭte li demandis.

— Ho, Jim, la ŝarkoj ! — ekktriis ŝi tuj, forpuŝanta lin. Vidu... baldaŭ... ŝarkoj!!! !

Li forrapidis kaj prenis la direktradon. Tuj apud ilia boateto, al ambaŭaj flankoj, estis grandaj, grizaj, ombroj, rapide, silente ne forirantaj... Brrr... Rita pensis, ke ŝi povis vidi tiujn malgrandajn, akrevidantajn okuletojn. Unu bato per tia grandega vosto kaj ilia boateto estos renversita !

— Ho, Jim, mi estas timema ! — ekkriis ŝi.

Ŝajnis kvazaŭ Shore ne aŭdis ŝin. Li batalis kun la maŝino. Ĝi ne plu funkciis, grave difekta. Li ŝvitis malvarme.

— Ho ve, unu rigardas al mi, ekĝemis Rita. O, Jim ! helpu, rapidu !

Se ŝi ankoraŭ eventuale estis sentanta heziton pri tiu granda irado al nekonata ŝipego, nun ŝi sopiregis baldaŭ esti alvenanta tie, por ke ĝi sendanĝere povu surgrimpi la ŝtuparon, kiu troviĝas laŭlonge la ŝipo. Ŝarkoj ! Ŝi estis terure timema je ĉi-tiuj bestoj, tiuj hommanĝantaj monstroj.

— Rapidigu vi ! — Ŝi plorĝemis. Jim, jen denove venas unu ! Mi vidas langan grizan ombron en la akvo. Ho, Jim !

Nun li ŝin aŭdis. Li laboris kiel frenezulo al la maŝino. Pro rapideco dum la luo de l'boato li ne havis tempon bone inspekti ĝin. Pro tio oni lin trompis. La boateto inerte balanciĝis sur la ondegoj.

Nun Rita komprenis ke la maŝino ne plu funkcias kaj la timego plifortiĝis je tiu momento. Ŝi rigardis Shore per grandaj okuloj.

— Jim, ĉu estas... la maŝino ? ŝi demandis time.

Li konfesis tion.

— Ili frakasos nian boaton ! ŝi mallaŭte diris. Ili estas sekvantaj nin regule. Denove li kapjesis, ne rigardanta ŝin.

— Jes, li diris grimacante... unu por ni persone...

* * *

Homoj, kiuj amas unu la alian, fariĝas, kiam ili troviĝas vizaĝo-al-vizaĝo apud la morto, multe unuiĝantaj, sed dum danĝero inter ŝarkoj ne estas eble demonstracii multon pri sentimentoj.

— Ili ne estas samkoloraj ! — diris Rita kun senpripensa tono. Kian koloron vi preferas Jim, la malhelan aŭ la helgrizan ? Shore silentis. Nun li certe sciis, ke la maŝino ne plu funkcios. Tiam li rigardis per taksanta okulo tra la maro. La ambaŭ ŝipoj estis tiel malproksimaj de ili, ke ili neniam estos rimarkataj.

Al ambaŭ flankoj de la boato ili vidis leviĝantajn naĝilojn.

Shore vidis al la kilakvo kaj jen pli da ŝarkoj... Ili flaras freŝan viandon !... La sango forfluis el sia vizaĝo. Rita rigardis lin kaj ĉiam pli nervema fariĝis la spirado. Iam ŝi vidis ke Kapitano Brand estis direktanta sian ŝipon, kiam tuj en la proksimeco ekaperis glacimonto. Li ne montris tiel multe da timo kiel nun tiu juna viro. Ne, ke tio-ĉi estas tre grava, sed la okazo kun tiuj ŝarkoj ĉirkaŭ si... Nur ŝi konkludis ke Shore en tiu-ĉi danĝera momento, povus esti montrinta iom pli da kuraĝo.

— Mi ne volas esti formanĝata ! ŝi tiam diris. Jim, kial vi nenion faras ? Malrapide li turnis la vizaĝon al ŝi. Momente venis io alia ol timo en ŝiaj okuloj.

— Rita, karulino — diris li — se mi saltas ekster la boaton, ili formanĝos min kaj tiam vi estos sendanĝera ĝis kiam unu el la ŝipoj rimarkas nian boateton.

— Sensencaĵo ! ŝi elvokis — ĉu vi pensas ke unu homo estos sufiĉe por satigi la stomakojn de tiuj ŝarkoj !

— Karulino — ĝemis Shore — mi ne povas pripensi ke mi vin altiris en ĉi-tiun okazon ! Se la ŝipobservisto de la « Susie Lee » nin nur vidus !

— Mi kredas, ke vi ne deziras reiri al la « Susie Lee » ? — diris Rita sarkasme. Tiam ŝi premis la ungojn en la

lignon de la boato, por ne eligi krion. Al la maldekstra flanko denove vidiĝis naĝilo nigra... la boato balancis... preskaŭ renversis... kaj akvo penetris...

Rita ekkriadis kaj forte ekpremis Shore al la korpo.

— Savu min. Jim, savu min!

Li klopodis konsoli ŝin. Oni certe vidos nin baldaŭ — li respondis — se ni ion havus por fari signojn.

Rita tre serĉis la kunprenintajn paketojn.

— Kredeble tiu-ĉi sunombrelo... — diris ŝi komencante malfermi paketon. Tio ne helpos — diris Shore melankolie — Tion oni neniam vidos. Ni devas havi ion blankan, kiu kontrastas je la maro.

— Turnu vin ! — ordonis Rita. — Mi donos mian jupeton. Ĝi estas sufiĉe blanka, ĉu ne ?

— Jes sed... Li turnis sin rapide por rigardi ŝarkon, kiu naĝis sub la boato kaj supreniris aliflanke, longa, griza ombro. Nun ni certe estos renversitaj ! tremete li pensis. Ne estas agrable morti tiamaniere, en tiel granda ŝarkbuŝo !

— Mi kredas ke ili neniam prenas pli ol unu kruron ! murmuris li ree. Rita pusegis lin en la dorso.

Ligu mian jupon al la pluvombrelo kaj svingu per ĝi ! ŝi ordonis. Shore baldaŭ obeis. Li tiam svingis malespere, en la direkto de la « Susie-Lee ».

— Almenaŭ, se Ellis ne dormas, li devas nin vidi ! — diris li, sed li sciis, ke Ellis nun ne estas la observanto, tial ke la ŝipo nun estas ankrita. Terura antaŭsento regis en li, ke li neniam plu vidos la ŝipon.

Tuj en tiu momento ekkrio de ŝi interrompis lian malgajan mediton.

— Jim, malhelpiĝas !

* * *

Nenion li diris, sed nur komprenis la situacion pli bone. Doloriga, sentebla silento nur regis en la boato. La alfluo fornaĝigis la boaton kaj la ŝarkoj sekvis inerte.

Tiuj estis certaj pri sia kaptaĵo, pensis Rita, kies okuloj ankoraŭ ĉiam migris al la longaj formoj. Ŝi nur deziris ke ili ne estu tiel longaj, grizaj formoj, kiel ombroj, ĉar pli volonte ŝi vidus ilin en pli vivantaj koloroj, kiuj estus pli bonvideblaj de granda distanco. Nun ili haltigas la sangon en la vejnoj pro la terura spionado.

Meditante ili rigardis en la akvon. Nun tio ne plu estas verdkolora, sed malserena kiel tiuj monstroj... Malrapide aperis nebulo super la maro. La lampoj de la « Susie Lee » ŝajnas esti nun multe pli malproksimaj ol antaŭe. Dekstreflanke ŝi vidis la lampojn de la « Mohawk ». Ili mem havas nek lampon nek trinkakvon en la boateto.

Malheliĝas murmuris Rita. Jim, ĉu ni devas resti naĝantaj tiel sur la maro ? Li kapjesis : — se almenaŭ la ŝarkoj ne batas renverse nian boaton.

Ŝi iĝis kolera. — Kial vi nenion faras, por ilin forpeli ? — ŝi ekkriis. Vi estas viro !

Shore mordis siajn lipojn. Li ŝin amas, sed nun li emis malbeni ŝin. Kion homo povas fari kontraŭ ŝarkoj ?

Nun malheliĝis tiel ke ili ne povis vidi ŝiajn vizaĝojn.

— Rita — sonis la voĉo de Shore el mallumo, — mi preferus perdi mian dekstran manon, ol altiri vin en tiun mizeron.

— Mi pensas ke baldaŭ unu aŭ alia ŝarko ankaŭ prenos vian maldekstran manon — ŝi respondis.

— Rita, mi tion faris, tial ke mi vin multe amas — Rita, ĉu vi amas min ? Mi ja devas esti treege amanta viro por formanĝigi min de ŝarkoj — kriegis li...

Denove silento regis, ankoraŭ pli dolora ol antaŭe... Tiam... tuj ekbalancis la boateto, kiel nuksŝelo.

— Kio estas tio ? ŝi ekkriegis.

— Kio alia ol ŝarko ? demandis Shore.

Rita kaŝis ŝian vizaĝon en la kusenoj. Ŝi ploris kaj ŝi ne volis ke li tion rimarku. Estis tropika vespero, sed ŝi tremis.

— Ho, nun mi devas morti ! ŝi plendis... morti... ! Kaj via hulpo estas, Jim !

Li alproksimiĝis, sed ŝi aŭdis liajn protestojn sen bedaŭro kaj sen amo. Seniluziiĝante ŝi rigardis en la maron. Ŝajnis al ŝi, kvazaŭ ĝi havas malfermitan buŝegon !

— Oni rimarkos nian foreston ! diris ŝi kun duba espero.. Mia edzo serĉos min.

Mi neniam permesos ke li vin deprenu de mi ! — klarigis Shore solene. Rita tremetadis. Ŝi supozis ke ŝi denove estas vidanta naĝilon. Tie-ĉi devas esti miloj da ŝarkoj ! ...

* * *

Tiam, subite, brilega lumradio estis direktita sur ilin.

— Ho, kio estas tio ? — elvokis Rita.

Estas serĉlumo. Kapitano Brand estas serĉanta min Ne estu timema, Rita !

— Timema ! ĝemis ŝi. En ekstazo ŝi rigardis en la lumradion. Rita bone aŭskultis kaj tiam ŝi eligis ĝojkrion. Ŝi aŭdis remilbruon.

— Ho, Jim, la boato, — kriis ŝi kaj eksaltis, premante al si la kusenojn.

— Jim, turnu vin kaj redonu al mi la sunombrelon. Mi deziras remeti mian jupeton !

— Ĝi falis en la akvon Rita, ĉar la sunombrelo elglitis el mia mano.

— Do mi devas reiri tiel al la ŝipo ! ŝi kriis koleriĝante. Li restis silenta.

Tiam ili aŭdis voĉon vokanta ilin. La voĉo de Ellis.

— Ho Ellis — elvokis Rita — venu baldaŭ. La ŝarkoj!

— Jes, sinjorino, tie-ĉi ili estas multaj — respondis Ellis.

— Kiel vi venis en tiun direkton, Shore ?

— Maŝindifekto ! respondis Shore indiferente.

— Jes, tion jam pensis la Kapitano — Ellis respondis.

— Ellis — diris Rita — ĉu vi eble havas por mi litkovrilon ?

— Litkovrilon mi ne havas, sed mi jen havas oleitan surtuton — jen ĝi estas, sinjorino.

— Ni estis uzintaj mian jupon por ke ni povu doni signalojn — klarigis Rita dum ŝi transiris en la boaton kovrita per la surtuto, kiu estis tro granda por ŝi.

— Ni tiros vian boaton kaj vi restos en ĝi, Shore — diris Ellis. Tiu-ĉi boato jam estas sufiĉe plena. Jen ŝnuro.

Rita, sidanta en la savboato ne plu rigardis al Shore.

Per fortbatanta koro ŝi vidis alproksimiĝi la « Susie Lee ». Ŝi estis timema, sed nun ne pro la ŝarkoj tiun-ĉi fojon. Ŝi revenis al sia edzo, kaj Shore estis kisinta ŝin !... Ŝi sentis bruli siajn vangojn pro honto. Kion ŝi povas diri ? Kion ŝi povas fari ? Kion ŝi povas respondi je la demandoj kiujn ŝia edzo rajtas fari ?

Nun la unuan fojon ŝi efektive pli bone vidis sian edzon : granda, silenta, severa, sed tamen sufiĉe zorgema por ŝi. Ho, kion ŝi estis farinta ? Fortaj manoj helpis Riton surborde de la granda ŝipo. Ŝi vidis tie staranta la grandan Kapitanon. Ŝi staris antaŭ li, absurda figureto en tiu granda surtuto. Estis varmega vespero kaj tamen ŝiaj dentoj batis.

— Ho, Rita, — diris la Kapitano afable ridanta — en tutbona stato ? — li adonis zorgtone.

— Kie estas la idioto Shore, kiu ne povis atendi ĝis kiam mi estis preta, kaj vin kunportis en tiun malgrandan boateton ?

Rita ĝemis pro gajeco ! Li do sciis nenion ? Li estis afabla, zorgema... ! Per tremantaj kruroj, sed neelparoleblaj sento kaj feliĉo, ŝi malsupreniris al la kajuto, sekvata de sia edzo kaj Ellis. La Kapitano batetis ŝin sur la ŝultroj. Kial vi tiel tremadas ?

— Mi estas ĝoja, ke mi denove ĉe vi estas sendanĝere! Kortuŝe ŝi ridis.

— Vi bezonas tason da varma kafo. He, Jakobson, — vokis li ekstere al la servisto. Portu tuj al ŝi tason da varma kafo. Ŝi estas tute konfuza !

Tuj poste kaj ne klarigeble ŝi ekkriis lernejknabine.

— Ŝarkoj ! ŝi diris strangtone.

— Ŝarkoj ! Ili maltrafis la nuran ŝancon min kapti.

La grandega Kapitano ankaŭ ridis, sed estis malhela rebrilo en liaj okuloj. Li pensis al la viktimo, kiun la ŝarkoj *tamen* akiros, sed restos sekreto por Rita dum ŝia tuta vivo, ke Ellis pro ordono de la Kapitano, post kelkaj metroj da tirado de l'boateto kun Shore en ĝi, tranĉis la tirŝnuron...

---

# TRA LA LIBRARO

**Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko « Novaj libroj ». Sub titolo: « Tra la libraro » aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.**

---

*Literaturo. — Vortaroj. — Propagandiloj. — Muziko. — Scienco. — Literaturo. — Fakaj, instruaj, diversaj presaĵoj.*

La angla verkisto, Sir Rider Haggard, kiu mortis en 1925, estas ne nur tre ŝatata romanverkisto en la angloparolantaj landoj, sed tradukoj el multaj liaj libroj ĉien vastigis lian famon. Mi persone bone memoras, kiel streĉe, estante tiam knabo, mi sekvis, en ĵus aperanta franca traduko, la mirindajn aventurojn rakontitajn en « La minejoj de reĝo Salomono », kiu estis la unua sukceso de la aŭtoro. La imagemo, la eltrovemo, la vervo de Rider Haggard, kiel ankaŭ liaj oftaj vojaĝoj tra la tuta Brita Imperio, tre servis lin en la verkado de longa serio da historiaj, aventuraj, ekzotikaj, sensaciaj romanoj. Kelkaj el ili temas pri antikva Egiptujo kaj interalie tiu : Luno de Izrael, kiun esperantigis Sinjoroj Payson kaj Butler kun permeso de la aŭtoro. Post la neforgesebla Faraono de Prus, tradukita de Kabe, post la interesa Pro Iŝtar, originale verkita de Luyken, jen nova bildo, kie revivas antaŭ ni la malnovega civilizado. Interese estas ekscii, ke pri alia similtema romano, la mondkonata arkeologo G. Maspero konfesis, ke en ĝi speguliĝas la interna spirito de la antikvaj egiptoj ; ke la franca historiisto, tiam direktoro de la Muzeo en Kairo, diskutis kun la verkanto la planon de la rakonto : Luno de Izrael, kaj estis akceptinta, ke tiu volumo estu al li dediĉita ; tio tamen neebliĝis pro la morto de Maspero okazinta inter la verkado kaj la eldono. Neeble rakonti la ampleksan romanon, kun la rivaleco de l'du heredontoj al la faraona krono, kaj la lukto inter du popoloj, du religioj, du dioj, ĉar estas la tempo de la biblia Eliro, kiun romanece priskribas la aŭtoro. La valoro de l'verko, ĝia granda intereso, estas ekster diskuto ; krom maloftaj neglataĵoj, la tre bona traduko permesas varme rekomendi tiun belan volumon. Povu nia legantaro profiti la maloftaĵon al ĝi prezentatan kaj niaj bibliotekoj ofte riĉiĝi per tiaj veraj libroj.

---

La *Novaj Bulgaraj Rakontoj*, de Ivan Vasov, estas interesa kolekto kun rakontoj, kie aperas sinsekve kompatindaj mizeruloj aŭ apartaj tipoj spirite mokataj. La titolo memorigas, ke unua serio de la sama verkisto aperis en la Esperanta biblioteko Internacia, kies kajeroj estis ĉiam trafe elektitaj. La nova libreto, kun silueto de la aŭtoro, ankaŭ tre plaĉas laŭ enhavo kaj korekta traduko.

---

La firmo Rudolf Mosse ĵus eldonis poŝvortaron por Germanoj, kun tre praktika formato kaj tolbindo, kaj kies riĉa enhavo surprizas kompare kun la malgrandeco de l'volumo. Presita po tri kolonoj sur ĉiu paĝo, la aranĝo kaj preso estas tre taŭgaj. En la parto Esperanta-Germana, la deveno de neoficialigitaj radikoj estas montrata. Tiun vortaron, speciale destinitan por lernantoj kaj por ili tute

rekomendinda, pretigis Sinjoroj Christaller kaj Böbs. Sed tiom prilaborita, ĉu ĝi rajtas ankoraŭ je la titolo « D-ro Zamenhof's Taschenwörterbuch » kun kiu ĝi aperas ?

---

Ne malpli praktika estas la kolekto : *500 komercaj frazoj*, tradukitaj de S-ro Robert Kreuz kaj aranĝitaj en ok difintemaj ĉapitroj kaj eldonita de l'vaste konata firmo Violet, en Stuttgart, specialisto por praktikaj lerniloj ĉiulingvaj. La teksto bone presita estas nur esperanta, do ĉie uzebla. La ekzisto de paralel-eldonoj kun sama numerado en angla, franca, germana kaj hispanaj lingvoj, eble baldaŭ en aliaj, kiel ankaŭ en la sama kolekto, en naŭ lingvoj havebla de la libreto : 50 modelaj leteroj, estigas plenan bonegan gvidilon for komerca korespondado.

---

Por ĉiu jara kongreso de Germanaj Esperantistoj aperas sub titolo *Das Esperanto ein Kulturfaktor,* libro, kiu estas samtempe memoraĵo, propagandilo por neesperantistoj kaj instruilo por samideanoj. La 8-a volumo estis pretigita okaze de la renkonto en Potsdam, je Pentekosto 1928, kaj la diversaj kunlaborintoj celis liveri ĉiujn fontojn pri la oficialaj dekretoj aŭ permesoj por Esperanto, ĉu en instruado, ĉu en servoj de Ligo de Nacioj, Fervojoj, Poŝto, Polico, Radio. Valora dokumentaro estis tiel kunigita. Du el la apartaj studoj : Tiu de D-ro Trögel pri *Esperanto und Kultur,* kie nia lingvo estas ekzamenata kiel lingva problemo, kiel ebla konkuranto al nacia lingvo, kiel ilo por homara progreso ; kaj tiu de D-ro Döhler pri *Esperanto kaj Radio,* kun historia enkonduko, tekstoj de rezolucioj, listo de Radio-stacioj jam uzintaj Esperanton, de fakaj gazetoj kaj vortaroj, estas aparte riceveblaj ; ili estas bonegaj nuntempaj propagandiloj, kiuj meritas larĝan disvendiĝon, la unua en Germanaj rondoj, la dua, ĉar esperante verkita, en ĉiuj landoj.

Ĝuste dum mi legis la broŝuron *Ĉu estas ebla kaj necesa internacia lingvo,* alvenis, la informo, ke mortis en Oslo, kie li ĉeestis konferecon, la aŭtoro D-ro Ivan D. Ŝiŝmanov. konata bulgara scienculo, eksministro de Publika Instruado. Kiam ofte literaturistoj malŝatas nian movadon, estas despli interese ekscii, ke profesoro de literaturo faris tiel bonan paroladon pri la internacia helplingvo ĉe la Sofia universitato. Tiun prelegon oni tradukis, ĉar, kvankam verkita en 1912, ĝi estas ankoraŭ trafa rezonado ; ĉiam instrua estas la ekzemplo de filologo, kiu unue instinkte kontraŭas al artefarita lingvo, sed poste konvinkiĝas pri ĝia ebleco kaj neceseco. Certe varbitoj, kiel kontraŭulo aŭ indiferentoj, trovos en tiu konvinkiga pledado, bone tradukita, pripensigajn argumentojn.

---

La Brazila Ligo publikigas portugallingve kompilaĵon de sia sekretario, inĝeniero Luiz Porto Neto, pri la lastaj progresoj de Esperanto en diversaj landoj kaj fakoj : lernejoj, telegrafo, fervojoj, scienco, literaturo, komerco, kaj internaciaj kongresoj. Konvinka multinforma propagandilo.

Per Araba literaro, la Grupo en Port-Said eldonas propagandan flugfolion.

La *Statistiko por la jaro 1927* (antaŭparolo, membrolisto, okazintaj kursoj, regularo) de la Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj pruvas viglan laboron kaj ŝatindajn sukcesojn.

*Per Kvin Vivokantetoj,* Nederlanda poetino kaj Germana komponisto pligrandigis la provizon de kantoj kapablaj plezurigi ĉe esperantistaj kunvenoj kaj festoj. La paroloj estas spiritaj, la arioj viglaj sed sufiĉe simplaj por ke ĉiu ĝuu ilin, kaj la akompano por fortepiano estas melodia sen malfacilaĵoj. Post kvar amuzaj kanzonoj, la mallonga « Majstro » estas pli noble serioza. Ni ne dubas, ke lertaj gekantistoj agrable aplaŭdigos tiujn novajn muzikaĵojn de ĉarmitaj aŭdantaroj.

---

La prisciencaj verkoj, kun vera instrua valoro, sed tamen ne tiel specialaj, ke nur fakuloj povas kompreni ilin, ne estas ankoraŭ tre multaj en Esperanto. Inter ili estos certe vicigata : *Pri la Origino de l'homo,* parolado farita de Sir Arthur Keith, ĉe la Brita Asocio por la antaŭenigo de Scienco, kompletigita de kelkaj revuartikoloj. La sintenado de nuntempaj scienculoj pri Darwinismo estas kiel klare montrata, kaj la novaj pruvoj akiritaj post Darwin pri besta kaj homa evoluo konsiderataj. Ĉar eĉ en serioza verko la angla humoro eniĝas, oni rimarkos spiritajn komparojn. Tiu interperfektigo de l'aŭtomobilo kaj perfektiĝo de l'homa speco : ĉe la unua, la natura elektado ankaŭ efikis, ĉar kompreneble la aĉetantoj preferis la maŝinojn fortikajn kaj rapidajn ; aliflanke la seksa elektado alportis la plibeligon, ĉar la edzinoj de l'aĉetantoj postulis elegantajn belaspektajn veturilojn. Kaj dua en la ĉapitro pri : Kapitalo kiel Faktoro en Evolucio, komparo inter la historia disvolviĝo de l'popola ŝparemo kun la sinsekvaj sistemoj per kiuj bestpatrinoj provizas nutron por siaj idoj. Sed oni ne opiniu, ke nur el tiaj originalaj ideoj konsistas la verko ; ĝi krome estas riĉa je interesegaj faktoj, je pripensigaj deduktoj.

Jam kelkaj sciencaj revuoj aldonis esperantajn resumojn de siaj ĉefaj artikoloj. En publikigaĵo de *Instituto por fizikaj kaj ĥemiaj serĉadoj,* en Tokio, la tri originalaj studoj de J. Sakurada pri la sapiĝo de celulozesteroj kaj de celulozacetato, kun tabeloj kaj grafikoj, estas verkitaj esperante, kaj nur la antaŭparolo resumas ilin germanlingve. Ni esperu, ke tiuj novaj sciencaj presaĵoj estos baldaŭ ĉie preferataj, ĉar ĉies uzeblaj.

---

Apero de novelo de Strindberg en Esperanto estas notindaĵo. *La konscienco riproĉas* estas romaneca rakonto sed verkita kun intenco pacifisma; la celo do proksimiĝas al ideoj ĝenerale akceptatej de l'esperantistoj. Dum la milito franca-germana en 1870, sciencisto, prusa oficiro, estas devigata mortpafigi tri neregulajn soldatojn francajn ; liaj konsciencriproĉoj lin frenezigas ; li estas kuracata en Svislando, kie li ne nur fine resaniĝas, sed samtempe konscias, ke lia iama patriotismo cedas al pli nobla tuthomara sento. La tuta novelo ruze elvokas en nia spirito diversajn kulturproblemojn kaj la varieco de l'epizodoj plaĵas al la legantaro. Krom kelkaj eraretoj, la traduko estas laŭdinda.

---

Nia ICK daŭrigas la kolekton : Dokumentaro aperigante la raporton pri *la Deknaŭa Universala Kongreso de Esperanto.* Zorge kompilita, ĝi enhavas detalan protokolon de la kunvenoj en Danzig kaj la jaraj raportoj de niaj oficialaj institucioj, kies legado tre taŭge informas pri la nuna stato de nia movado. En la raportaro de L. K., la gramatikemuloj interese legos la studon de D-ro Lippmann

pri unu malfacilaĵeto de nia lingvo, la demando pri adjektivo atributa aŭ predikata.

—

*La alta idealo,* broŝureto, kiu estas la unua numero de nova kolekto : Biblioteko Nova Kulturo, eldonita en Bulgarujo, prezentas la konsilojn de nova apostolo Petr Danov por altigi la spiriton ; ĝi estas instrue farita de la majstro al siaj disĉiploj, speco de laika prediko. Du antaŭparoloj kaj portreto konigas al ni la vizaĝon kaj la celon de nuntempa animkondukisto.

—

*Bahaaj pruvoj de vivo post morto* ankaŭ enhavas altidealan moralon ; ĝi asertas nepran sendependecon de spirito kaj korpo, laŭ kio, morto de l'dua permesas al unua aliĝi al nova mondo ; sed por skeptika leganto tamen la anoncitaj pruvoj mankas.

Sveda vizitinto en Sovet-Unio, S-ro Einer Adamson raportas pri siaj impresoj en broŝuro: *Sub ruĝaj standardoj.* Riĉa kolekto da ilustraĵoj taŭge kompletigas la tekston ; ĉi tiu estas tre favora al la nova rusa reĝimo kaj la aŭtoro ne kaŝas sian partiecon, dirante mem, ke ties malbonajn flankojn la burĝaj gazetoj sufiĉe konigis ; ni do ne miru, ke el la travivaĵoj, nur la bonaj estis kribritaj kaj liveritaj. Cetere la aŭtoro per personaj rilatoj kun multaj samideanoj povis ricevi detalajn informojn tre interesajn pri multaj aranĝoj.

Sub titolo : *Esperanto-Eesti Sonastik* (Esperanto Estona Vortaro) aperis unu el la plej detala esperanta-nacilingva vortaro ; ne nur ĉiuj oficialaj radikoj, kun signo pri ilia fonto, enestas, sed multaj kunmetitaj vortoj kaj abundo da sciencaj terminoj. Ĝi estis pretigita de Vortara Komisiono, konsistanta el lertaj estonaj samideanoj, kiuj profite kompilis ĉiujn ĝisnunajn vortarojn.

—

*Ŝanĝadlibro de l'Internacia Ligo* estas kvarlingva (germana, angla, franca, esperanta) listo da frazoj utilaj por kolektantoj de poŝtmarkoj kaj poŝtkortoj ; ĉiu frazo estas signita de speciala vorteto ; uzante tiun kodon, oni ŝparas en korespondado lokon, laboron kaj eĉ monon.

Por parolantoj de la portugala lingvo, Brazila Ligo eldonis libreton, kun tradukekzercoj kaj vortareto, uzota kun la gramatiko de A. Conto Fernandes kaj H. Motta endes.

—

Reaperis sub zorgo de l'ICK, la ŝlosilo por Norvegoj : *Nokkel til Esperanto,* kompletigita, kiel la novaj alilingvaj eldonoj, per komerca terminaro. Kunigita en alia eldonaĵo kun vortaro Norvega-Esperanta, ĝi formas tre praktikan lernolibreton : *Esperanto Grammatikk og ordlister Esperanto-Norsk og Norsk-Esperanto.*

Tre certe tiuj vortaretoj nacilingvaj-esperantoj, en sama formato kiel la ŝlosiloj, aparte eldonitaj aŭ kunigitaj kun ili, trovus multajn ŝatantojn. Unu tia ĵus aperis por la angla lingvo sub titolo English-Esperanto Vocabulary.

G. S.

# Novaj libroj

*Esperanto, 500 komercaj frazoj,* de Robert Kreuz, L. K. Gvidiloj por komerca korespondado de Violet, N-ro 16. Verlag von Wilhelm Violet, Stuttgart, Germanlando. 32 paĝoj, 12 1/2 × 18 cm. Prezo : 1. — sv. fr.

*Das Esperanto, ein Kulturfaktor,* Band 8. Festschrift anlässlich des 17. Deutschen Esperanto-Kongresses. Potsdam-Pfingsten 1928. Deutscher Esperanto-Bund E. V. Berlin. S. W., 61, Johanniterstrasse, 9. 136 paĝoj, 14 1/2 × 22 cm. Prezo: 2,30 Germ. mk.

*Esperanto und Kultur.* Individuum, Volk, Menschheit. D-ro Phil. Robert Trögel, Dresden. Sonderdruck aus « Das Esperanto, ein Kulturfaktor, Band 8 ». (Sama adreso kiel la antaŭa). 30 paĝoj, 14 1/2 × 22 cm. Prezo : 0,30 Germ. mk.

*Esperanto kaj Radio,* de D-ro Walter Döhler, Riesa. Represo el « Das Esperanto, ein Kulturfaktor », Band 8. (Sama adreso kiel la antaŭa). 40 paĝoj, 14 1/2 × 22 cm. Prezo : 0,50 Germ. mk.

*Novaj Bulgaraj Rakontoj. I.,* Ivan Vazov. Tradukis Georgi Atanasov. Eldonas « Centra Librejo Esperanto », Sofia. 1928. 62 paĝoj, 12 1/2 × 17 cm. Prezo : 1. — sv. fr.

*D-ro Samenhof's Taschenwörterbuch.* Deutsch-Esperanto und Esperanto-Deutsch. 1928. 4. Auflage, Vollständig neu bearbeitet von P-ro Paul Christaller und Lehrer Hermann Böbs. Rudolf Mosse, Esperanto-Abteilung. Berlin S. W. 19, Jerusalemerstrasse, 46-49. 120 paĝoj, 10 1/2 × 16 cm. Prezo : 1,80 Germ. mk.

*Luno de Izrael.* Rakonto pri la Eliro. Verkis Sir H. Rider Haggard. Tradukis Edward S. Payson kaj Montagu C. Butler. 1928. The Esperanto Publishing Company Ltd., 142, High Holborn, London W. C. 1. 200 paĝoj, 12 1/2 × 18 1/2 cm. Prezo : broŝ. 3 ŝ. 6p. (afranko : 4p.) bind. 5 ŝ (afranko : 5p.).

*Ĉu estas ebla kaj necesa helplingvo.* D-ro Ivan D. Siçmanov. Tradukis el Bulgara lingvo Atanas D. Atanasov. Eldono de Bulgara Esperantista Asocio. Sofia. 1928.. 28 paĝoj, 12 × 15 1/2 cm. Prezo : 0,50 sv. fr.

*Esperanto-Grupo de Port-Said.* Araba flugfolio sub aŭspicioj de ICK. en Ĝenevo. 8 paĝoj, 11 × 15 cm. Prezo nemontrita.

*Esperanto.* As principaes conquistas mais recentes do idioma auxiliar internacional. Luis Porto Carreiro Neto, sekretario de B.L.E. Brazila Ligo Esperantista. Rio de Janeiro. 30 paĝoj, 16 × 23 cm. Prezo nemontrita.

*Statistik für das Jahr 1927.* Statistiko por la jaro 1927. Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj (Sekcio de la Saksa Geinstruista Unuiĝo). 16 paĝoj, 16 × 24 1/2 cm. Prezo nemontrita.

*Kvin Vivokantetoj.* (1. Se la homo... 2. La flirtemulo. 3. Knabino. 4. Surprizo. 5. Majstro.) Tekstoj originale verkitaj de Chatarina J. Roskes-Dirksen, muziko de H. Windisch-Sartowky. Havebla ĉe la verkintino, Anemoonstrato, 96, Hago, Nederlando, aŭ ĉe la komponisto, Lindenstrasse, 35b, Berlin-Niederschönhausen, Germanujo, 12 paĝoj, 27 × 35 cm. Prezo : 0,90 Fl.

*Deknaŭa Universala Kongreso de Esperanto.* Dantzig, 28-Julio-4 Aŭgusto 1927. Esperantista Dukumentaro. 1927. Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 12, boulevard du Théâtre, Genève. 110 paĝoj, 16 1/2 × 24 1/2 cm. Prezo : Frk. sv. 2,50.

*Scientific Papers of the Institute of Physical and Chemical Research,* N-ro 132-134. Komagone Hongo, Tokyo. Febr. 1928. Meĥanismo de sapiĝo de celulozesteroj de altaj fatacidoj. I. Sakurada. Sapiĝo de celulozacetato per alkalio. I. Sakurada. Pri sapiĝo de celulozacetato dum la hidratigo. I. Sakurada. 44 paĝoj, 19 1/2 × 26 1/2 cm. Prezo nemontrita.

*Esperanto-Esti Sonastik.* Vo-Ko. Tallinna 1927. Pealadu Mart Tamverk kaj Pojad, Haapsalus. 240 paĝoj, 11 1/2 × 18 1/2 cm. Prezo nemontrita.

*Sub ruĝaj standardoj.* Impresoj kaj travivaĵoj en Sovet-Unio. Einar Adamson. (Kun multaj ilustraĵoj.) Eldonejo : Sveda Esperanta Oficejo, Box 73, Göteborg, Svedujo. 40 paĝoj, 16 1/2 × 23 cm. Prezo : 3 respondkuponoj.

*Pri la origino de l'homo,* de P-ro Sir Arthur Keith. Tradukis P-ro W. M. Brown kaj F. R. A. Mc Cormick. 1928. The Esperanto Publishing Co. 142, High Holborn, W. C. I. London. 64 paĝoj, 12 1/2 × 18 1/2 cm. Prezo : broŝ. 1 ŝ. 9p. (afr. 2p.). bind. 2 ŝ. 6p. (afr. 3p.).

*La konscienco riproĉas.* August Strindberg. El la sveda lingvo esperantigis G. G. Backman. 1928. Eldonejo G. H. Backman. Ramlösa Brun. Svedujo. 60 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo nemontrita.

*La alta idealo.* Petr. Danov. Esperantigis Dian. Biblioteko Nova Kulturo, 1-a jaro. N-ro 1. Atanas Nikolov, str. Car. Iv. Ŝisman, 19, Burgas-Bulgarujo. 1928. 24 paĝoj, 12 1/2 × 19 1/2 cm. Prezo: 1 N-ro 0,40 sv. fr. Jarabono, 10 numeroj: 40 levoj (3 sv. fr.).

*Bahaaj pruvoj de vivo post morto,* de Martha L. Root. 1928. Bahaa-Esperanta Eldonejo. Wandsbek, Germanujo. Poŝtfako 8. 8 paĝoj, 15 1/2 × 23 cm. Prezo nemontrita.

*Adresaro 1928-29.* Sudokcidentgermana Esperanto-Ligo (S. O. L.) Oficejo Wirsbaden. 20 paĝoj, 10 1/2 × 15 cm. Prezo: 0,35 R.mk. (fremd.: 2 respondk.)

*Tausch-Code des « Internacia Ligo ».* Verfasst und herausgegeben, von Paul A. Artemjev. Ferdinand Blecher, Hamburg, 6, Schäferkampsallee, 52. 48 pagoj, 11 × 16 1/2 cm. Prezo nemontrita.

*Esperanto.* Lingua internacional auxiliar. Exercicios adaptados a Grammatica elementar de A. Conto Fernandes e H. Motta Mendes. Ediçao da Brazila Ligo Esperantista, Rio de Janeiro, Brazil. 36 paĝoj, 11 × 16 cm. Prezo ne montrita.

*Esperanto.* Grammatikk og ordlister Esperanto-Norsk og Nork-Esperanto. Arbeidernes Bog or Papirhandel, Folkets Hus, Oslo. 64 paĝoj, 8 × 11 cm. Prezo : 50 oeroj.

*Nokkel til Esperanto.* (Norvega ŝlosilo). (Sama adreso kiel la antaŭa libreto). 32 paĝoj, 8 × 11 cm. Prezo : 20 oeroj.

*English-Esperanto-Vocabulary.* British Esperanto Association, 142, High Holborn, London W. C. I. 36 paĝoj, 7 × 11 cm. Prezo : 2 p.

---

# Plena Vortaro de Esperanto

Kiu verkisto ne spertis la mankon de bona kaj sufiĉe kompleta vortaro de nia lingvo?

Kiu ne ĉagreniĝis kaj kelkfoje eĉ koleretiĝis, ĉe la konstato, ke diverslingvaj esperantaj vortaroj ne ĉiam akordiĝas?

Ni kredas ne erari, asertante, ke ĉiu serioza praktikanto de esperanto faris tiujn malagrablajn spertojn.

Kiu serioze praktikas esperanton, tiu bedaŭrinde konstatas, ke la interkompreno ofte estas malpreciza, proksimuma; tiu rimarkas, ke multaj vortoj estas uzataj tre diverssence.

Kial tio okazas? Prepice tial, ke tro da esperantistoj ne funde lernis la lingvon, sed ankaŭ pro tio, ke la sencon de la vortoj ili lernis per siaj nacilingvaj vortaroj.

Laŭ tia metodo estas tute neeble akiri unuecon en la kompreno de l'vortoj. Veran unuecon kaj interkomprenon ni atingos nur, se ni kontrolas la signifon de la vortoj en la sama libro; kaj por tio necesas, ke ekzistu bona esperanto-esperanta vortaro.

Nu, kun ĝojo ni sciigas al la tuta esperantistaro, ke SAT prenis sur sin la eldonon de *Plena Vortaro de Esperanto.* Ĝi estas nun verkata de kolektivo el kvar kompetentuloj, L. K.-anoj, el kiuj du estas profesiaj lingvistoj, kaj ĝi estos trioble pli ampleksa ol tiu de Kabe (sama formato, 500 paĝoj).

Estas menciinde ankaŭ, ke al nia kolektivo ne mankas konsiloj flanke de la Akademio. Krome ni zorgis, ke la prezo de la volumo estos relative malalta kaj senkonkurenca, por ke ĝi estu aĉetebla de ĉiu ajn. Post traktadoj kun nia presisto ni jam nun povas komuniki la prezon. La vortaro kostos broŝuite 6, kartonite 7 gmk. kaj estas antaŭmendebla ĉe *Administracio de SAT,* Colmstr. *1, Leipzig 0,27* (Germ.). Kiu antaŭpagos ĝis la 30-a de Septembro 1928 2 ekzemplerojn, tiu ricevos post apero trian ekzempleron senpage.

Kompreneble ni bezonas por la presigo sufiĉe altan monsumon. Parton ni jam posedas promese. Sed ni esperas, ke multaj esperantistoj troviĝos, kiuj komprenante la gravecon de nia entrepreno, donos al ni sian subtenon per antaŭpago aŭ pruntedono de ia monsumo. Al ĉiu pruntedoninto ni paĝos 6-%-an renton.

Ni ne almozpetas; ni simple proponas negocon al monhavantoj. Ni ne dubas, ke multaj helpos al SAT en tiu subteninda entrepreno.

Interesatoj sin turnu al :

***Direkcio de SAT,*** **23, rue Boyer,** ***Paris (20e),*** **aŭ al la** ***Administracio,*** **Colmstr., 1,** ***Leipzig 0.27.***

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

# La XX^a Universala Kongreso de Esperanto

### *Antverpeno, 3-11 Aŭgusto 1928.*

NIA ALVENO EN ANTVERPENO

Kiam ni, la 1-an de Aŭgusto alvenis en la Centran stacidomon de Antverpeno, kaj kiam ni, malsuprenirinte la ŝtuparon, eliris la domegon, kaj havis rapidan ekalrigardon al la urbo de nia XX-a Mondfesto, malgranda skolto-knabo, en la tradicia vestaĵo, kaj kun flava tuko ĉirkaŭ la kolo, kaj verdstela insigno sur la brusto, tuj prenis niajn valizojn, kaj sen multaj pliaj vortoj kondukis nin, tra la larĝa Avenuo de Keyser, al la Akceptejo tute proksima.

Kontraŭ la stacidomego, sur la tuta larĝeco de la avenuo, granda arkaĵo staris, kun du belgaj du esperantaj flagoj, kaj sur tuko en grandaj literoj vidiĝis la vorto: « Bonvenon ».

Kiel apud la stacidomo, ankaŭ ĉe la angulo de la Quellinstrato, kie estis la akceptejo, staris beletaj indikiloj kun verda flageto, kaj kun enskribo de la direkto al la « Esp. hejmo ». Ĉe tiu hejmo denove granda flago kun niaj verda kaj blanka koloroj. Antaŭ la pordo policisto, kun la stelo, kaj kiu alparolis nin en Esperanto.

Tio ĉio kune, tute en la centro de la urbo, jam donis tuj al ni bonan impreson, kaj certigis nin, ke la organizantoj bone zorgis, por ke ne nur la Esperanto-kongreso estu festo por la Esperantistoj, sed ankaŭ propagandilo ĉe la Antverpena kaj belga enloĝantaro.

Tuj kiam ni estis en la domo, oni enkondukis nin en malgrandan ĉambron sur kies pordo ni legis « privata », kaj en kiu ni trovis la organizantojn de la kongreso.




LA « SEPO POR LA DUDEKA »

Ni ilin prezentos al niaj legantoj en la hierarhia ordo, laŭ kiu iliaj nomoj estas citataj sur la kongreskarto.

Unue: la prezidanto, S-ro Oscar Van Schoor, apotekisto, jam membro de la « Sepo por la Sepa » — (niaj malnovaj amikoj memoros pri la fakto ke la L.K.K. en 1911 konsistis el sep membroj, kaj tial nomiĝis « la Sepo por la Sepa [kongreso] »), gajviva kunulo, kiu je ĉio, kion oni diras, trovas humorplenan respondon, kaj zorgos, ke ĉe plendoj, la plendinto foriru ridante. Ni vidis lin en tiu vespera duonlumo, estis jam longe post la oficiala fermo de la oficejoj, kun silka nigra somervesto; sur la kapo, bruna ĉapo, kaj en la mano ŝlosilaro, kiun li ĵus uzis por fermi ĉiujn pordojn de la akceptejo. Li vokis en nian spiriton bildon de iu bona konservisto de malnova kastelo, kiu antaŭ ol enlitiĝi faris lastan kontroliron tra la domo.

Due, S-ro Frans Schoofs, la laŭ internacia vidpunkto plej bone konata kaj sindona amiko, ĝenerala sekretario de K. R., prezidanto de Belga Ligo Esperantista, kiun la kongresanoj du tagoj poste nomos prezidanto de la kongreso. En la L.K.K. li plenumis la gravan postenon de ĝenerala sekretario kaj estis en lia domo, ke, kun helpo de multaj anonimaj fortoj, efektiviĝis la terura laboro, kiun reprezentas la preparo de universala kongreso.

Trie, S-ro Maurice Jaumotte, jurnalisto, gazetara sekretario de la L.K.K., prezidanto de la loka grupo « La Verda Stelo » kie inter 400 membroj, leviĝis ĉiuj la kunlaborantoj de la organiza komitato. Li akiros dum la sekvantaj tagoj tre personan sukceson pro la akra voĉo, kiun li metis je la dispono de la gekongresanoj, en ĉiuj okazoj, kiam « laŭtparolilo » aŭ tradukanto estis bezonata.

Kvare, S-ro Marcel Roost, advokato, kiu prizorgis la kunmetadon de la Somera Universitato, kaj kiun oni daŭre ĉiutage kune kun la tri jam cititaj, kaj kun S-ro Vermandere, la kuraĝa estro de la loĝado-fako povis vidi en la akceptejo, prizorgante tiujn ĉiuspecajn aferojn, kiuj nur lastmomente povas esti reguligataj. Tiuj du samideanoj estis kun S-ro Jaumotte jam citita, la tri novaj elementoj en la nova Sepo, — la Sepo por la Dudeka — (feliĉe la organizantoj ne kreis Dudekon por la dudeka) —; la kvar aliaj S-ro Van Schoor, S-ro Schoofs, S-ro Ritschie, direktoro de la urba oficistaro kaj S-ino Elworthy-Posenaer estis efektive jam membroj de la L.K.K. de 1911.

RAPIDA RIGARDO EN LA KONGRESA HEJMO

Jen la Sepo prezentita. Faru ni ankoraŭ rapide, antaŭ ol ni iru al nia hotelo, malgrandan rondiron en la domo. Kun antaŭ ni S-ro Van Schoor kaj liaj ŝlosiloj, ni iris al la oficejoj, tra la koridoro kaj tra vasta korto, — ludkorto por lernantoj — ; la akceptejo estas ja aranĝata en la normala lernejo por estontaj instruistoj.

Tiu oficejo estas granda rektangula salono, ege pura hela, kun blankaj novpentritaj muroj kaj grandaj fenestrotruoj, kiuj enlasas, je tiu ĉi momento, lastan sunoradion.

Granda hufoforma tablaro, kun luksa verda tapiŝo laŭiras tri el la kvar muroj de la salono. Malantaŭ la tabloj staros morgaŭ kaj postmorgaŭ kaj dum la tuta daŭro de la festoj, bonvolaj sinjoroj kaj precipe afablaj samideaninoj, pretaj fari servojn multnombrajn al la alvenontaj gekongresanoj, kaj pri kiuj ni spertos dum la kongrestagoj ke krom servemeco kaj afableco ili posedas ankaŭ bonegan konon de nia lingvo.

Ankoraŭ pli malantaŭe, preskaŭ apud la muroj, deko da tabuloj lernejaj, staras sur kiuj, dum la kongreso, oni enskribos la diversajn komunikojn, kiuj interesas la partoprenantojn kaj kiuj estos do, kiel ligilo inter la L.K.K. kaj la kongresanoj.

Kelkaj palmarboj kaj kreskaĵoj, ankoraŭ pliallogigas la tutan aspekton de tiu salono, flanke de kiu estas alia pli malgranda ĉambro, kie, unu apud la alia estas organizataj speciala poŝt- kaj bankoficejoj, kie Esperanton scipovantaj oficistoj faciligos al la fremduloj, la diversajn operaciojn monsanĝajn kaj poŝtajn.

Flanke ankoraŭ, tria salono, grandaspekta kun multaj tabloj, kun skribmaterialo, kie oni povas sidiĝi, kiam oni volas skribi kaj forsendi poŝtkartojn, kaj en la fundo de la salono sur kelkaj el la tabloj : skribmaŝinoj, ankaŭ je la dispono de la kongresanoj. La tuto havas same, kiel la granda oficejo ege agrablan ekvidon, kaj estas certe, ke tie la kongresanoj ŝatos resti, kiam nenio sur la programo ilin vokos aliloken... Laŭ tio kion oni komunikos al ni, tiu salono restas malfermita ĝis la 6-a—6 1/2 h. vespere. Car ciutage estas vespere io vidinda aŭ aŭdinda sur la programo, pli malfrua malfermado ne estas necesa, eĉ ne dezirinda.

LA KONGRESO DE LA FESTOJ

Ni rigardu la programon kaj efektive... tiu programo ne lasos al la vizitantoj multe da tempo libera. Dum la tago, antaŭ- kaj posttagmeze, estas regule ĉu kunsido ĝenerala, ĉu parolado en la Somera Universitato, ĉu iu aŭ alia grava faka kunsido, kaj vespere — ne parolu al ni pri la vesperoj! — estas vera orgio de festoj, kiujn la programo anoncas. Se ĉiuj tiuj festoj okazos kaj sukcesos, — ni pensis en ni mem dum ni travidis la Kongreslibron, kiun ni ĉerpis el nia bone plenigita koverto, — Antverpeno iĝos la urbo de la festa kongreso.

Kaj estas pri tiuj festoj, nun, ke ni ilin ĉiujn ĝuis kaj ke ree hejme mi ankoraŭ repensas pri ili, ke ni volas precipe paroli al vi. S-ro Kreuz, ĝenerala sekretario de ICK. certe priparolos en oficiala raporto, la diversajn oficialajn okazintaĵojn. Pri la festoj, li eble nenion aŭ preskaŭ nenion diros. Ni elektu do tiun temon; tio donos al ni la okazon iomete alvoki antaŭ la okulojn de niaj legantoj, la veran spiriton, kiu regis en ni dum la bela semajno kiun ni, en Antverpeno pasigis.



INTERKONATIGA ĜARDENFESTO

*Vendrede* vespere, okazis do, en la ĝardeno de la « Harmonio », granda festo organizita de la loka sekcio de « Belga Ligo Esperantista », la grupo « La Verda Stelo » kaj dum kiu la membrinoj de tiu grupo transdonis al la Antverpena Polica Grupo Esperantista novan belan silkan standardon, broditan de tiuj sinjorinoj kaj fraŭlinoj mem.

La tuta ĝardeno, kiu efektive estas granda parko, flanke de alia malnova parko, tiu de la Reĝo Alberto, estis lumigita per multaj elektraj lumigiloj, kiujn la L.K.K. lokigis ĉie de unu arbo al alia, kaj kiuj donis al la tuto veran fean impreson.

La festo konsistis el bela koncerto, kiun aŭdigis, sur kiosko, la muzikistaro de la « Politieverbroedering » — la societo de ĉiuj policistoj Antverpenaj.

Sub la lerta gvidado de S-ro C. Van der Vreken, kiu mem komponis marŝon laŭ la « Tagiĝo » kaj « La Espero », la policistoj-muzikistoj aŭdigis diversajn belajn muzikajojn, kaj inter du partoj de la programo, okazis la ceremonio de la transdono de la flago.

Per klariona voĉo S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto de « La Verda Stelo » alvokis ĉiujn apud la ŝtuparon, kiu kondukas al la festsalono. De supre la ŝtupoj, li alparolis la gekongresanojn. Li diris al ĉiuj jam alvenintaj samideanoj, plej koran bonvenon en Antverpeno, kaj poste gratulis la policistojn Esperantistajn, kiuj faras en Antverpeno tiom belan kaj bonan laboron. Tiu laboro meritis rekompencon, meritis, ke io daŭra rememorigu pri la kunlaboro inter la du frataj grupoj. Tiu rememorigilo estos la nova standardo, kiun transdonas grupo de sinjorinoj de la grupo al S-ro Derweduwen, prezidanto de la Polica Grupo.

S-ro Derweduwen dankas per kelkaj lertaj kaj spritaj vortoj kaj petas la donacintinojn akcepti florgarbon, kiun li enmanigas al la prezidant-edzino. Tiu ĉi disigas la florojn de la garbo kaj donas parton de la ricevitaj floroj al ĉiuj ĉirkaŭantaj kunhelpantinoj.

Tiam S-ro Derweduwen ankaŭ diris kelkajn vortojn al la flagportisto S-ro Schrovens, al kiu li konfidas la trezoron kaj kiu dankas en trafaj vortoj kaj promesas fidele konservi la standardon.

Kiel prezidanto de « Belga Ligo Esperantista » kaj ankaŭ kiel profesoro, kiu iniciatis la restarigon de la Polica Grupo post la milito, S-ro Schoofs substrekas per malmultaj sed bone trovitaj vortoj, la jam diritan signifon de tiu bela vespero. Li ankaŭ respondas en sia propra nomo kaj en tiu de S-ro De Schutter al la gratulvortoj, kiujn sendis al ili ambaŭ, S-ro Jaumotte, ĉar ili kune gvidis la kursojn en la Polica Grupo.

Post la fino de la koncerto, S-ro Jaumotte transdonis al la muzikestro, S-ro Van der Vreken belan florgarbon, kiel dankesprimo de la Esperantistaro. Li poste anoncis grandan sekvantaron de ĉiuj ĉeestantoj tra la lumigita ĝardeno, por tiel, post sufiĉe longa promenado, eniri la festsalonon mem, kie komenciĝis intima kaj ege amuza dancparto.



MAUR. JAUMOTTE
Gazetara Sekretario de L.K.K.
Generala Sekretario de la Kongreso.



MALFERMO DE LA SOMERA UNIVERSITATO KAJ DE LA KONGRESO

*Sabaton* antaŭtagmeze okazis en la kunvenejo « Cercle Artistique », la solena malfermo de la « Somera Universitato ». Ege taŭga domo, kiun elektis la L.K.K., kaj kie preskaŭ ĉiuj kunvenoj okazas samtempe kun fakaj kunvenoj. Estas ankaŭ en tiu domo, ke estis organizita de « Belga Esperanto-Instituto » la venda fako, kie dejoris daŭre seso da samideanoj kiuj prezentis la eldonajojn de ĉiuj Esperantaj eldonejo.

Tiu ĉi salono estas lokita en la vera centra parto de la urbo, tute apud la ĉefstrato, kiu kondukas de la relative nova kvartalo de la Centra Stacidomo al la malnova, ĉirkaŭ la Ĉefpreĝejo.

Estis bona ideo de la L.K.K. lokigi la Akceptejon kaj la Kunvenejon, kiel ni diru je la ambaŭ finoj de tiu avenuo centra, tiamaniere, ke ĉiuj Antverpenanoj, kiuj dum la kongressemajno, promenadis en la centro de la urbo, devis vole nevole, vidi kaj revidi dekojn, centojn da brustoj, ornamitaj per la kongres-insigno, kiu, iom granda, tamen aspektis ege arta, kaj estos ankaŭ poste bela rememorigilo pri la Antverpena Kongreso.

Vespere okazis la Solena Malferma Kunsido de la Kongreso. Por tiu ĉi kunsido, kiun la L.K.K. faris kiom eble plej multe publika, ĝi elektis la plej grandan salonegon de la urbo, tiu de la Zoologia Gardeno, tiel ke, ne nur ĉiuj kongresanoj povis trovi sur la teretaĝo ege bonan lokon, sed ke ankaŭ multaj interesemuloj povis esti invitataj veni kaj aŭdi ĉe la unua kaj la dua etaĝoj.



FRANS SCHOOFS
Generala Sekretario de L.K.K.
Prezidanto de la Kongreso.

Pri tiu Zoologia Gardeno, diru ni, ke la « Zoo » de Antverpeno posedas ege belan parkon, kaj ke por vivigi ĝin, la estraro imagis krei « membrojn » de la Zoologia Gardeno, t. e. pagigi de la altaj klasoj iun sumon abonan, kiu rajtigas la membrojn de la familio viziti la ĝardenon kaj la kolektojn, kiom ofte ili volas. Por altiri kiom eble plej multe da pagantaj membroj, la estraro de tiu societo organizas je ilia intenco, belajn koncertojn en la ĝardeno kaj en la salonego, kaj oni do povas diri ke la Zoologia Gardeno estas en Antverpeno, la renkontejo de la « bela » publiko, kiel en aliaj urboj famaj promenadejoj estas ankaŭ la renkontejo de iu speciala publiko.

La L.K.K. oficiale abonigis por la daŭro de unu semajno ĉiujn gekongresanojn al la Zoologia Gardeno, kaj ni kredas, ke el la tuta mono, kiun ĝi elspezis, la sumo tiucele pagita estas plejboncele dediĉita. Tiel efektive la kongresanoj ne plu devis resti por babili en ĉiam nur duonagrabla kunvensalono, sed povis doni, unu al alia, rendevuon en tiu belega ĝardeno, kaj fari tie plej belajn promenadojn La skribsalono tiamaniere ankoraŭ nur estis la loko, kie, kiom eble plej rapide oni plenumis la ne ĉiam agrablan taskon, sendi al ĉiuj konatuloj, ilustritan poŝtkarton.

Pri la salono, en kiu okazis la Festa Kunsido, ni diros, ke ĝi estis bele, kvankam ege « sobre » ornamita per la flagoj de la diversaj reprezentitaj nacioj.

Specialajo de Antverpeno, estis ankaŭ la urbaj tamburistoj, en malnova flandra kostumo, kaj kiuj, per solena tamburado, anoncis la eniron de la estraro sur la scenejon, kaj ankaŭ la finon de ĉiu, eĉ plej malgranda, parolado.

Estas en la salono ankaŭ granda orgeno, sur kiu S-ro Clement D'Hooge ludis dum la kunsido, la « Esperon » kaj la belgan « Nacian Kanton ».

Regis, dum la tuta vespero, vento de entuziasmo, kaj je la fino la laŭdaj kaj laŭtaj aplaŭdoj miksiĝis kun la tamburado, kiu salutis la foriron de la eminentuloj de la scenejo.

## SEKVANTARO KAJ AKCEPTO ĈE LA URBESTRARO

*Dimanĉe* antaŭtagmeze, la granda aro de la gekongresanoj kunvenis ĉe la urba parko, — je cent metroj de la Kongresa Hejmo —, kie formiĝis grandaspektâ sekvantaro, por kiun gvidi, la L.K.K. dungis du imponajn muzikistarojn (« De Ware Vrienden » kaj « De Vrije Antwerpenaren »), kun helkoloraj uniformoj, kaj kiuj sin enŝovis je la komenco, tuj post la Esperantistaj policistoj kun flago, kaj en la mezo de la sekvantaro, por doni sur la vojo kuraĝon kaj bonan animon al la laste marŝantaj samideanoj.

Je la fino de la tuta procesio unu reprezentanto de ĉiu lando portis sian nacian flagon, kaj la grupo de tiuj standardoj formis belegan multekoloran panoraman fonon al nia impona manifestacia grupo.

Kaj je la dekunua, la granda rubando disvolviĝis tra la avenuoj, tra multaj stratoj kaj stratetoj, enbrakiĝante grandan parton de la urbo, kaj ĉie farante taŭgan propagandon por nia ideo kaj por nia movado, per la vere bela kaj forta aspekto, kiun donis al la enloĝantoj de Antverpeno la ariĝo de ĉiuj la fortoj kuniĝintaj en la Skeldurbo.

Dum unu horo, kaj je la sonoj de vigliga muziko, la sekvantaro serpentumis tra la stratoj, kaj alvenis finfine je la Granda Placo antaŭ la Urbodomo. Ĉiuj pasis sur la perono antaŭ la pordego, kaj salutis la urbestraron, kiu alrigardis la manifestacion.

Unu el la du muzikistaroj haltis antaŭ la pordego kaj tuj kiam ĉiuj estis fòrpasintaj ĝi ludis la belgan « Nacian Kanton », kiu tuj estis sekvata de la sonoj de « La Espero », kiuj falis hele kaj sonore de l'suprola preĝeja turo, kie la sonorilaristo S-ro Gebruers speciale je nia honoro komencis la koncerton per nia bela himno.

Intertempe cento da samideanoj, oficialaj invititoj de la urbestraro, kaj kiuj, laŭ invito farita dum la Solena Malferma Kunsido de Sabate vespero, ricevis specialan karton, supreniris la ŝtuparon kaj grupiĝis en la Granda Leys-salono. kie atendis la urbestro, S-ro Van Cauwelaert, kiun ĉirkaŭis la skabenoj S-roj Cools kaj Junes, kaj kelkaj konsilantoj.



MARCEL ROOST
Gvidanto de la Somera Universitato en L.K.K.
Generala Sekretario de la Kongreso.

S-ro Oscar Van Schoor, prezidanto de la L.K.K., prezentis la delegitojn al la urbestraro per parolado, farita en flandra kaj en Esperanta lingvoj.

S-ro Van Cauwelaert, urbestro, kiu estas lerta paroladisto, faris belan « speech » kiun same lerte, kaj same entuziasme, tradukis S-ro Maur. Jaumotte, kiu danke aplaŭdigis la urbestron kaj ricevis liajn gratulojn.

La urbestro resume diris ke estas kun granda ĝojo ke li kaptas tiun ĉi okazon por diri al la Esperantistaro la sentojn, kiujn li havas en si por la bela batalo, kiun ĝi liveras por la tutmonda paca ideo.

Li esprimis sian bedaŭron, pri la fakto, ke li ne kapablis paroli en la Esperanta lingvo sed ne jam malesperis, ke la politiko kaj la gravaj mandatoj, kiuj ripozas sur liaj ŝultroj, iam tamen lasos al li tiun malgrandan tempon, necesan por lerni Esperanto.

Li des pli facile komprenas la emojn de la Esperantistaro, ĉar li loĝas en malgranda lando, kaj estas urbestro en unu el la precipaj urboj de tiu ankoraŭ pli malgranda landparto en kiu oni parolas lingvon ne multe disvastigitan, kaj ke li do pli bone ol tiuj personoj kiuj loĝas en vastaj nacioj povas kompreni la grandajn avantaĝojn, kiujn Esperanto alportus al la mondo se ĝi ankoraŭ pli disvastiĝus ol ĝi ĝis nun jam faris.

La fakto ankaŭ ke li loĝas en granda havenurbo, kie oni devus koni ĉiujn lingvojn en la mondo plifaciligas al li la komprenon de nia komuna idealo.

S-ro Van Cauwelaert fine parolis pri la dezirindeco por la Ligo de Nacioj, kien Belgujo sendis lin kiel delegiton, akcepti kiom eble plej rapide Esperanton kiel helpan lingvon.

Konklude li havis koran penson por la ideo, kiu ekigis el la cerbo de nia glora majstro la grandan ĉefverkon, al kies disvastigo ni ĉiuj kunlaboras.

Post kiam la aplaŭdoj, kiuj substrekis la kontentecon de la ĉeestantaro ĉesiĝis, estis la vico al S-ro Stromboli, funkcianta prezidanto de I.C.K., kiu anstataŭis S-ron Privat.

S-ro Stromboli diris Esperant-lingve, — kaj S-ro Jaumotte denove tradukis flandra-lingve — kelkajn parolojn nome de la oficialaj organismoj.

Kaj tuj eniris la salonon diversaj servistoj kun pladoj, kun glasoj da ĉampanvino. Ĉiu prenis kaj trinkis je la bonfarto de la urbo Antverpeno kaj de la gastama lando Belgujo, kaj fine je la ĝenerala bonfarto de nia movado

Unu post alia la urbestro prezentigis al si, de la membroj de la L.K.K., la diversajn aŭtoritatulojn de nia movado, la reprezentantojn de la diversaj nacioj de la gravaj ĵurnaloj, la ĉarmajn fraŭlinojn en nacia kostumo.

Ne konante la Esperanto-lingvon, li helpigis sin de la Antverpenaj samideanoj, sed plejofte povis helpi sin mem pere de la franca, la angla, la germana kaj la flandra lingvo. Li tamen tiel havis la plej belan sperton, kiom facila estas la helpilo, kiun oni jus prezentis al li. Esperu ni, ke tiu sperto estos ĉiam apogilo por la Antverpena movado, kiam ĝi petos iucele la kunhelpon de la urbestraro, kiu, oni tion povas diri, jam en tiu ĉi okazo montris, ke ĝi kapablas bele kaj bone aranĝi la aferojn.

Malgranda vizito al la belegaj salonegoj de la urbodomo finis tiun agrablan akcepthoron.

Kaj ĉar posttagmeze kaj vespere okazis ege gravaj kunsidoj de la oficialaj organizajoj, la alia parto de la tago estis libera. Okazis tamen en la Zoologia Gardeno, la kutimaj koncertoj, kaj multaj gekongresanoj ankaŭ ilin vizitis.

## « HAMLETO » EN ESPERANTO

Jam du tagoj de la kongreso forpasis, forpasis efektive ege rapide. Ni preskaŭ volus fari riproĉon al la organiza komitato, ĉar ĝi tiom apudigis sur la programo, ke vere oni ne havis ĝis nun la tempon iom libere spiri.

Kaj la lundo denove alportis al ni kunsidojn interesajn kaj gravajn, kaj vespere, en la Granda Fladra Operdomo Reĝa; prezentadon de « Hamleto », de Shakespeare, en la belega traduko de nia formortinta majstro D-ro Zamenhof.

Ni demandis membron de la L.K.K. ĉu estis speciala kialo por la elekto de tiu ĉi teatrajo eble iom « peza » por kongreso. La respondo estis, ke krom « Kaatje » neniu alia teatrajo belga estis jam tradukita en nia lingvo, ke plie la belga linteraturo estas multe pli pentrema — ni tion vidos, oni diris al ni, pere de bela antologio en du volumoj, kiun la L.K.K. disponigos al ni senpage, ĉu dum ĉu iom post la kongreso — ol teatra. Krom la teatro de Maeterlinck, kies teatrajoj estas malfacile ludeblaj, la belga teatro ne enhavas multajn vere laŭ internacia vidpunkto ludindajn teatrajojn. Kaj se do oni volis elekti en la internacia literaturo, oni ne pli bonan povis elekti, ol tiun verkon grandaspektan kun bela enscenigo, multaj artistoj kaj granda figuracio, heroaj scenoj, kaj tragediaj agoj. Estis samtempe pia rememorigo pri la grandega traduka laboro, kiun, dum sia vivo, efektivigis nia glora majstro.

La reprezentado de « Kaatje », antaŭ 17 jaroj en tiu sama urbo Antverpeno, povis jam esti garantio por la malnovaj sepanoj, ke oni montros al ili ion, kio povos kontentigi la plimulton.

Diru ni, post tiu reprezentado, ke ĝi devis kontentigi ĉiujn. Multaj, kiuj jam vidis « Hamlet » en nacia lingvo en la hejmolando, en grandaj teatroj, konfesis en kaj ekster la teatro, ke la Esperanta reprezentado estis almenaŭ same bela, kiel la plej gloraj, kiujn ili jam ĉeestis.

La plej granda parto de la sukceso iris kompreneble al la tiom laciga titolrolo Hamleto kiun prenis sur sin la tiom simpatia artisto, S-ro Willem Cauwenberg. Kiel en 1911, estis artisto, kiu pro sia relativa juneco ordinare ne jam plenumas tiom imponajn rolojn en la kutima vivo, kiu kuraĝis preni sur sin tiun gravan taskon, kaj plej tutkore sin dediĉis al la sukcesigo de la tuta afero. Je la fino de la teatrajo, la publiko revokis lin sur la scenejon ĝis dekfoje, kaj kiam li tutsole tie staris, la aplaŭdoj ankoraŭ renoviĝis.

Post li, oni tuj devas gratuli S-ron Gustaaf Cauwenberg, patro, estinta direktoro de la Flandra Reĝa Teatro, kaj kiu prenis sur sin la kunmeton de la « grupo » la ĝeneralan region kaj ankaŭ la ludadon de la malgranda rolo de la spirito.

Ĉe la virinaj roloj akiris la plej grandan sukceson, F-ino Corry Lievens, tutĉarma aperajo, kiu, per bone studita ludado, per nuancita voĉo, per agrabla kantado kaj per zorgita mimiko en la freneziĝa sceno igis la publikon aplaŭdi meze de la teatrajo.

Post tiuj tri plej meritoplenaj artistoj, oni povas citi en unu fojo, S-ron De Waegenaere, la nuran efektivan Esperantiston, de la tuta grupo; S-inon Emma Koch, reĝino de Danujo; Marcel Cauwenberg, filo de Polonio; Paul Bury, Polonio, kaj ĉiujn la aliajn interpretistojn de la teatrajo, S-ron Gaston Van der Meulen, David Premsler, Willia Condès, Peeters, Bergers kaj S-inon Meersman-Gallié.

Ĉu ni ankaŭ gratulos S-ron Prager, la sufloron, kompreneble Esperantisto, rumana samideano, kiu dum kelka tempo vivas en Antverpeno, kaj estas membro de « La Verda Stelo » en tiu urbo, kaj kiun oni — tio ne estas riproĉo — ankaŭ kelkfoje aŭdis... suflori...

En ĝia tuto kun la artaj dekoroj kaj la belegaj kostumoj la reprezentado tie multe plaĉis. Ĉio estis efektive prizorgita ĝis en la plej malgrandaj detaloj. Tiu unua ludado en Esperanto de Hamleto vere estas la apoteozo de la Kongreso kaj restos epokfaranta en la historio de nia movado.

Ĉar la L.K.K. volis ,ke ĉiuj havu relative bonan lokon ĝi ludigis la teatrajon dufoje, kaj lokigis la gekongresanojn laŭ la enskribnumero. Tio estas imitinda ekzemplo. Tio instigos la Esperantistojn, kiom eble plej rapide enskribigi sin, kaj faciligos do la taskon de la organizantoj. Ni scias, ke la mona flanko estas grava afero en la organizo de kongreso. Ju pli rapide L.K.K. scias kiujn rimedojn ĝi disponos, kaj kiom grandajn salonojn ĝi devos lui, des pli sukcese ĝi povas labori. Ke la L.K.K. de Budapest anoncu de nun saman taktikon.

Ĉar lunde kaj merkrede okazis en unu teatro reprezentadoj de « Hamlet », en alia salono aŭdiĝis bela koncerto de nacia flandra kaj valona muziko.

Ni aŭdis la koncerton merkrede, sed jam raportos pri ĝi en la vico de la lunda tago, kiam aliaj jam aŭdis ĝin.



## LA KONCERTO DE NACIA MUZIKO

En la belega Reĝa Franca Operdomo, okazis do samtempe, kiel la reprezentadoj de « Hamleto », la koncerto de belga muziko, sub la lerta gvidado de S-ro Hugo Lenaerts, orkestra direktoro de la Reĝa Franca Teatro. Oni do vidas, ke la organiza komitato ne preterlasis iajn klopodojn por havi jam de antaŭe la certecon pri tuta kaj plenplena sukceso. Por ili, la estrado de la orkestra direktoro de la Teatro estis tiu certigilo, kaj ni rajtas diri ke la granda sukceso de la koncerto konfirmis la konfidon, kiun la L.K.K. rajtis havi jam de antaŭe.

S-ro Lenaerts tamen apogis sin sur ne multe da helpantoj. Li kunmetis bonan orkeston, varbis la kunlaboron de la hora sekcio de la Reĝa Societo « La Wallonie » kaj de unu solista artisto S-ro Ch. Bogaers, fama baritono de la Reĝa Flandra Opero.

Orkestro, horo kaj kantisto aŭdigis siavice muzikon de Jan Blockx, Peter Benoit, Paul Gilson, F. A. Gevaert, César Franck, Grétry, Ch. Radoux, Th. Radoux, Alb. Dupuis, Jos. Jongen kaj por fini la orkestro ankoraŭ ludis plej interesajn partojn al la granda muzikdramo « Charlotte Corday », de Peter Benoit.



LOUIS RITSCHIE
Konsilanto de L.K.K.
Sekretario de la Kongreso.

S-ro Lenaerts ludigis ĉe la komenco de la koncerto la belgan himnon, kiu ĉiuj ĉeestantoj respektplene aŭskultis.

Je la fino estis la vico al « La Espero », kiun ĉiuj ekstarante kune kantis en entuziasma atmosfero.

Tiel finis en Esperanta apoteozo, tiu ĉi bela koncerto de belga nacia muziko kiu estis por la plimulto el la ĉeestantoj vera revelacio pri la artkonceptoj de la Belgoj, laŭ muzika vidpunkto.

## LA BALO

La internacia balo estis fiksita por la ĵaŭda tago. Sajnas, ke la L.K.K. ricevis pri tiu internacia balo, petojn per ĝin organizi kiom eble plej je la komenco de la Kongreso, por ke ĝi estu ekkoniga vespero, kaj aliajn petojn, por ĝin organizi kiom eble plej malfrue, por ke ĝi estu la « konsakro » de amikecoj jam bone forĝitaj dum la tagoj kune pasigitaj.

Kontentigi ambaŭ petojn estis ege malfacile por la L.K.K. kaj estas ĝenerala sperto, ke kiam oni volas ĉiujn kontentigi oni ordinare malkontentigas ĉiujn.

Kaj ankaŭ en tiu « grava » afero, la L.K.K. trovis solvon. Tute je la komenco de la kongreso, ĝi organizis feston, pri kiu ni jam parolis, kaj kiu havis kiel lastan numeron sur la programo: dancado... Estis la ĝardenfesto organizita de « La Verda Stelo », je l'honoro de la Antverpenaj policistoj Esperantistaj, dum kiuj ĉiuj havis la okazon danci dum duo da horoj. Kaj la internacian balon, ĝi konservis ĝis la antaŭlasta tago.

La internacia balo okazis en la sama salonego, kie jam estis organizata la ĝardenfesto, kaj kie Vendredon la plimulto el la kongresanoj kunsidos ĉe festena tablo.

La salono « Harmonie » estas la plej granda urba salono, pri kiu la L.K.K. povis disponi en tiu momento de la jaro. Se iuj do volus eble plendi pri troa malgrandeco de la loko, por 1,500 dancemuloj, ili tie tamen devos silenti ĉar la neeblon oni de neniu povas postuli, eĉ ne de L.K.K.

Ni aldonos, ke tiel kiel la salonego aspektas, kun la ĉirkaŭanta parko, kie iuj povis dum sufiĉe longaj momentoj promenadi, kun la kafejo apuda, kun la granda teraso, antaŭ la dancejo, la tuto formis ampleksan ejaron, kiu fine tamen sufiĉis por la bezonoj.

Inter la dancoj, kiuj okazis je la sonoj de duobla muzikistaro, orkestro kaj jazz-bando okazis horegrafiaj evoluoj de ĉarmaj knabinetoj, membrinoj de art-societo de Mehleno. Tiuj knabinetoj venis tutspeciale el sia urbo por agrabligi la dancfeston Ili estas famaj en tuta Belgujo pro la arteco de siaj evoluadoj, kaj ofte havis la okazon danci je grandaj festoj, kiujn eĉ ĉeestis Sia Moŝto la Reĝino Elisabeth de Belgujo.

La Esperantistaro multe aplaudis tiujn knabinetojn, post ĉiu el iliaj dancnumeroj.

Kaj denove la ĝenerala dancado rekomenciĝis, ĝis kiam alvenis la horo de la premidisdonado.

La propaganda societo « Antverpeno-Antaŭen » — Ligo de komercistoj kaj personoj kiuj volas sin okupi pri la propagando por Antverpeno — decidis dediĉi al tiu ĉi balo diversajn premiojn, kiuj konsistis el libroj kaj belaj medaloj.

La juĝantaro, kunmetita de artistoj antverpenaj, nomitaj de « Antverpeno-Antaŭen » decidis disdoni premiojn:

1. Al la Brita Esperantista Asocio, kiu sendis la plej grandan nombron de delegitoj al la kongreso (proks. 600) ; 2. kaj 3. Al S-roj A. Darjûs Nemseĉi, el Persujo, kaj S-ino Bessie L. King, el Nov-Zelando, kiuj havis plej malfacilan vojaĝon; 4. Al la grupo de Ĉehoslovakaj gekongresanoj pro la plej bela nacia kostumgrupo ; 5. ĝis 8. S-ino Hermina Bertig, el Polujo, F-ino Maria Salinero de los Santos, el Hispanujo, S-ro Walter Currie, el Skotlando, kaj S-ino Alice Sergeant, el Francujo, pro la plej tipaj kostumoj naciaj.

La disdono de la premioj estis okazo por laŭtaj aplaŭdoj je l'honoro de la bele vestitaj kongresanoj kaj sinjoroj.

Kaj je la unua, la oficiala fermhoro devigis ĉiujn iom kontraŭdezire rehejmiĝi.

## LA FESTENO

La Festeno estis la nura punkto sur la programo de la kongreso, por kiu la L.K.K. estis devigata peti specialan alpagon. Kiel ni jam diris ĉio estis senpaga por la gekongresanoj, prezentadoj en teatroj kaj cetere.

Por la festeno tamen tiuj, kiuj deziris partopreni devis pagi sumon, kiu tamen ne malhelpis al ĝia plena sukceso.

Pli ol 600 kongresanoj efektive sidiĝis vendrede vespere, « kun la piedoj sub la tabloj », kiel oni diras en Antverpeno en tia okazo.

Kaj kion diri pri tiuj tabloj: Ili estis, lukse aranĝitaj, metitaj en longaj vicoj tra tuta la salono de la « Harmonio », kaj je la fundo de la salono, iom pli alte lokita al la aliaj tabloj: granda honortablo, kie sidis la prezidanto de la Kongreso S-ro Schoofs, ĉirkaŭita dekstre de S-ino Schoofs, S-ro Warden, S-ro O. Van Schoor, S-ino Jaumotte, S-ro M. Roost, S-ro L. Ritschie, S-ino L. Faes, S-ro L. Cogen, maldekstre de S-ino kaj S-ro Merchant, S-ro Jaumotte, S-ro A. Stromboli, S-ino Elworthy, S-ro G. Vermandere kaj S-ro A. Faes.

La manĝaĵoj estis bone preparitaj kaj la servado per 50 kelneroj plej modele organizita Bona orkestro ludis dum la tuta daŭro de la festeno. Plej agrabla kaj intima atmosfero regis tiun vesperon, kiu brile fermis la serion de la belaj festoj de la kongressemajno.

Je la fino S-ro Schoofs faris la adiaŭan paroladon. Li dankis al ĉiuj kongresanoj pro ilia multnombra veno, deziris al ili agrablan postkongresan ekskurson kaj bonan hejmenveturadon. Je la nomo de siaj kolegoj de la L.K.K. li certigis ke la kongreso faris la plej grandan kaj plej favoran impreson en la urbo. Li konstatis, ke neniu



OSCAR VAN SCHOOR
Prezidanto de L.K.K.
Vic-Prezidanto de la Kongreso.

grava plendo atingis la organizan komitaton. Se estus eĉ iu aŭ alia manketo cetere neniam forigebla en la organizo tiel komplika de Esperanto-Kongreso, oni volu ne tro severe riproĉi. Poste li deziras grandan kuraĝon kaj multe da sukceso al la L.K.K. de la 21-a Kongreso en Budapest.

S-ro Merchant, prezidanto de I.C.K. esprimas sian koran dankon al Gesinjoroj Schoofs, al ĉiuj membroj de la L.K.K. kaj fine al ĉiuj helpantoj kaj helpantinoj, kiuj ebligis la plenumon de la peza programo de la 20-a, kiu certe estas unu el la plej brilaj el la ĝis nun okazintaj kongresoj.

S-ro Mangada el Madrido, tostis je la sukceso de la klopodoj kiujn faras niaj propagandistoj en la tuta mondo.

S-ro L. Sergeant, el Boulogne-sur-Maro, speciale atentigis pri la grandaj servoj, kiujn plenumis dum la kongressemajno la Antverpenaj policistoj Esperantistaj, kiuj tiel afable kaj bonkore helpis en la plej diversaj cirkonstancoj. Li instigis ĉiujn partoprenantojn skribe danki pri tio al la Urbestro de Antverpeno.

S-ro Maur. Jaumotte, gazetara Sekretario de L.K.K., tostis al la lokaj ĵurnalistoj, kiuj ĉiam subtenis la klopodojn de la organiza komitato kaj sekvis regule ĉiujn programerojn de la Kongreso.

S-ro Max Néama, je la nomo de la ĵurnalistoj, tre sprite dankis en Esperanto kaj promesis la apogon de siaj kolegoj por la progresigo de nia movado. Poste parolis ankoraŭ S-roj Onnen kaj A Smit, el Hago.

Tiu belega vespero finiĝis per ludado kaj kantado de « La Espero » kaj de « La Brabançonne ».

AL BRUSELO

Sabaton matene je la 8-a forveturis ĉiuj kongresanoj per 2 specialaj vagonaroj al Bruselo. Ni tuj diru, ke estis agrabla surprizo por ĉiuj, ke ili ricevis la veturbileton senpage. Akompanis multnombra delegitaro de la Antverpena Polica Grupo Esperantista, kiu ricevis je tiu okazo specialan permeson de la Urbestro porti la uniformon.

La Bruselaj Esperantistoj, sub la direkto de S-ro D-ro P. Kempeneers, gvidis la karavanon tra Bruselo, kies ĉefajn vidindajojn ili montris.

Je tagmezo ĉiuj partoprenintoj estis kunigitaj en « Brasserie Flamande » kie okazis komuna tagmanĝo. Tie S-ro Schoofs kaptis la okazon por publike danki S-ron Kempeneers, prez. de la Brusela Grupo Esperantista por lia granda laboro rilate al la aranĝo de la vizito al Bruselo kaj pro la organizo de la postkongresa ekskurso tra Belgujo, kiun partoprenos pli ol cent kongresanoj.

S-ro Merchant, je la nomo I.C.K. kaj je tiu de iuj kongresanoj adiaŭis kaj dankis ankoraŭ la organizintojn de la 20-a kaj donacis florgarbon al S-ino F. Schoofs, kiu tiel sindone subtenis sian edzon en lia malfacila tasko.

Posttagmeze okazis ekskurso al la bela parko de Tervueren kaj al la tiea Kolonia Muzeo.

Venis tiam la definitiva disiĝo: iuj reiris al Antverpeno, kelkaj sin preparis por la postkongresa ekskurso tra la kongreslando, dum la plej granda parto pretigis siajn valizojn por hejmenveturi, ĉiuj kunportante la plej bonajn rememorojn pri tiu brile sukcesinta mondfesto de la Esperantistoj.



GUSTAVE VERMANDERE

Estro de la Loĝfako en L.K.K.
Sekretario de la Kongreso.

Ni ne forgesu noti ĉi tie ke la urbo Antverpeno donacis al ĉiu kongresano tute senpage bele ilustritan gvidlibreton, grandan planon de la urbo kaj de la haveno, krom ŝipekskurso en tiu belega haveno mem. — Novajo estis la diversaj akceptoj, kiuj estis faritaj al la diversnaciaj Esperantistoj, ĉu de sia konsulo en Antverpeno ĉu de la tiea nacia klubo. Tiaj akceptoj okazis ĉe la Franca Societo, ĉe S-ro Béliard, prezidanto de la Franca Komerca Ĉambro, ĉe la Brita kolonio, ĉe la Ĉeĥoslovaka konsulo, ĉe la Germana klubo, ĉe la Itala konsulo, ĉe la Nederlanda Societo kaj ĉe la Svisa klubo.

La Loka Kongresa Komitato rajtas esti fiera pro la plenumita laboro kaj la urbo Antverpeno pro la afabla maniero per kiu ĝi akceptis niajn ĉiulandajn samideanojn.




# XXa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## Antverpeno

3—11 Aŭgusto 1928

SOLENA MALFERMA KUNSIDO

la 4. Aŭgusto 1928 en la Granda Festsalono de la Zoologia Gardeno.

Du minutojn antaŭ la 21 horo eksonas la tamburado de la urba tambura korpuso, kiu vestita per siaj historiaj kostumoj, staras flanke de la podio. La granda festsalono estas imprese lumigita. Flagoj de ĉiuj nacioj kaj nombro da esperanto-flagoj ornamas la galeriojn. Sur la 1-a kaj la 2-a galerioj multa publiko ĉeestas. La oficiala esperanto-standardo estas starigita apud la prezidanta seĝo.

Precize je la 21 horo la membroj de la Loka Kongresa Komitato, de la Internacia Centra Komitato kaj la ceteraj estraroj suriras la podion sub aplaŭdo de la kongresanoj. Sammomente ĉesas la tamburado. La orgeno solene ludas la belgan nacian himnon « Brabançonne ». La Kongresanoj aŭskultas ĝin starante.

Sinjoro Rudolf Hromada, Praha, membro de la Internacia Centra Komitato deklaras la kongreson malfermita. Samtempe en la nomo de I.C.K. kaj de la L.K.K. li proponas por elekto la sekvantan estraron de kongreso:

*Prezidanto*: S-ro Frans Schoofs, Antverpeno
*Vicprezidantoj*: S-ro Henri Petiau, Gento.
S-ro Oscar Van Schoor, Antverpeno.
S-ro Admiralo Alessio, Romo.
S-ro D-ro E. Archdeacon, Parizo.
S-ro D-ro H. Arnhold, Dresdeno.
S-ro Ĉen, Singapuro
S-ro H. Hetzel, Filadelfio.
S-ro Isbrücker, Hago.
S-ro Levi, Konstantinoplo.
S-ro J. Merchant, Sheffield.
S-ro A. Darjuŝ-Nemseĉi, Tabrizo.
S-ro P. Nylén, Stockholmo.
S-ro Nadji Shindwad, Bombajo.
S-ro Takuo Otaki, parlamentano, Tokio.
*Konstanta Gen. Sekretario*: S-ro Robert Kreuz, Genevo.
*Generalaj Sekretarioj*: S-ro Jaumotte, Antverpeno.
S-ro M. Roost, Antverpeno.
*Sekretarioj*: S-roj Faes, Ritschie, Vermandere, Antverpeno.
*Vicsekretarioj*: S-inoj Faes, Schoofs, Antverpeno.

Tiu ĉi propono estas akceptata per aklamo kaj aplaŭdo.

S-ro Frans Schoofs ekokupas la seĝon de l' prezidanto kaj kore dankas pro la elekto. Mi ne faros longan kongresan paroladon li diras. Ni estas tro ĝojaj por povi paroli en tiu ĉi momento solena. Sed koregan dankon mi devas esprimi antaŭ ĉio al la ĉeestintoj de la Sepa Kongreso, kiuj ankaŭ ĉi tiun fojon partoprenas al la kongreskomitato. Duan fojon nun Antverpeno povas saluti Universalan Kongreson de Esperanto. Kore kaj gastame la urbo akceptas ĉiujn kongresanoj, esperante, ke ili prenos kun si plej agrablan memoron pri Antverpeno. Koregan dankon la Loka Kongresa Komitato ŝuldas al la urbestro kaj al la skabenoj de la urbo, kiuj montris tiom da atento kaj simpatio al nia afero dum la preparo de la kongreso. Se post pliaj 17 jaroj Antverpeno eventuale ankoraŭfoje invitos Universalan Kongreson kaj kiam ni, tiam grizharuloj, sidos ankoraŭ bonsane inter vi, ni espereble povos konstati denove, ke varmaj kaj amikaj esperanto-interrilatoj ankoraŭ ĉiam konservas la simpation por la nuna kongresurbo. Dezirante bonan sukceson al la baldaŭaj kongreslaboroj kaj ĝuadon dum la okazontaj festoj preparitaj de la L.K.K.., li finas per la elvoko: Vivu Esperanto! La kongresanoj vigle aplaŭdas.

Akompanate per orgena ludo, la kongresanoj starantaj kantas la himnon: « La Espero ».

Post tio S-ro Schoofs proponas forsendi salut-telegramojn al Lia Moŝto Alberto I, Reĝo de la Belgoj, nuntempe en Kongolando, alta Protektanto de la Kongreso kaj al Lia Moŝto Princo Leopoldo, Duko de Brabanto, Honora Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista. *(Akceptita.)*

Kiel *reprezentanto de la urbo Antverpeno* kaj anstataŭ la urbestro S-ro Frans Van Cauwelaert, kiu estas malhelpita ĉeesti la kunsidon, *S-ro Junes, skabeno de la urbo Antverpeno*, anstataŭante la urbestron, deziras bonvenon al la alilandaj gastoj kaj laŭdas la Esperantomovadon precipe pro ĝia pacema tendenco.

S-ro M. Jaumotte, ĝenerala sekretario de la kongreso tradukas la en flandra lingvo faritan paroladon tuj en Esperanton. *(Granda aplaŭdo.)*

La Prezidanto post tio salutas la registarojn kaj aŭtoritatojn oficiale reprezentitajn en la kongreso per speciala delegito:

REGISTAROJ:

Aŭstrio: S-ro Generala Konsulo Armand Hessel, Antverpeno
Brazilo: S-ro Prof. D-ro E. Backhäuser, Rio de Janeiro.
Germanujo: S-ro Barono von Tucher, Konsulo, Antverpeno.
Ĥinujo: S-ro Hu-Ju-Ce, Ŝanghajo.
Hispanujo: S-ro Majoro Mangada-Rosenörn, Madrido.
Hungarujo: S-ro Grafo Olivier Woracziczky, Ambasadoro en Bruselo.
Nederlando: S-ro Isbrücker, Hago.
Norvegujo: S-ro Supera Leŭtenanto Bugge-Paulsen, Oslo.
Rumanujo: S-ro Cuyverts, reprezentanto de la Konsulo en Antverpeno.
Usono: S-ro Generala Konsulo Messersmith, Antverpeno.

AŬTORITATOJ:

Urbo de Budapest: S-ro P. Tolnaj, Budapest.
Urbo de Toulouse: S-ro D-ro Badin, Toulouse.
Urbo de Vieno: S-ro H. Steiner, Vieno.

Post tio longe kaj spontane aplaŭdita, ekprenas la parolon D-ro Edmond Privat, Prezidanto de la Internacia Centra Komitato, por sia kutima kongresa parolado.

### KONGRESA PAROLANDO DE D-ro EDMOND PRIVAT

Karaj gesamideanoj!

Estas granda ĝojo kunveni ĉi tie en Antverpeno denove post dek sep jaroj kaj revidi kelkajn bone konatajn vizaĝojn. Ni sciis jam pro sporto kiel kore akceptataj ni estos. Se vi ankoraŭfoje nin invitos post novaj dek sep jaroj, ni revenos kun niaj nepoj dankeme kaj fide.

Tute taŭgis por la nunjara somera universitato la temo pri Maro kaj Navigacio. Antverpeno estas ja centro de tiu vasta komunikado trans maroj kaj oceanoj. Super ĝia kajo staras antikva turo de historia ĉefpreĝejo kaj sub ties ombro albordiĝas la grandaj vaporŝipoj el Japanujo.

Ŝajnus kvazaŭ la senlimaj akvoj devus estis limo inter homoj kaj popoloj. Sed male jam de miljaroj la maro ligis ilin eĉ pli ol tero. Ĝi fariĝis la granda komunikilo por interŝanĝado de komercaĵoj kaj ideoj. Miloj kaj miloj da ŝipoj alvenas ĉi tien aŭ forveturas kun karbo por hejtigi, fruktoj por nutri aŭ libroj por instrui. Trans maroj la mondo sentas sin iom solidara. En havenoj oni spiras kun la sala vento iom da homara unueco.

Sed ĝuste la lingva flanko de tia mondunueco per la maro estas plorinde ne taŭga. En havenoj regas misuzo kaj miksaĵo de kelkaj frazoj el diversaj lingvoj. Iom da « pigin » angla aŭ da malbonigata franca lingvo. Sufiĉe por interŝanĝi la plej urĝajn salutojn, ordonojn aŭ mendojn, sed nenio pli.

Ni, esperantistoj, estas pli postulemaj. Ni volas ke la homoj havu propran veran lingvon por esprimi sian unuecon, lingvon en kiu ili povu senti kaj pensi, lingvon en kiu ili povu tute libere fratiĝadi kun siaj kunuloj el ĉiuj nacioj.

Ne detruante la naciajn lingvojn kaj kulturojn, ni deziras faciligi tutmondan kulturon per helpa lingvo simbolanta la spiriton de la novaj tempoj, la sopiron de l'homaro al sia unueco. Ne teoria sed praktika estas nia deziro, ĉar tiun lingvon ni alportas jam pretan, jam vivantan, jam elprovitan de kvardek jaroj da uzado kaj senĉesa progresado.

En tiu ĉi granda haveno, kruciĝo de ĉiuj civilizoj trans la unuiga maro, sonu denove la lingvo de Zamenhof kiel alvoko al ĉiuj popoloj; malgraŭ ĉiuj diversecoj de raso, lingvo kaj religio, ni estas ja nur unu vasta familio!

Same kiel la maro, tiel ankaŭ Esperanto helpas interŝanĝojn. Per ĝi la malgrandaj nacioj diskonigis eksterlande sian literaturon. Kiu el ni ne legis en Esperanto la belajn verkojn tradukitajn el la flandra lingvo tiom amata ĉi tie?

Sed apud la naciaj kulturoj, la mondo nun bezonas la internacian. Antaŭ kelkaj tagoj kunvenis en Hago 450 reprezentantoj de plej diversaj religioj por diskuti pri la paco. Kune sidis episkopo ĉeĥoslovaka, budista, hinda, mahometana poeto el malaja insulo. Ĉiuj paroladoj estis tradukitaj nur en Esperanton. Tio estis ja la revo de nia Majstro, ke lia lingvo servu por forigo de l'antaŭjuĝoj inter diversaj formoj de kredo.

Ne nur sur tiu kampo, sed sur preskaŭ ĉiuj kampoj de la homa vivo bezonata estas nova interkompreno kaj nova edukado de l'homoj. La naciaj lingvoj, la eklezioj, la lernejoj edukis la homojn al nacia sento. Kiu nun instruos ilin pri la internacia? La homojn regas ne nur interesoj aŭ racio sed eĉ multe pli forte la sentoj, la emocioj individuaj aŭ kolektivaj. Edukado, religio, poezio riĉa helpis la amon al patrujo. Por akceli la amon al homaro, nun tiom necesan por savi la mondon el milito, kiu helpos por disvastigi novan senton, komunan emocion, fortan esperon kaj volon?

Mankas tie la riĉa lirismo de la naciaj lingvoj, mankas la kantoj, la inspira literaturo. Ankoraŭ blankaj estas la paĝoj. En kiu lingvo ili skribiĝos se ne en tiu Esperanto, kiu ekaperis al la vivo kun la pensoj de D-ro Zamenhof? Jam en ĝi la infanoj kantas la « Esperon » en pli ol mil lernejoj de diversaj landoj. Jam en ĝi komenciĝis embrio de homara peozio. Jam per ĝi disvastiĝis tra la tuta mondo ĉe centmiloj da homoj la « rova sento » pri la unueco de l'homaro.

Pensu pri la granda forto de lingvo kiel homa instigilo kaj disvastigilo de sentoj kaj ideoj! ĝi estu plia kaŭzo por ne plu perdi tempon je teoriaj diskutoj pri tiu aŭ alia gramatika sistemo. En la Bulonja Deklaracio jam staris antaŭ dudektri jaroj ke « la amikoj de la ideo de Lingvo internacia konsciante, ke teoria disputado kondukos al nenio kaj ke la celo povas esti atingita nur per laborado praktika, jam delonge ĉiuj grupiĝis ĉirkaŭ la sola lingvo Esperanto kaj laboras por ĝia disvastigado kaj riĉigado de ĝia literaturo ».

Tio refariĝas pli kaj pli vera nuntempe. Efektive kiom interesas la mondon ĉu la multenombro de l' substantivoj finiĝas per *oj* aŭ *i* aŭ *es*? Multe pli interesa estus la fakto, ke vivas jam la mondlingvo kaj ke ĝia sukcesa formo « Esperanto » enradikiĝis en la uzon kaj en la senton ĉe vasta internacia publiko.

Ni do ĉesu atendi ian hipotezan decidon de registaroj aŭ « Komitato de scienculoj ». Kiu akiris iom da kutimo je ili ja scias, ke ili ne ŝatas preni tiajn respondecojn. Ili atendas ke vi faru la necesan laboron kaj, laŭ viaj propraj oferoj kaj sukcesoj, ili donos al vi iom post iom la konfirmon oficialan, kiel okazis jam al Esperanto en diversaj kampoj. Do ni daŭrigu nian vojon per laborado kaj verkado en Esperanto.

Kiam ni rigardas la statistikon tiel pacience kolektitan de D-ro Dietterle kaj vidas tiun multpaĝan senfinan liston de lokoj, kie ekzistas esperantistoj en ĉiuj landoj de la mondo, ni povas imagi kiel aspektus en la nokto, se eklumiĝus unu lampo je ĉiu fenestro kie loĝas unu samideano. Estus mirinde vasta ĉeno simila al la stelaro en ĉielo super niaj kapoj. Se ĝin ekvidus la nigra birdo de l' milito, la aeroplano gasbomba, rondzumanta tra la nokto en sia krima flugo, ĝi mirus pri tiom da lumoj kvazaŭ miloj da okuloj de l'homara konscienco rigardantaj al ĝi kun kondamno. Ke falu por ĉiam tiu nigra birdo de l' milito kaj lian malbenatan regnon anstataŭu nova regno de l' harmonio, tio estu nia celo kaj nia kaŭzo por labori!

La kongresanaro ripete aplaŭdas D-ron Privat, kiu ĉi-tiun fojon per malpli longa parolado, sed per sia kutima elokventeco plialtigis la kutiman solenecon de la malferma kunsido.

La Prezidanto post tio legas la liston de la

## Organizoj kaj korporacioj reprezentitaj

en la kongreso, kaj salutas la reprezentantojn:

Asocio por la Internacia Helplingvo (IALA), New-York.
Alianco Internacia por Libera Interŝanĝo (AILE), Parizo.
Belga Federacio por Radio-Elektraj Studoj, Mehleno.
Bretona Gazeto « Gwalarn ».
Fremdultrafika Oficejo, Budapest
Internacia Farmacia Federacio, Hago.
Internacia Centro de l'Bahai-Movado, Haifo (Palestino).
Internacia Foiro de Frankfurt a. Main.
Internacia Ligo por Nova Edukado, Ĝenevo.
Internacia Unio de Radiofonio, Ĝenevo.
Nederlanda Ligo de Instruistoj, Amsterdamo.
Nacia Unio de Instruistoj, Londono.
Ruĝa Kruco Hispana, Madrid.
Skolta Oficejo Internacia, Londono.
Komercaj kaj industriaj ĉambroj de:
Antverpeno,
Budapesto,
Belga Ĉambro, Londono,
Franca Ĉambro, Londono,
Parizo,
Stuttgart,
Zagreb.

Post tio prenas la parolon S-ro D-ro Badin por la Urbo Toulouse kaj S-ro Steiner por la Urbo Vieno.

La Prezidanto de la Kongreso tiam tre kore salutas la ĉeestantajn anojn de la familio Zamenhof:

F-inon Lydia Zamenhof,
Gesinjorojn Feliks Zamenhof,
F-inon Maria Zamenhof.

invitante ilin sidi sur la estrara podio. Dum S-ro Feliks Zamenhof por la ceteraj familianoj prenas sian lokon apud la kongresa estraro, la kongresanaro preskaŭ senfine aklamas kaj aplaŭdas ĉiujn familianojn, per tio esprimante sian profundan respektan senton al la familio de nia mortinta majstro.

Tuj poste sekvas la vico de salutoj de la reprezentantoj de l' div. landoj. Post fino de ĉiu saluto la tambura korpuso ceremonie tamburas.

### LISTO DE L' PAROLINTOJ

Argentino: S-ro Majoro Raven-Hart.
Aŭstrio: S-ro Hugo Steiner.
Brazilo: S-ro Konsulo D-ro Arnhold (kiel anstataŭanto)
Britlando: S-ro J. Merchant.
Bulgarujo: S-ro Vitanov.
Ĉeĥoslovakio: S-ro Bednar por C. A. E.
S-ro D-ro Bischitzky por Germ. Ligo en Ĉeĥoslovakio
Danlando: S-ino Blicher.
Dancigo: S-ro Fischer.
Estonio-Finlando: S-ro Harteva.
Francujo: S-ro Deligny.
Germanujo: S-ro D-ro Ellerbeck.
Hebreoj: S-ro Lejzerovicz.
Hindujo: S-ro Nadji Sindhwad.
Ĥinujo: S-ro Hu-Ju-Ce.
Hispanujo: S-ro Mangada-Rosenörn.
Hungarlando: S-ro D-ro Patai.
Italujo: S-ro D-ro Stromboli
Japanujo: S-ro Niŝimura.
Malezio: S-ro Ĉen.
Nederlando: F-ino Offerhaus
Norvegujo: S-ro Bugge-Paulsen.
Persujo: S-ro A. D. Nemseĉi.
Polujo: S-ro Prof. Bujwid.
Rumanujo: S-ro Prager.
Saar-Teritorio: S-ro D-ro Meyer.
Sudslavio: S-ro Prof. Novljan.
Svedujo: S-ro Nylén.
Svislando: F-ino Tissot.
Usono: S-ro Hetzel
Novzelando kaj Aŭstralazio: S-ino Bessie King.

Post la ĉeso de l' ceremonia tamburado de la urba tambura korpuso la prezidanto S-ro Schoofs kore dankas al ĉiuj ĉeestantoj kaj bondezirante ilin por agrabla kongres-restado deklaras la kunsidon fermita.

Sub la sonoj de bela solena Jubilmarŝo de flandra komponisto ludita per la belsona orgeno de S-ro Clement D'Hooge la kongresanaro iom post iom forlasas la festsalonon.

Fino de la kunsido: 23,15 h.

### I-a LABORA KUNSIDO

la 6. Aŭgusto 1928 en « Cercle Royal Artistique ».

Komenciĝo: 10 h.

Prezidas: S-ro Isbrücker, vicprezidanto de la Kongreso.

*Generala temo: Radio.*

La kunsidon malfermas *S-ro Fr. Schoofs*, prezidanto de la Kongreso per kelkaj oficialaj sciigoj rilate la programon. Li poste petas al S-ro Isbrücker daŭrigi la gvidadon de la kunveno.

*S-ro Isbrücker* esprimante sian plezuron pro la multnombra ĉeesto al la laborkunsido mallonge paroladas pri la graveco de Esperanto por Radio kaj pri la propaganda signifo de Radio por Esperanto.

Li salutas aparte kore la reprezentanton de la Internacia Unio de Radiofonio en Genevo, S-ron Marcel van Soust de Borckenfeldt.

Post tio li petas S-ron D-ron Döhler, estro de la Komisiono por Radio-Statistiko, komisiita de ICK, fari raporton pri la agado en la radio-sfero.

*S-ro D-ro W. Döhler (Riesa)* tre detale skizas la historion de Esperanto en Radio. Li montras la nunan staton en tiu ĉi kampo kaj faras siajn konkludojn pri tio, kion ni devas ankoraŭ fari.

Li memorigas kiam komence en Usono Esperanto estis unuafoje disaŭdigita per radio en 1922. Tiam nur du stacioj tion faris.

10 stacioj disaŭdigis en 1923, poste la linio konstante supreniras kun 47 stacioj en 1924, 98 stacioj en 1925, 130 stacioj en 1926 kaj 168 stacioj en 1927. La partopreno laŭ landoj estas: 2 landoj en 1922, 5 landoj en 1923, 18 landoj en 1924, 22 landoj en 1925, 31 landoj en 1926, 33 landoj en 1927. En la komenco tie kaj tie ankaŭ okazis disaŭdigoj en Ido. Hodiaŭ nenia Ido-propagando estas plu sentebla. (*Aplaŭdo.*) D-ro Döhler kompilis pri la tuta radio-laboro apartan broŝuron en Esperanto « Esperanto kaj Radio » represo el la Kongreslibro de la 17-a Germana Esperanto-Kongreso, Potsdam 1927, 39 pĝ. Ĝi estas havebla de Germana Esperanto-Asocio, Johanniterstrasse, 9, Berlin S. W. 61.

Liaj konkludoj por la estonta propagando pere de Radio estas:

*Kursoj.*

1. Ni uzu staciojn fortajn por certigi, ke la disaŭdigoj iru kiel eble plej malproksimen.
2. Plej bona metodo por kursoj per radio estas tiu de dialogo.
3. Ni zorgu nepre, ke la instruanto havu bonan internacian elparolon de Esperanto.
4. Por ricevi la adresojn de partoprenantoj en radio-kurso kaj por konatiĝi kun ili persone, oni aranĝu konkursojn por tradukoj kaj taskoj farotaj. Estas rekomendinde, tion fari jam en la komenco por vivtenadi la intereson de la lernantoj ĝis la fino de la kurso. Se tro malfrue oni komencas konkurson, perdiĝas multaj interesitoj
5. Ni klopodu nepre havi helpantojn, kiuj en kiu ajn kazo (forloĝo, malsano, momenta tro-okupo k.t.p.) povu daŭrigi la kurson. Se oni devas subite ĉesigi kurson, la tuta laboro estis vana.
6. Ni evitu, ke tro junaj samideanoj aŭ eĉ duon-esperantistoj ankoraŭ ne bone konantaj la lingvon faru radio-kursojn.
7. Konsekvence ni tre atentu pri la pedagogiaj principoj aplikotaj kaj elektu nur spertajn instruistojn aŭ instruantojn.

*Paroladoj.*

Pri ili estas malpli dirota. Grandparte ankaŭ por ili validas la kondiĉoj pri kursoj. Bona elparolo antaŭ ĉio estas necesa. D-ro Döhler rakontas kiel modele S-ro Rud. Unger en Zürich organizis la unuajn disaŭdigojn de tiu sufiĉe forta stacio. Li petis la kunlaboron de eminentuloj, tradukis iliajn paroladojn en Esperanton kaj poste disaŭdigis ilin de la stacio. La sukceso estis granda kaj sentebla en nia propagando.

Grava estas la disaŭdigo de esperanto-konferencoj kaj kongresoj. Se iel eble ĉiuj esperanto-manifestacioj estu radie disaŭdigataj. Preskaŭ ĉie ekzistas nun ebleco pri tio. Bedaŭrinde la kongresejo en Antverpeno ne estas instalita por Radio. Sekve de tia disaŭdigo ne povas okazi tie ĉi.

*Programo.*

Grava estas sufiĉe frua diskonigo de la programo, por ke interesitoj en- kaj eksterlande povu aŭskulti. Tre ofte nur tro malfrue ili sciiĝas pri parolado en Esperanto por aŭskulti ĝin. Tio malebligas bonan propagandon

Li proponas, ke ICK provu atingi per la Internacia Unio de Radiofonio, ke ĉiuj radio-programoj, estu diskonigataj unu semajnon antaŭ la komenciĝo de la koncerna semajna programo.

*Anoncado.*

Estas dezirinde, ke iom post iom ĉiuj stacioj enkonduku la anoncadon en Esperanto. Ĝis nun nur kelkaj tion faras. Anoncanto ĉe stacio devas bone elparoli. Se ne-esperantisto anoncas, ni instruu al li bone la koncernajn frazojn por eviti malbonan impreson.

*Organizo.*

Li bedaŭras, ke la Internacia Radio-Asocio nuntempe dormas protrokupiteco de div. personoj. Kun bedaŭro li ankaŭ konstatas la espereble dumtempan ne-aperon de la Internacia Radio-Revuo. Li tamen rekomendas fondi nek novan organizon, nek novan organon. (*Aplaŭdo.*) La laboro de la komisiono bone sukcesis kaj montris sin kiel taŭga formo por similaj laboroj. Li petas, ke ICK, kiu helpis multe al la laboro, ankaŭ en estonto donu sian tutan helpon al la laboro en tiu ĉiu grava kampo. Li ankaŭ alvokas la samideanojn por konstanta helpo kaj plendas, ke multaj ne respondis aŭ respondigis al la enketo, kiun li faris por la statistiko.

*Esperanto-Programoj.*

Li atentigas, ke fidinda programo de la esperanto-disaŭdigoj estas kompilita de la komisiono (S-ro Jungfer en Lübben). Ĝi aperis en « Heroldo » kaj estos laŭpove daŭrigata. La komisiono, kunlabore kun ICK, klopodas aldoni ĝin ankaŭ al nacilingvaj radio-organoj.

*Radio-amatora movado.*

D-ro Döhler insistas, ke ni provu pli kaj pli enkonduki Esperanton en la movadon de radio-amatoroj, eksperimentantaj per mallongaj ondoj. Ĝis nun li havas nur 50 adresojn de 8 ŝtatoj. Oni kolektu la adresojn kaj sendu ilin al li.

*Fakvortaro.*

La fakvortaro por Radio ankoraŭ ne estas sufiĉa. Ni devas kunigi kelkajn spertajn esperantistojn kaj radiistojn por helpi la starigon de kiel eble — plej kompleta radio — vortaro *teknika*.

Se ni ne laboros pli intense, la angla lingvo pli kaj pli enpenetras en la radio-sferojn kaj povos grave malhelpi al nia laboro.

*Generala propagando.*

Li tre petas kaj rekomendas, ke neniu entreprenado ĉe iu stacio estu farata sen interrilato kun ICK aŭ la koncerna Nacia Societo. Bona kunlaboro estas necesega por eviti koliziojn kaj erarojn.

Fine li petas, ke ĝenerale oni dediĉu pli da atento al la radio prezentadoj kaj uzu la okazon por gratuli la staciojn, kiuj regule kaj sisteme utiligas Esperanton.

La kunsido per longa aplaŭdo dankas al la parolinto pro tiu ĉi tre detala kaj interesa raporto.

*S-ro Raven-Hart (Argentino)* substrekas la graveĉon, ke ĉiuj stacioj anoncu sin en Esperanto.

*S-ro Schwarz*, afergvidanto de GEA en Berlino, memorigas pri la broŝuro « Esperanto kaj Radio », menciita jam pli supre.

*S-ro D-ro Badin (Toulouse)* raportas mallonge pri la radio-agado en Toulouse kaj esprimas sian dankon, ke li ricevis sufiĉan helpon de ĉiuj esperantistoj por bone sukcesi ĉe la stacio de Toulouse.

*S-ro Coyle*, angla blindulo, deziras atentigi pri la graveco de esperanto-disaŭdigoj por blinduloj. Petas, ke laŭpove oni ankaŭ konsideru la special-dezirojn de blindaj esperantistoj, por kiuj Radio estas unu el la plej gravaj helpiloj.

*S-ro Rabinovici (Bucuresti)* donas ankoraŭ kelkajn kompletigojn. Li ankaŭ diras, ke en div. landoj estas necese adaptiĝi antaŭ ĉio al la naciaj bezonoj. Li rekomendas al propagandistoj atenti pri tio por eviti malsukcesojn. Rilate muzikon, ofte preferatan, li rekomendas, ke oni ankaŭ disaŭdigu esperanto-muzikajojn. Tiamaniere Esperanto ankaŭ aperas en muzik-programoj.

*S-ro Applebaum (Liverpool)* ŝerce rakontas, kiamaniere li sukcesis diskonigi esperanto-disaŭdigon, ne posedante mem radio-aparaton. Atentigas pri la utileco aperigi radio-paroladojn en la gazetaro.

*S-ro Kreitz (Düren)*, blinda esperantisto, proponas ke oni kolektu subskribojn por instigi la staciojn pri enkonduko de Esperanto.

*D-ro Döhler* poste faras ankoraŭ kelkajn kompeltigajn rimarkojn. La komisiono bone notas la dezirojn kaj sugestojn de ĉiuj interesitoj. Ankoraŭfoje petante pri energia kaj laŭcela kunlaboro li dankas al ĉiuj, kiuj ĝis nun sukcese helpis por antaŭenpuŝi Esperanton en Radio.

*S-ro Daŭger (Berlino)* salutas en la nomo de la Germana Sekcio de la Paneŭropa Unio la kongreson, nehavinte pli frue okazon pri tio.

Poste *S-ro Kreuz* laŭtlegas grandan nombron da telegramoj el ĉiuj landoj, inter alie unu *en Esperanto* de la ministro de instruado de Brunsvigo. (*Aplaŭdo.*)

Post anoncado de kelkaj aranĝoj dumkongresaj la kunsido estas fermata precize je la 12 h.

## 2-a LABORA KUNSIDO

la 7. Aŭgusto 1928 en « Cercle Artistique ».
Komenciĝo: 10 h. Prezidas: S-ro Prof. Collinson, anstataŭ S-ro Oscar Van Schoor, vicprezidanto de la Kongreso.

*Generala temo: Universitatoj.*

*S-ro Prof. Collinson* malfermas la kunsidon substrekante la gravecon de la diskutota problemo de plej racia organizado de nia movado en universitatoj.

*Stud. Inĝ. Zylberstejn (Toulouse)* raportas pri la Kunveno de Esperantistaj Universitatanoj en Bruselo, okazinta jus antaŭ la Universala Kongreso. Partoprenis en ĝi ć. 20 delegitoj de studentaj kaj universitataj grupoj el 6 landoj. La kunveno tre detale pridiskutis la organizon de la studenta movado esperantista en universitataj rondoj. Ĝi akceptis kelkajn dezir-esprimojn, submetotajn al la respektivaj asocioj kaj personoj. Li submetas al la atento de la Kunsido la necesecon, urĝe starigi universitatajn organizajojn, kunigantajn kune studentojn kaj profesorojn por prizorgi la propagandon en la universitatoj. Aliflanke li sugestas kunligi laŭeble la propagando-organizajojn universitatajn kun la koncernaj aplikaj societoj kaj fiksi laŭeble unikan kotizon por krei unu grandan centron por universitata movado kun plenaŭtonomaj fakbranĉoj.

*S-ro Prof. Collinson* dankas al S-ro Zylberstejn pro la farita laboro kaj ĉefe pro la aranĝo de la interesa kunveno en Bruselo. Li esprimas sian aprobon pri la neceseco plej baldaŭ starigi landajn universitatajn organizajojn kaj informas pri la progresoj de Esperanto inter anglaj profesoroj.

*S-ro Zylberstejn* tiam raportas pri la agado de la Franclanda Esp. Universitata Federacio starigita antaŭ unu jaro, kiu sukcesis jam krei ses sekciojn en div. landoj kun partronado de kelkaj rektoroj, dekanoj kaj anoj de la Franca Instituto. Li raportas ankaŭ pri la unua kongreso de tiu federacio, okazinta en Toulouse, kiu estis la unua provo organizi apartajn universitatajn manifestaciojn kaj kiu bele sukcesis.

*S-ro Prof. Bujwid, Krakow*, bedaŭras, ke Esperanto ankoraŭ ne trovis la meritatan rekonon ĉe la univ. profesoraro, sed sciigas, ke tamen lastjare formiĝis en Poznan grupo de universitataj profesorojamikoj de nia movado kaj esperas, ke tio estos unua paŝo de vigla progreso inter profesoroj polaj.

*Stud. Steiner*, Vieno, raportas pri la movado en la aŭstriaj akademiaj rondoj kaj pri la agado de la tri jam ekzistantaj grupoj en Vieno kaj Graz.

*S-ro Karl Minor, Hamburgo*, laŭdas la belan agadon de esp. medicinistoj, kiuj donas ekzemplon al ĉiuj universitatanoj esperantistaj kaj kontribuas per ilia bela revuo al diskonigo de nia lingvo.

*S-ro Prof. Hch. Rissom (Bergedorf)* parolas pri la movado universitata en Germanujo, pri la Akademia Esperanto-Unuiĝo kaj Berlina Akademia Rondo.

*Stud. Gaston Van der Lyn* raportas pri la movado en belgaj universitatoj kaj pri la grupoj, antaŭ ne longe kreitaj ĉe la Brusela Universitato kaj la Antverpena Supera Instituto de Komerco.

*S-ro Prof. Collinson* estante devigata forlasi la kunvenon, transdonas la prezidantecon al S-ro P-ro D-ro Migliorini (Romo).

*Stud. Ziomek* raportas pri la movado en la polaj studentaj rondoj kaj pri la laboro de la tre viglaj studentaj grupoj ĉe la Universitatoj de Varsovio kaj Krakovo.

*S-ro Prof. Pinty*, el Alĝerio, proponas la kreon de provizora Internacia Komisiono de Universitatantoj, kiu servus kiel gvid-centro ĝis la kreo de Internacia Esperanto Universitata Federacio kaj zorgus pri la movado en la diverslandaj universitataj rondoj (profesoroj kaj studentoj). Instigante la starigon de landaj organizajoj, servoj k.t.p. Tiu ĉi propono estas unuanime akceptata. Por la komisiono estas elektataj: Prof. D-ro Bujwid, Krakow; Prof. Collinson, Liverpool; Prof. Migliorini, Romo; Prof. Schmidt, Hannover; Prof. Pinty (Algerio); stud. inĝ. Zylberstejn, Toulouse; stud. Eric Mawson, Liverpool; F-ino Bernson, Lille; S-ro Elvin, Cambridge; stud. John Lester Lewine, New-York; S-ro Ziomek, Krakow; S-ro Spiegel, Berlin. La komisiono estos kompletigota per reprezentantoj de aliaj landoj post interrilatado kun la respektivaj grupoj.

Fino de la kunsido: 11 h.

Post la kunsido okazis parolado pri Vieno, kun lumbildoj, invitante al la Antaŭkongreso en Vieno en 1929 kaj pri Budapest (Filmo), la urbo de la 21-a Universala Kongreso de Esperanto.

## FESTA KUNSIDO OKAZE DE LA 20-JARA JUBILEO DE LA UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

la 8. Aŭgusto 1928 en la Granda Salono de « Cercle Royal Artistique ».

### JUBILEA KUNVENO DE UEA

Milo da kongresanoj plenigis la vastan salonon por festi la 20-jaran jubileon de UEA dum la 20-a kongreso. D-ro Privat malfermis la kunsidon per mallonga parolado pri la fondo de UEA. Antaŭ 20 jaroj Hector Hodler tion faris por savi la Esperantistaron el teoriaj disputoj Tion li sukcesis kaj la uragano pasis. Hodiaŭ Ido preskaŭ mortis, sed Esperanto vivas kaj prosperas. Kvankam UEA

ankoraŭ na tute atingis la dezirindan dekmilon da anoj, ĝi fariĝis tamen la solida bazo de nia movado malgraŭ ĉiuj ekonomiaj malfacilaĵoj de la milito kaj postmilito. Danke ni memoru al tiuj, kiuj malaperis el niaj rangoj, sed kies inspiro vivas en niaj koroj: nia Majstro D-ro Zamenhof, Hector Hodler, Th. Rousseau, Bolingbroke Mudie k. d.

La komitato de UEA decidis esprimi sian- kaj vian-dankemon al 21 delegitoj de UEA, kiuj jam dejoris dudekjarojn, depost la fondo mem: ilin ĝi elektis honoraj membroj de la Asocio:

Georges BAIRE, Boulogne-sur-Mer; Paul BERENGUIER, Toulon; Louis BOUVIER, Poix; Charles BRUNET, Bordeaux; Antonio CARBONELL Y BOSQUE, Alcira; Ch. CRESP, Cannes; Walter BELL CURRIE, Burnley; Ernest DELIGNY, St-Omer; Eugène GABERT, St-Etienne; J. GARZON RUIZ, San Fernando; Albéric HUMEZ, Douai; Ludwig ISTEL, Wiesbaden; Charles JAYET, Morges; Bernhard KOTZ, Leipzig; Vojtech KRAUS, Praha; Stefano LA COLLA, Palermo; Armand LANDENNE, Huy; C. Vincent RICHARD, Tanger; François SOUBRANNE, Tulle; Georges STROELE, Neuchâtel; P. J. VERMAAS, Rotterdam.

Ĉe la lego de la nomoj la aŭdantaro ovacias ilin. Kelkaj ĉeestas la kunvenon kaj ricevas korajn gratulojn.

La sukceso de UEA estas antaŭ ĉio ŝuldata al la fidela oferema servado de ĉiuj delegitoj, ĉiutage kaj senbrue laborantaj en sia loko, diras D-ro Privat. Ili ĉiuj ricevu la esprimon de nia sincera danko!

Post la festa parto, venas la malfesta. Dum la vintro la gvidado kaj administrado de UEA estis furioze atakata. Ĉar la membraro nepre rajtas je plena kontrolo por scii la veron pri ĉio, la prezidanto petis la anojn de UEA en la plej gravaj naciaj Esperanto-Kongresoj elekti reprezentantojn por fari enketon en Genevo. La enketa komisiono sidis dum tri tagoj tie kaj zorge ekzamenis ĉiujn kritikatajn punktojn.

Ĝi faris al la estraro diversajn rekomendojn por plibonigo de kelkaj teknikaj aranĝoj, sed ĝi trovis tute ne laŭfaktaj kaj eĉ kalumniaj la ĉefajn asertojn presitajn en la Delanoue-cirkuleroj kaj ĝi forte protestis kontraŭ tia disvastigado de malveraĵoj.

S-roj Newell kaj Blaise legas la konkludojn de la enketa komisiono kaj, laŭ peto de la aŭdantaro, la tutan protokolon de ĝiaj ses kunsidoj en Genevo, poste ankaŭ la rezolucion de la publika kunsido de UEA kun la Naciaj Societoj, kiu esprimas sian fidon al la nuna estraro de UEA kaj dankas ĝin pro ĝia laboro. Ĝin konfirmas la kongresanoj kun granda aplaŭdo.

Post kelkaj demandoj pri la sankcioj kontraŭ kalumniantoj, la pli frua apero de la gazeto kaj la amplekso de la jarlibro, laŭ klarigaj respondoj de la Direktoro, la kongresanoj unuanime aprobas ankaŭ la raporton pri la pasinta jaro kaj faras ovacion al S-ro Hans Jakob.

Post fermo de la diskuto pri la raportoj, D-ro Privat esprimas dankon pro sia reelekto kiel prezidanto de UEA, kvankam li rifuzis esti kandidato, sed li ne deziras akcepti novan periodon de ofico. Li jam eksiĝis el ICK kaj petas, ke oni trovu alian prezidanton ankaŭ por UEA. Li ŝatus retiriĝi de la gvidaj ŝarĝoj por labori sur literatura kampo. Estas bone ŝanĝi niajn gvidantojn de tempo al tempo Ne unu homo, konkludas D-ro Privat, faras la sukceson de Esperanto sed miloj kaj miloj da sindonaj samideanoj en la tuta mondo per sia fidela kaj pacienca kunagado. »

S-ro Karl Minor protestas kontraŭ tiu eksiĝo. Ŝanĝo, estas utila nur kiam ĝi havigas plibonigon. Se ne, ĝi fariĝas granda perdo, eble neriparebla.

S-ro Mangada deklaras, ke la nuna prezidanto de UEA estas ne anstataŭebla kaj proponas konfirmi lin per aklamo. La kongresanoj stariĝas kun tondra aplaŭdo, sed D-ro Privat fermas la kunsidon per firma svingo de la sonorilo.

### 3-a LABORA KUNSIDO

la 9. Aŭgusto en « Cercle Royal Artistiqe ».

Komenciĝo: 15 h.

Prezidas: S-ro Frans Schoofs, prezidanto de la Kongreso.

*Generala temo: Oficiala raportaro.*

*S-ro J. M. Warden, Edinburgh, Vicprezidanto de la Akademio,* transdonas la salutojn de la Prezidanto de la Akademio S-ro Prof. Th. Cart, esprimante sian viglan bedaŭron, ke Prof. Cart pro div. kaŭzoj ne povas ĉeesti la kongreson. Li tre esperas, ke en la proksimaj kongresoj la prezidanto de la Akademio povos mem reprezenti tiun ĉi gravan institucion de nia movado.

Supozante, ke ĉiuj kongresanoj jam legis la oficiajn raporton de la Akademio, li nur mallonge komentarias la raportojn mem. Antaŭ ĉio li substrekas, ke la Lingva Komitato kaj la Akademio, malgraŭ al la kelkafoje esprimita kritiko laboras kaj funkcias laŭ plej bona povo. Por pli granda aktiveco kaj por pliaj laboroj necesas havi pli da mono. Ĝis nun mankas tiu rimedo.

Li petas ĉiujn; kiuj povas kunhelpi, subteni la laboron de niaj lingvaj institucioj.

Post tio la kunsido sen specialaj rimarkoj aplaŭde aprobas la raporton.

### RAPORTO DE ICK.

*S-ro Rob. Kreuz, ĝen. sekretario de ICK.*, konstatante la neeblecon laŭtlegi la tutan raporton de ICK. donas kelkajn klarigojn kaj kompletigojn al la raporto de ICK. ĉefe pri la propagando en transmaraj landoj (citante div. ekzemplojn de sukcesa agado en malfacilaj cirkonstancoj) pri la efiko de la kvinlingva bulteno « I.E.S. »; pri la graveco de interveno en kongresoj kaj konferencoj kaj pri la utileco de ŝlosiloj.

Li precipe atentigas pri la fakto, ke ICK. nur povas interveni,, se ekzistas la necesa bazo por laboro. ICK. ne povas interveni ĉie kaj nur agi laŭ siaj rimedoj disponeblaj. Ĝi ankaŭ povas sukcese helpi nur, se en la koncerna kampo troviĝas helpantoj, kiuj povas certigi kontinuecon de la komencita agado. Fine ne estas eble al ĝi kiel centra institucio de la movado interveni kie ajn sen kunlaboro de la koncerna nacia societo kaj de funkciantaj faksocietoj Malgraŭ ĉio la sekretariejo klopodas laŭpove servi plej individue.

*S-ro Mangada-Rosenörn (Madrid)* konfirmas sub la ĉapitro « Telegrafio » la decidon de la hispana poŝto pri allaso de « Esperanto » por tielnomataj « prokrastitaj telegramoj ».

*S-ro J. Fethke (Berlin)* rilatante al la punkto « Ekstera propagando » altiras la atenton al uzado de filmo kaj supozas, ke ICK. ĝis nun tute preterlasis tiun ĉi perspektivon.

*S-ro Kreuz, ĝen. sekr. de ICK,* respondas al tio, ke larĝa projekto de kulturfilmo per Esperanto estis jam pritraktata de ICK. La projekto ne efektiviĝis pro la neebleco fluidigi la necesan kapitalon.

*S-ro D-ro Döhler (Riesa)* atentigas pri la estonteco de « parolanta filmo » kaj insistas, ke ICK faru sian tutan eblon por tie enkondukigi Esperanton.

*S-ro Mangada-Rosenörn (Madrid* rekomendas, ke la Naciaj Societoj subtenu tiun ĉi klopodadon, ĉar sen tio ĝi ne sukcesos.

*S-ro Orengo (La Spezia)* petas informon, ĉu la siatempa novaĵo pri enkonduko de esperanto-afiŝoj en internaciaj vagonoj de Sudslavio estas serioza kaj propagandinda.

*S-ro Kreuz* respondas, ke jes kaj atentigas pri la koncerna sciigo en la oficiala raporto de ICK (pĝ. 47 de la Kongresa Libro). ICK. atendas ankoraŭ novan decidon de la ministerio por fina efektivigo de la afiŝado. La decido mem nur ekvalidiĝas laŭ la statuto de la Internacia Vagona Konvencio la 1. Majo 1928.

*S-ro Hoehn (Köln)* plende postulas klarigon pri tio, kion ICK. entreprenis, por ke Esperanto estu nepre reprezentata en la granda « Pressa »-ekspozicio.

*S-roj Kreuz (ICK.) kaj Schwarz (GEA.)* respondas al tio per la necesaj detaloj, el kio evidentiĝas, ke sole financ-kaŭzoj malhelpis manifestacion por Esperanto en tiu grava ekspozicio.

Post tio la raporto de ICK estas bloke aprobata de la kunveno.

*S-ro Schoofs, prezidanto de la kongreso,* tiam sciigas, le ICK. en sia kunsido okazinta ĵus antaŭ la 3-a Labora Kunsido faris la sekvantajn decidojn:

1. Elektis S-ron D-ron Em. Privat, Genève kiel hon. prezidanton de ICK.;
2. Elektis S-ron J. Merchant, Sheffield, kiel prezidanton de ICK.;
3. La kunsido de la Generalo Estraro jam reelektis la laŭvice eksiĝantajn membrojn de ICK., S-ron M. Rollet de l'Isle kaj S-inon Julia Isbrücker.

Li mallonge sed plej kore dankas je la nomo de la Kongreso, S-ron Privat pro la sennombraj servoj faritaj dum lia multjara gvidada periodo kaj gratulas lin pro lia elekto kiel honora Prezidanto de ICK

Al S-ro John Merchant, li adresas gratulojn dezirante al li grandan kuraĝon el la plenumo de la misio, kiun li transprenis de la ŝultroj de D-ro Privat: « La tasko estas malfacila. Je la nomo de la tuta organizita Esperantistaro la nova prezidanto akceptu koran bondeziron pri bona ŝanco! »

La kunsido per longa aplaŭdo esprimas sian simpation al la ĉi supraj decidoj.

### RAPORTO DE K.R.

*S-ro Fr. Schoofs,* sekretario-kasisto de K.R., resumas la raporton de la Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj Esperantistaj dum la pasinta jaro, el kiu aperas, ke se la kelkaj ĝis nun ne ankoraŭ pagintaj societoj plenumas sian devon, ni povos ĝoji pri senhalta progresado de la enspezoj, fakto kiu signifos, ke la Esperantistaro definitive konscias pri la neceseco regule subteni la centrajn organizaĵojn, kiujn devas ĝin reprezenti en la mondo.

Post mallonga diskuto la kunveno akceptas la raporton presitan en la kongreslibro.

### RAPORTO DE UEA.

La raporto de UEA ne plu estas legata, post kiam la jubilea kunsido de la Asocio ĝin jam aprobis

Per tio finas la ĉefa temo de la kunsido. Ĉar la tagordo enhavas ankoraŭ kelkajn gravajn punktojn diskutotajn, la prezidanto malfermas apartan diskuton pri ili.

*S-ro H. Steiner, prezidanto de la Muzea Komitato* diskonigas la detalojn pri la en Vieno iniciatita *Internacia Esperanto-Muzeo,* klarigante, kiaj grandaj perspektivoj malfermiĝas por ni fari tie efikan propagandon por ĉiam. Li alvokas ĉiujn esperantistojn helpi al tiu ĉi entrepreno kaj dankas kore al tiuj, kiuj tion jam faris.

*S-ro Schoofs* poste legas la sekvantan deklaron de la Generala Estraro rilate la Internacian Muzeon en Vieno, kiu tekstas:

« La Generala Estraro de la Esperanto-Movado, bazante sur la aparte farita decido, ke neniu propaganda entrepreno estu plu farata sen antaŭa certeco pri la financa flanko, protokole konstatas, ke la Internacia Esperanto-Muzeo, laŭ deklaro de la prezidanto de la iniciatinta komitato S-ro H. Steiner estante privata entreprenado sendependa, ne estas oficiala institucio de la Esperanto-Movado ».

Plena libereco estas lasata al ĉiu, kiu deziras subteni tiun ĉi entreprenadon. La prezidanto eĉ rekomendas tion fari laŭ plej bona povo.

*S-ro Schwarz de GEA (Berlin)* atentigas pri div. fondaĵoj neklaraj kaj petas rekomendi al la esperantistoj, fermi siajn poŝojn kaj monujojn kiam la oficialaj institucioj ne subtenas ilin aŭ ne povas preni sur sin la respondecon pri ili. *(Aplaŭdon.)*

*S-ro Anglada (Madrid)* demandas klarigojn pri la refondita Spesmila Banko. Li neniam ricevis respondon al siaj demandoj, kvankam la fondintoj promesis tian en siaj sciigoj.

*S-ro Kreuz* respondas, ke ankaŭ ICK. neniam ricevis respondon al siaj demandoj.

*S-ro Onnen (Amsterdam)* sciigas, ke la fondaĵo ne plu ekzistas.

*S-ro Krysta (Ĉeĥ. Teschen)* klarigas sian projekton al la Generala Estraro de la Movado organizi subskriban plebisciton por enkonduko de Esperanto en lernejojn de ĉiuj landoj.

*S-ro Kreuz* respondas, ke ICK konas la projekton, sed formalan proponon ricevis nur kelkajn tagojn antaŭ la kongreso. Pro tio ICK. ne povis ankoraŭ studi la detalojn. Li petas, ke S-ro Krysta, por konformiĝi al la ĵus farita decido de la Generala Estraro ankaŭ donu la necesajn klarigojn pri la antaŭvidita aŭ antaŭvidota financa solvo de la projekto.

*S-roj Hromada (Praha), Dubois (Paris), D-ro Liebeck (Berlin)* kaj *D-ro Dreher* (Krakow) farante kelkajn rimarkojn pri la detaloj varme subtenas la tutan ideon.

La *prezidanto* proponas post la diskuto, ke S-ro Krysta sendu ankoraŭ ĉiujn detalojn pri la propono al ICK. en Genevo, kiu tiam okupos sin pri la tuta afero por vidi, kiamaniere ĝi estas efektivigebla.

Post kelkaj oficialaj informoj rilate la proksiman programon, S-ro Schoofs fermas la kunsidon.

Fino: 18,20 h

FERMA KUNSIDO

(Rezolucioj)

10 Aŭgusto 1928 en « Cercle Royal Artistique ».

Komenciĝo: 11 h.

Prezidas: S-ro J. Merchant.

*S-ro Merchant*, malfermante la lastan kunsidon de la Kongreso, salutas korege la kongresanojn. Li sciigas, ke D-ro Privat, ne prezidas la Ferman Kunsidon kaj ke li reprezentas lin en ĝi. Ni ne perdis lin, diras S-ro Merchant, ni ne perdis liajn talentojn kaj kapablon, lian fervoron kaj lian entuziasmon por nia afero. Ankaŭ estonte li estos nia fidela kunbatalanto, kiu servos al Esperanto, ĉiam, kiam li povos. Sed post multjara laboro li decidis ripozi kaj ne plu preni sur sin la samajn ŝarĝojn, kiujn li ĝis nun havis. D-ro Privat intencas dum proksima tempo sin dediĉi pli intense al verkado en Esperanto Estas nenia dubo pri tio, ke li denove valore pliriĉigos nian literaturon. Ni bondeziras lin pro tio.

*S-ro P. Tolnai* (H.E.S.), en la nomo de la Prepara Komitato de Budapest, invitas kore al vizito de la 21-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en la hungara ĉefurbo. ICK definitive akceptis la inviton. La Budapestaj samideanoj ĝuas la helpon kaj subtenon de ĉiuj oficialaj institucioj kaj preparas seriozan kongreson, kies unua celo estas servi al nia granda idealo. *(Aplaŭdo.)*

La *Konst. Generala Sekretario, S-ro Kreuz*, laŭtlegas proponon de rezolucio, ricevitan de S-ro Nikolao Hohlov:

« La 20-a Universala Kongreso de Esperanto en Antverpeno sankcias la *14 Aprilo* de ĉiu jaro (la mortotagon de D-ro Zamenhof) kiel *Tagon de la Originala Esperanto-Literaturo*. »

La propono estas sen diskuto unuanime akceptata per aklamo.

*S-ro Merchant* sciigas la kongreson pri la ĵusa morto de Eksministro Radic de Sudslavio, fervora, konvinkita kaj varma amiko de nia afero en tiu lando. Li memorigas kiujn utilajn servojn li faris al nia afero per sia influo al eminentaj diplomatoj kaj parlamentanoj en div. landoj. La Esperanto-movado perdas en li sinceran defendanton de nia granda idealo.

La Konst. Generala sekretario post tio legas saluton de la sudslavaj esperantistoj al S-ro Radic.

Por honori la mortinton, la prezidanto petas la ĉeestantojn leviĝi de siaj seĝoj.

*S-ro Ch. Tarelli, oficiala delegito de la Internacia Laboroficejo en la Ligo de Nacioj en Genevo*, salutas la kongreson en la nomo de tiu grava institucio. S-ro Tarelli bedaŭras, ke pro oficdevoj li alvenis nur malfrue al la kongreso kaj ne havis eblecon ĝin saluti antaŭe. Li memorigas la praktikan uzadon de Esperanto en la Labor-Oficejo, kiu prezentas sendube plej bonan helpon al la ĝenerala enkonduko de Esperanto. *(Aplaŭdo.)*

Post tio la Konst. Generala sekretario prezentas proponon de 2-a rezolucio, submetitan de pluraj amikoj de la Internacia Labor-Oficejo kaj de ĉeestantoj al la interesa prelego de S-ro Tarelli en la Somera Universitato, kiu tekstas laŭjene:

« La Kongreso,

» aŭdinte la paroladon de la reprezentanto de l'Internacia Laboroficejo de la Ligo de Nacioj,

» gratulas la Oficejon pro ĝia konstanta partopreno en la Universalaj Kongresoj de Esperanto kaj pro ĝia fruktodona uzo de Esperanto por ĝiaj celoj,

» kaj esperas, ke la Esperantistoj en ĉiuj landoj bone komprenos la gravan rolon, kiun la Internacia Labor-Oficejo ludas en la mondo kaj la fortan apogon, kiun ĝi bezonas kaj meritas de la naciaj aŭtoritatoj kaj de ĉiuj homoj, dezirantaj socian justecon kaj internacian pacon. »

La rezolucio estas unuanime akceptita.

*S-ro Victor Hendricx, Sekretario de la Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj* sciigas detalojn pri la traktado de la Kongreso de Blindaj Esperantistoj. Li ankaŭ informas pri la sekvanta rezolucio de tiu kongreso, rekomendante, ke la 20-a Universala Kongreso de Esperanto faru tiun rezolucion la sia. Ĝi tekstas:

« La 4-a Generala Kunveno de la Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj kunveninta en sia 7-a Internacia Kongreso en Antverpeno, de la 3—11 Aŭgusto,

» konsiderante la gravecon kaj utilecon de Esperanto por la tutmonda blindularo, decidas peti ĉiujn blindul-institutojn, ke Esperanto fariĝu instrua fako, komence ne-deviga, poste deviga. »

U.A.B.E. diskonigos tiun ĉi rezolucion en nacilingvaj cirkuleroj al ĉiuj blindul-institutoj.

La Kunsido unuanime akceptas per aklamo la rezolucion de la Blindulkongreso kiel la sian.

*S-ro D-ro Privat*, kore aplaŭdita antaŭ ol komenci paroli, esprimas koregan dankon al S-ro Schoofs, la ĉefa organizinto de la kongreso, al lia edzino kaj al ĉiuj ne unuope nomeblaj kunlaborantoj. Ili faris eksterordinaran laboron, dum monatoj krom sia profesia laboro dum malmultaj liber-horoj kaj noktohoroj dediĉis sian tutan forton al la preparo de tiu kongreso, kiu estas unika sukceso.

Li mem, nun retiriĝanta de la oficialaj ŝarĝoj, sed tute ne forlasanta nian aferon aŭ eĉ la vicon de la aktivuloj, deziras direkti kelkajn konsilojn al la esperantistoj.

Li rekomendas, ke novaj esperantistoj legu unuavice la verkojn de nia majstro. Ili memoru pri lia celo kaj lia karaktero. Nia majstro Zamenhof vidis ĉion bonan en la homo. Li ne konis suspekton, estis pacema kaj cedema. Li sciis juĝi la povon de ĉiuj, kiuj povas alporti utilon al nia afero. Li kordeziras, ke ĉiuj samideanoj komprenu tiun larĝaniman spiriton, kiu gvidis la movadon dum la tempo de lia vivado. Li bedaŭrinde ne plu povas ĉeesti niajn impresajn manifestaciojn, sed ni povas ĵuri labori pli kaj pli por Esperanto por konigi lian verkon vivantan eterne en la homaro. *(Granda, ripetita aplaŭdo.)*

Post li prenas la parolon, *S-ro Feliks Zamenhof*, frato de nia mortinta majstro. Mi venis, li diras, kun timo al tiu ĉi kongreso, supozante, ke prepariĝas io malbona. Laŭ la spertoj jam faritaj mi vidis nigran fantomon. Feliĉe mia supozo estis erara. La aero liberiĝis. Ni povas facile spiri de nove. Niaj nerompitaj fortoj internaj apogos la aferon. Li admonas resti fidela al la fundamento lingva de Esperanto kaj al la ideo interna de nia movado, kiu, kvazaŭ fajro vivas, brulas kaj lumigas la vojon, kiun iras ĉiuj amikoj de nia alta idealo. Li kredas, ke estas ĉies deziro, ke la Dudeka estu oferaltaro, sur kiu forbruliĝu por ĉiam ĉiu malamo, malŝato kaj pasio. *(Forta aplaŭdo.)*

*S-ro Merchant* en la nomo de la Generala Estraro de la Movado dankas kore al S-ro Schoofs kaj liaj helpantoj kaj ripetas la dankon al D-ro Privat pro la sennombraj servoj, kiujn li faris por progresigi nian aferon.

*S-ro Schoofs* kortuŝite dankas al la estraro kaj ĉiuj kongresanoj pro la helpo, kiun ili alportis. La kongresanoj, li diras, faris mem la plej utilan propagandon, venante tiom multnombre. Kiel pruvas la gazetraportoj la semo de Esperanto jam dufoje ĵetita en la teron de Antverpeno kaj Belgujo portis riĉan frukton. Ĉiuj Antverpenanoj kaj la belgaj samideanoj zorgos, ke nia rikolto plimultiĝos de jaro al jaro. La Kongreso nun finiĝas kaj li esperas, ke post ne longe ĉiuj organizintoj reprenos sian antaŭan aktivecon por la ĝenerala propagando. *(Vigla aplaŭdo.)*

*S-ro Merchant*, kiel novelektita prezidanto de ICK, dankas poste al ĉiuj estraranoj de la movado, kiuj faris utilan laboron. Li ankaŭ esprimas sian sinceran dankon al la ĉefoficistoj en la Centro, S-ro Robert Kreuz, Generala sekretario de ICK, kaj S-ro Hans Jakob, direktoro de UEA kaj iliaj helpantoj. Iliaj salajroj ne estas altaj, li diras, kaj la pago eĉ ne povas anstataŭi ilian amon por nia komuna laboro. *(Aplaŭdo.)*

*S-ro Schoofs* sciigas, ke la nombro de l'kongresanoj atingas reale 1495, do preskaŭ 1500. Kia kontenteco regas, montras, ke ĉ. 600 samideanoj enskribiĝis por partopreno en la kongresa festeno. Certe tiu lasta ekzemplo estas signo de solidareco ankoraŭ ne konstatita en antaŭaj kongresoj.

*S-ro Merchant* kore gratulas pro tiu ĉi sukceso.

Fine *S-ro Hans Jakob, direktoro de UEA*, esprimas sian koran dankon al ĉiuj, kiuj rekonis kion oni faris en la Centro, kaj indulgis, kion oni ne faris. Li regajnis sian fidon en tiu ĉi kongreso kaj hejmeniras kun nova kuraĝo. Li esperas pri ĝoja revido en Budapest.

*S-ro Merchant* diras, ke estas bone kaj utile rerigardi, por vidi, kio okazis antaŭe kaj en la ĵusa kongreso. Li kredas, ke ni povas konstati senhaltan antaŭeniron de nia movado. Per la vortoj: ni iru hejmen kun nova kuraĝo kaj refortigita entuziasmo, harmonie kaj konkorde kunlaboru estonte por nia granda Esperanto-afero, li fermas la kunsidon.

La kongresanoj leviĝas kaj starante kantas la himnon « La Espero ».

Fino 12,15 h.

---

### LA KUNSIDO PRI CIRKULEROJ DELANOUE

La Komitato de UEA invitis ICK. kaj la reprezentantojn de la naciaj societoj publike sidi kun ĝi por aŭdi la raporton de la enketa komisiono pri la cirkuleroj Delanoue. S-ro Delanoue mem ankaŭ estis invitita kun parolrajto.

La kunsidon prezidis D-ro Stromboli, ano de ICK., kiu ĝin malfermis dimanĉon vespere je la 8-a.

S-ro Mangada plendis, ke neniu Hispano partoprenis en la enketa komisiono. S-ro Prager diris, ke la Rumanoj povus plendi same, sed ili bone komprenis la urĝecon de la afero kaj la neeblecon inviti ĉiujn naciojn pro manko da tempo kaj mono. P-ro Bujwid aldonis, ke la Poloj ankaŭ ne plendas kaj trovas taŭge ke la enketan komisionon elektis la anoj de UEA en la grandaj naciaj kongresoj franca, brita, germana kaj ĉehoslovaka.

Laŭ peto de S-ro Blaise, S-roj Hromada kaj Newell legis, ne nur la publikajn konkludojn de la Enketa komisiono, sed la tutan protokolon de ĝiaj ses kunsidoj. En ĝi estis aparte rimarkitaj la juĝo pri la ĉefaj demandoj levitaj en cirkuleroj Delanoue:

*Redaktoro kaj Komitatano:*

« Esplorinte la statuton, laŭ artikoloj 32 kaj 39, la komisiono konstatas, ke nur la direktoro kaj vicdirektoro ne rajtas esti komitatanoj; do la redaktoro de la gazeto rajtas esti membro de la komitato kaj sekve prezidanto se oni lin elektas. »

*Redaktora honorario:*

« Laŭ la kvitancoj, ĝi dividiĝas jene: Fr. 250.— monate por redakta laboro kaj Fr. 250.— por kovro de propagandaj, korespondaj kaj reprezentaj elspezoj. D-ro Privat montris al la komisiono ke tiuj multaj kaj konstantaj elspezoj ofte preterpasas tiun sumon kaj ke li estis devigata por la bono de Esperanto fari plurajn urĝajn vojaĝojn petante neniun subvencion, nek de UEA, nek de ICK. Li estis ankaŭ devigata rezigni je pluraj profesiaj okupoj por sin dediĉi pli libere al disvastigo de Esperanto. Interalie li forlasis en 1922 bone pagatan postenon de tradukisto ĉe la Ligo de Nacioj por akcepti honoran funkcion en la Persa Delegacio kaj havi la eblecon voĉdoni kaj defendi Esperanton en la komisionaj kunsidoj de la Ligo de Nacioj. D-ro Privat deklaris, ke li volonte fordonos tiujn Fr. 250.— monate se oni liberigos lin de liaj propagandaj kaj gvidaj elspezoj por la movado. La komisiono trovis ke la sumo tute ne estas tro alta; ĝi konstatis ke D-ro Privat ne volis akcepti en 1925 salajron proponitan al li de ICK. La komisiono vidis la respondojn de la komisionanoj aprobantaj la honorarion de la redaktoro. Ilia voĉdono estis unuanima. »

*Abono al ĵurnaloj.*

« La komisiono konstatis ke la Centra Oficejo abonas 3 ĵurnalojn kaj 2 revuojn nacilingvajn por entuta sumo de Fr. 120.— jare. Neniu el ili estas uzata de la prezidanto. Ili servas por ekonomia kaj komerca informo de la Oficejo. La komisiono konstatas, ke la sumo estas ne alta. »

*Preskosto de la gazeto.*

« La komisiono konstatas eraron en la citado de ciferoj en cirkulero Delanoue. Li citis kiel suman koston de papero kaj kliŝoj sumon de Fr. 1,152.—, kiu montras en la raporto de UEA *nur la pligrandiĝon* de tiuj kostoj dum 1926, kaj li tute forgesas la afrankon. Do la diferenco de Fr. 9,000. —, kiun li enkalkulas, tute ne ekzistas kaj estas nur rezultato de lia eraro. »

*Vojaĝelspezoj.*

« La komisiono vidis kaj aŭdis la ciferojn pri vojaĝelspezoj dum la jaroj 1920 ĝis 1927, trovis ilin ne tre grandaj kaj aprobindaj. Ili estis regule permesataj kaj aprobitaj de la komisiono de UEA kaj ĉefe entenas necesajn vojaĝojn de la direktoro kaj ĉefdelegitoj pri organizo de naciaj teritorioj de UEA, speciale en 1926. Inter la vojaĝintoj je kosto de UEA troviĝas ankaŭ la kritikinto S-ro Delanoue mem, kiu vizitis la C. O. en 1927 laŭ invito de la Direktoro. »

Jen la ciferoj:

| | | |
|---|---|---|
| 1920 | Fr. | 569.— |
| 1921 | | — |
| 1922 | | — |
| 1923 | | — |
| 1924 | | 235.— |
| 1925 | | 575.— |
| 1926 | | 1360.— |
| 1927 | | 580.— |

*Landnomoj.*

« La komisiono aŭdis dokumentitajn klarigojn de S-roj Privat kaj Stettler, kiuj konvinkis ĝin ke ĝuste D-ro Privat neniam proponis aŭ favoris la sufikson *io*, nek ĝin trudis al UEA, sed male. Li devis agi konforme al la decidoj de la komitato, bazitaj sur permeso de la Akademio « ekprovi tiujn novajn formojn, ilin eksperimenti kaj konstante uzi se ĝi trovas ilin praktikaj » (raporto pri geografiaj nomoj, antaŭparolo de Rektoro Boirac, prezidanto de l'Akademio, Oficiala gazeto, Julio 1910) kaj sur la deklaro de la komisiono de UEA aperinta en Oficiala Informilo, Julio-Aŭgusto 1921 kaj entenanta la deklaron de Prof. Cart: « Oni rajtas diri internacie *Germanio Italio* kaj ne povas nei ke la rajton vi havas laŭ artikolo 15 de la Fundamento, sed ne *Svisio*, *Anglio*, kiuj estas nek internaciaj, nek pravigeblaj.

» Nun la tuta afero likvidiĝis per simpla reveno de UEA al la tradiciaj formoj en ujo por eviti daŭrigon de malagrabla polemiko.

» La komisiono konvinkiĝis per dokumentoj pri la historia evoluo de tiu afero, ke neniam ekzistis ĉe UEA deziro agi kontraŭ la Fundamento, sed ke regis ĉe la sekvintoj de Hodler forta deziro demandi la principon de libera evoluo de la lingvo kiel ĝin klarigis Zamenhof en la antaŭparolo de la Fundamento. »

*Elektoj al la Komitato.*

« La komisiono konstatis, ke la elektoj al la komitato estis laŭstatute faritaj kaj kontrolitaj, sed ĝi atentigis pri presesaro en unu el la ciferoj publikigitaj: la presisto metis 1926 anstataŭ 1926 kiel sumon de la ricevitaj voĉdoniloj. »

*Parenceco de komitatanoj.*

« La komisiono konstatis ke S-ro Paul Bouvier, delegito de UEA en Genève, kiu estas kompetenta administranto kaj tre malavara helpanto kaj ano de UEA, estis proponita de S-ro Stettler kiel komitatano kaj elektita en 1924 en la komitaton kaj en 1925 en la komisionon.

» En 1926 li fariĝis bofrato de D-ro Privat. La komisiono ne konsentas ke li eksiĝu pro tio, ĉar ĝi ne vidas neceson ke du boparencoj ne sidu en tiu komitato. Estus alia afero se komitatano fariĝas parenco de la direktoro, kies kontojn li devus kontroli. La komisiono estas danka al S-ro Bouvier pro lia kontrolado kaj konsilado al S-ro Hans Jakob pri ekonomiaj aferoj. »

### PUBLIKA DEKLARO DE LA ENKETA KOMISIONO

(Vidu p. 189,Of. Informilo.)

Pos. okazis diskuto en kiu partoprenis S-ro Delanoue, D-ro Privat, S-ro Hans Jakob, S-ro Nylén, S-ro Nemseĉi, S-ro Warnier. Fine, laŭ propono de S-ro Isbrücker, subtenata de D-ro Dietterle kaj D-ro Arnhold, la kunsido voĉdonis unuanime la jenan rezolucion:

« La komuna publika kunsido de UEA, KR kaj ICK, okazinta la 5-an de Aŭgusto 1928 en Antverpeno, aŭdinte la kompletan protokolon de la Enketa Komisiono kaj la diskutojn rilate al la cirkuleroj de S-ro Delanoue en ties ĉeesto,

Metas la honoron kaj honestecon de la nuna estraro de UEA super ĉies suspekto,

dankas la estraron pro la ĝis nun de ĝi farita laboro

kaj decidas konigi tiun rezolucion al la kongresa kunsido. »

Prof. Bujwid esprimis sian miron, ke S-ro Delanoue ne diris eĉ unu vorton de bedaŭro post pruvo ke liaj asertoj estis malpravaj.

S-ro Delanoue respondis, ke li ne estas tute libera, ĉar aliaj kunlaboris je liaj cirkuleroj, sed li ne celis ataki personojn.

Ĉiuokaze neniu punkto el liaj kulpigoj restis pravigebla.

---

# Esperantista vivo

*Naskiĝoj.* — Al geŝamideanoj *Bergmann*, ano de UEA en Ebersbach i/Sa. naskiĝis filo, Helmut.

— Al Ge-sroj *Manka* kaj *Otto Ginz* en Praha naskiĝis filo nomita Petro.

— Al Ge-sroj *Victor Hendricx*, anoj de UEA kaj BLE naskiĝis filineto Elfrida.

— Al Ge-sroj *Prenois*, ano de UEA 24302, en Valenciennes, Francujo, filino Yolande.

— Al Ge-sroj *Nathan Sadagursky*, delegito de UEA en Ozone Park, New York City, filino nomita Rita.

— Al Ge-sroj *Hoppe*, ano de UEA, en Wiltschau, 6, Breslau, filino nomita Ruth Maria.

*Fianĉiĝoj.* — S-ro *Richard Neumann*, VD. de UEA, en Hirschberg, Silezio, kun F-ino Hedel Schneider, en Bad Warmbrunn.

*Edziĝoj.* — S-ro *H. Oberländer v. Sternberg*, D. de UEA, en Czortków, Polujo, kun F-ino *Bronia Fenster*.

— S-ro *L. N. Newell*, Redaktoro de International Language, kun F-ino *Nellie Barker*, Londono.

— S-ro *Rag. Pierino Castiglioni*, Delegito de UEA, en Como, Italujo, kun F-ino *Pierina Introzzi*.

— S-ro *Stefano Bartha*, eksdelegito de UEA, en Arad, kun F-ino *Irenjo Damjanow*.

— S-ro *Albert Meuleman*, ano de UEA, en Antverpeno, Belgujo, kun F-ino *Lea Loots*.

— F-ino *Lotte Witte*, D. de UEA. en Herford, German., kun S-ro *Teiso Eisaki*, japana samideano, MA. 26504.

*Honorigo.* — S-ro *Augustin Pitlik*, supera sekretario en la Ministerio de Komerco, Praha akiris la gradon de filozofia doktoro.

— S-ro *Karl von Frenckell*, konsulo de Finnlando, estis elektita honor-senatano de la Teknika Altlernejo, en Dresden okaze de ĝia centjara jubileo.



## Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis.

**Oficiala Informilo**

Jaro 1928, N-ro 10.

## PUBLIKA DEKLARO DE LA ENKETA KOMISIONO

**Laŭ propono de la prezidanto de UEA kunvenis en Ĝenevo 23-24 kaj 25-a de Julio Enketa Komisiono por ekzameni la gvidadon kaj administradon de la Asocio. Prezidis S-ro Stettler, honora prezidanto de UEA, kaj partoprenis el Ĉeĥoslovakujo D-ro S. Kamaryt, el Britujo S-ro L. N. Newell, kaj el Germanujo D-ro A. Vogt, elektitaj de la kunsidoj de UEA-membroj en tiuj landoj; el Francujo S-ro Georges Warnier, reprezentanta la Komisionon elektitan de la Nacia kongreso, plie du membroj delegitaj de la Komisiono de UEA, S-roj R. Hromada el Praha, kaj M. Génermont el Moulin, Francujo.**

*Administrado.* — La Komisiono konvinkiĝis, ke la administrado de la Asocio estas honesta kaj ŝparema. La Asocia Kapitalo sumas nun same kiom en 1924 kaj estas zorge kaj severe administrata. La Komisiono konstatis la bonordon de la kontoj de la C. O. sed atentigis pri diversaj teknikaj detaloj indaj je plibonigo kaj donis konsilojn pri ili.

*Gvidado.* — La Komisiono konstatis ke la prezidanto de UEA kaj ICK ricevas neniun salajron por sia granda propaganda kaj prezida laboro, sed nur modestan honorarion por redakti la gazeton *Esperanto* kaj parte kovri liajn elspezojn en propagandaj entreprenoj, sumon laŭstatute fiksitan de la Komisiono de UEA.

*Redaktado.* — La artikolo « Ni restos fidelaj » aperinta en la Januara numero de *Esperanto* kaj naskinta bedaŭrindan polemikon prave celis agadon pri kiu la raporto de la Enketa Komisiono faros plenan lumon.

*Lingvaj demandoj.* — La Komisiono konvinkiĝis ke la estraro de UEA sincere deziras konformiĝi al sia statuto pri uzo de la lingvo de Zamenhof kaj eviti lingvajn malpacojn kun la Lingva Komitato kaj eviti lingvajn malpacojn kun la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio.

*Cirkuleroj Delanoue.* — La Komisiono bedaŭras ke S-ro Delanoue, ĉefdelegito de UEA en Paris, anstataŭ informiĝi pri la faktoj kaj uzi la laŭstatutan vojon por plendoj disvastigis erarigajn cirkulerojn kaj misuzis nomojn aŭ eltiraĵojn el leteroj de aliaj personoj, kiuj poste protestis kontraŭ lia ago.

La Komisiono konstatis ke liaj cirkuleroj entenas malveraĵojn kaj kalumniojn, kiuj meritas severan riproĉon kaj kontraŭ kiuj devas esti protektata la honoro de sindonaj homoj oferantaj sian tempon kaj monon por la movado.

*Konkludo.* — La Komisiono konvinkiĝis, ke neniu ago malhonesta aŭ kontraŭstatuta okazis kaj ke la elektoj al la Komitato estis tute regule faritaj kaj kontrolitaj. Ĝi raportos detale al la Komitato de UEA pri ĉiu el la ekzamenotaj punktoj kun la celo kiel eble plej perfektigi la funkciadon de la C. O. Ĝi certigas al la esperantistaro, ke UEA meritas ĝian plenan fidon kaj ĝi alvokas al ĉiuj samideanoj ke ili subtenu tiun solidan bazon de nia movado per multnombra aliĝo kaj fidela konstanteco al nia *Universala Esperanto-Asocio.*

Subskriboj :

Ed. Stettler; M. Génermont; Rud. Hromada;
S. Kamaryt; L. N. Newell; D-ro A. Vogt; G. Warnier.

*Decido de la Komisiono de UEA.* — La Komisiono de UEA konstatinte la malpravecon de la asertoj de S-ro Delanove malaprobas lian procedo-manieron, kiu endanĝerigas la tutan Asocion. Ĝi decidis apliki la statuton, art. 60-61 kaj eksigi S-ron Delanoue kiel ĉefdelegito por Francujo kaj kiel delegito por Parizo. La decido okazis unuanime, sub la kontrolo de la vicprezidanto de UEA, S-ro J. Karsch, Dresden. La Komisiono de UEA ŝarĝas la Direktoron okupiĝi pri la reorganizo de la Franca teritorio.

*Deklaro.* — D-ro Privat deklaras per tio-ĉi, ke li neniam kalumniis Sinjoron Grenkamp nek atakis lian honoron.

S-ro Grenkamp deklaras siaflanke ke li ne deziras daŭrigi malpacon kontraŭ D-ro Privat.

**NOVAJ DELEGITOJ :**

**Amriswil** (Svislando, Thurgau). D.: S-ro Franz A. Rispy, Radmühle.
**Borlange** (Sved. Dalekarlio). D.: S-ro Martin Jansson, Frostbrunn; VD.: F-ino Edith Bodén, instruistino.
**Castrop-Rauxel** (Germ., Westfalen). D.: S-ro F. Schmidt, Viktorstr., 11.
**Cawker City** (Usono, Kansas). D.: S-ro William L. Collins, poŝtoficisto.
**Dampit** (Ned. Indio, Java). D.: S-ro D. Th. Uden Masman, Plantejo Petoeng Omboh.
**Dannemora** (Usono, New York). D.: S-ro Bl. R. Webster, State Hospital.
**Ebelsberg** (Aŭstrujo, Ober Oest.). D.: S-ro Josef Neuhofer, Ufer 24.
**Foten-Peŝtersko** (Bulg. Plovdiv). D.: S-ro Grigor Valĉanov, oficisto.
**Fremont** (Usono, Nebraska). D.: S-ro J. Ed. Bauman, Hotel Hetty, room 30.
**Heiligenkreuz b. Baden** (Aŭstr. N. O.). D.: Pastro D-ro P. N. Hofer, Stift Heiligenkreuz.
**Kielce** (Pollando). D.: S-ro Dawid Frischman, ul. Czysta, 31.
**Knjazevac** (S. H. S. Tomocka oblast). D.: S-ro R. V. Mileskovic, Knjigovodja.
**Kosice** (C. S. R.). Kom. D.: S-ro Josef Weidl, Mäsiarská ul. 59.
**Ljubljana** (S. H. S.). Slovenac). D.: S-ro D. Herkov, 217-1 Zelena Jama; VD.: S-ro Jernej Jelenic, Stara pot, 1.
**Nagykoros** (Hung. Peŝt.). D.: S-ro Ant. Khirer, I. Ker. Tavasz. u. 47.
**Norderney** (Germ. Hannover). VD.: S-ro Otto Wiemers. Knyphausenstrasse, 24.
**Nottingham** (Brit. Nott.). D.: S-ro H. O. Schofield, 57, Caledon Road.
**Novo Mesto** (S. H. S. Sloven.). D.: S-ro Franjo Modrijan, Profesoro.
**Parahyba** (Brazilo). D.: S-ro Oséas Silveira, rua Maciel Pinheiro.
**Pérray-Vaucluse** (Francl. Sein-et-Oise). D.: S-ro Jean Dessens, 181, rue du Parc.
**Rueil-La Malmaison** (Francl. Seine-et-Oise). D.: S-ro André Cligny, 10, rue des Bois.
**Rowne** (Pollando, Wolyniu). D.: S-ro Izaak Zafranski, ul. Sienna 1; VD.: S-ro Mordko Icekzon, ul. Jagiellonska, 29.
**Salon** (Francl. Bouches-du-Rhône). D.: S-ino M. A. Rivière, 40, boul. Maréchal Foch.
**Schwarzenberg** (Germ. Sa.). D.: S-ro Karl Knopf, Obere Schlosstr., 32.
**Sées** (Franc., Orne). D.: S-ro Amédée Autin, 18-20, rue Billy.
**Segovia** (Hispanio) D.: S-ro Luis Florez, Art. Kapitano, 16-a Regimiento Ligero.
**Semily** (C. S. R. Bohemio). D.: S-ino R. Pluharová, Tyrsova ulice.
**Sopron** (Hung.). D.: S-ro Johano Fogl, all. polg. finiskola.
**Sorocaba** (Brazilo, Sao Paulo). D.: S-ro Fred. Mayerhauser, Caixa postal 59.
**Spálené Porici** (C. S. R. Plzen). D.: S-ro Bedrich Tittl, Fabrikestro.
**Stans** (Svisl. Nidwalden). D.: S-ro Willy Flammer, Kollegium St. Fidelis.
**Stjordal** (Norvegujo). D.: S-ro Arnulf Herstad, telegrafestro.
**Ŝumen** (Bulg. Ŝumenski Okrug). S-ro Iliia Silvestriev, ul. Otec aisij.
**Teplitz-Schönau** (C. S. R. Bohemio). D.: F-ino Gertrude Grund, Mühlgasse, 4.
**Trzic** (S. H. S. Slovenio). D.: S-ro Djuro Lukacevic, Trzic-Gorenjsko.
**Valkenburg** (Nederl. Limburg). D.: S-ro M. H. Geenen, Limmel-Maastricht.
**Vel'ké Uherce** (C. S. R. Slovakio). D.: S-ro Emil Tapay, V. U. Okres Topolcany.
**Villeneuve-St-Georges** (Franc. Seine-et-Oise). D.: S-ro Lucien Lespicier, rue Jean Louis.
**Valárna** (C. S. R. Kolin). D.: S-ro Jan Janda, Poŝta Ojare u. Kolina.
**Warmeriville** (Franc. Marne). D.: S-ro Roger Peltier, rue des Vagériaux.
**Wignehies** (Franc. Nord). D.: S-ro Emile Baudet, 18, rue Jules Guesde.
**Zlatarica** (Bulg. Elensko). D.: S-ro Bogomil Radoslavov; VD.: S-ro Marin Kaparaŝev, uĉitel.

**ŜANĜOJ :**

**Cagnes-sur-Mer** (Franc. Alp. Mar.). D.: S-ino J. Niel-Funel, instruistino.
**Ceské Budejovice** (C. S. R. Bohemio). D.: S-ro Fr. Nahma, Skuherského, 51-11; VD.: S-ro Vojtech Drnek, Linecká, sil. 10.
**Delft** (Nederl. Zuid-Holland). D.: S-ro Joh. R. G. de Veer, Wijnhaven.
**Flint** (Usono Michigan). D.: S-ro Saul J. Jaffe, P. O. Box 72.
**Gersau** (Svisl. Schwytz). D.: S-ro Otto Haller, z. Frieden; VD.: S-ro Fidèle Nigg, komercisto
**Gherla** (Rumanio, Trans.). D.: S-ro Béla Babos, Str. Moril, 1.
**Hälsingborg** (Sved. Skane). D.: S-ro G. H. Bachman, Ramlosa Brunn.
**Halden** (Norvegujo). D.: S-ro Henry Fridén, Skippergaten, 10; VD.: S-ro Arvid Pihlström, Oskleven, 26.

**Harburg a. E.** (Germ. Hannover). D.: S-ro Alfred Grube, Kreuzstr. 1; VD.: S-ro Ernst Schur, Haakestr., 10.
**Karvina** (C. S. R. Silezio). S-ro Emanuel Sebera, nádrazi, 594; VD.: S-ro Teodor Niemiec, No. 1537 Sovinec.
**Kilbirnie** (Britl. Skot.). D.: S-ro Robert Partridge, St. Aubin.
**Krakow** (Pollando, Galicio). D.: S-ro Ignacy Wiesenberger, ul. Powisle 12; VD.: F-ino Rena Weinberg, ul. Sw. Anny, 9.
**Kreuznach Bad** (Germ. Rhld.). VD.: S-ro Oswald Weisser, Hofgartenstrasse, 74.
**Linz a/D.** (Aŭstrujo). D.: F-ino Sophie Cipera, Schubertstr., 42.II.
**London**, Brixton (Brit.). D.: S-ro L.N.M. Newell, 1, Spencer-Mansions, Queen's Club Gardens. W. 14.
**Milwaukee** (Usono, Wisconsin). D.: S-ro Rud. Goldner, 459, Walker Street. Komerca D.: S-ro Isidore S. Horwitz, 630 51 Str.
**Mulhouse** (Franc. H.-Rhin). D.: S-ro Albert Badondeau, 39, r. Laurent.
**Port Said** (Egipto). D.: S-ro Georgo Haddad, ĉe Banque Ottomane; VD.: S-ro Aziz Yazdi, ĉe Bangue Ottomane.
**Siedlce** (Pollando). D.: S-ro Bolesaw Zmuda, ul. Prospektowa, 20.
**Spever a/Rhein** (Germ. Pfalz). D.: S-ro O. Fr. Wetzig, Korngasse, 16.
**Tilsit** (Germ. Ostpreussen). VD.: S-ro Fritz Block, Landwehrstrasse 21.
**Trenĉin** (C. S. R.). D.: S-ro Václav Zoubec, Slovenská banka.
**Westhoughton** (Brit. Lancash.). D.: S-ro J. F. Partington, Peel, St. 20.
**Zürich** (Svisl.). D.: S-ro Ernst Wynistorf, Soodstrasse, 869, Laimbach.

**JARLIBRO 1928.** — Ni korektas:

**Tilburg** (Nederlando), 72,000.

(Ĉe internaciaj fervojlinioj Berlin-Vlissingen; Amsterdam-Paris; ĉe Wilhelmina kanalo. 180 fabrikoj de lano, drapo, flanelo por eksportado. Ŝuoj.)

**D.**: Emile Vossen, komercisto, Markt, 3. Tel. 1719.
**EG.**: « Ame kaj Pace ». Adr. ĉe la del.
Ejo: Café de Looiersbeurs, A. Kemmers, Heuvel, 26.

**EKSIĜOJ:**

En la jenaj lokoj provizore ne plu estas delegitoj: Altzedlisch, C. S. R.; Annaberg, German.; Antwerpen-Borgerhout; Banja Luka, S. H. S.; Barnoldswick, Brit.; Biala Podlaska, Pollando; Benrath, German.; Berchtesgaden, Germ.; Berlin, 10-a distr.; Bitonto, Italujo; Bochnia, Pollando; Bogotá, Kolombio; Bohumih, C. S. R.; Bolgrad, Rum.; Bolvi, Latvujo; Borkendorf, Germ.; Boryslaw, Pollando; Botoŝani, Rum.; Bradford, Brit.; Bzenec, C. S. R.; Camaguey, Kubo; Causani-Noi, Rum.; Chipka, Bulg.; Chrzanow, Pol.; Chuderice, C.S.R.; Citta della Pieve, Italujo; Daugavpils, Latvujo; Dupnica, Bulg.; Eisenach, Germ.; Erfurt, Germ.; Eschwege, Germ.; Essen-Borbeck, Germ.; Feilding, Nov.-Zelando; Fiume, Italujo; Fortaleza, Brazilo; Gäbersdorf-Beckern, Germ.; Gelsenkirchen, Germ.; Gilly, Belg.; Göttingen, Germ.; Grenaa, Danlando; Grand'Mère, Kanado; Grossarl, Aŭstrujo; Haine-Saint-Pierre, Belg.; Helmstedt, Germ.; Hirtenberg, Aŭstrujo; Hlinskov, C. S. R.; Höhscheid, Germ.; Höntrop, Germ.; Honnef, Germ.; Horni Ruzodol, C. S. R.; Hranice, C. S. R.; Idaho Springs, Usono; Igu-Gun, Japan.; Iowa City, Usono; Ismail, Rumanio; Kaaden, C. S. R.; Käkisalmi, Finlando; Karhula, Finlando; Kemi, Finlando; Kirdjali, Bulgario; Krimmitschau i. Sa., Germ.; Landshut, Germ.; Landstuhl, Germ.; Jamura, Japan; Lesna Podlaska, Pollando; Levallois-Perret, Franc.; Lhotka b. Hultschin, C. S. R.; Lisse, Nederl.; Litomysl, C.S.R.; Logatec, S. H. S.; Lord Howe Island, Aŭstralio; Loughborough, Brit.; Ludvika, Svedujo; Lucatin, C. S. R.; Lüneburg, Germ.; Metuchen, Usono; Mezöhegves, Hung.; Mirebel, Franc.; Moll, Belg.; Montigny-s.-Sambre, Belg.; Mount Victoria, Aŭstralio; Mülfort, Germ.; Murau, Aŭstrujo; Neuss a/Rh. Germ.; Neuvy St. Sepulcre, Franc.; New York (West Manhattan, Yorkville, Bronx) Usono; Newark, Usono; Nová Paka, C. S. R.; Numazu, Japan; Olsa, Germ.; Orebro, Svedujo; Omori, Japan; Opava, C. S. R.; Orange, Usono; Parola, Finlando; Pelotas, Brazilo; Penarroya-Pueblonuevo, Hisp.; Perugia, Italujo; Petseri, Estonujo; Pietarsaari, Finlando; Pilnikov, C. S. R.; Plymouth, Britl.; Pospilje-Komiza, S. H. S.; Rajajoki, Finlando; Richvale, Usono; Rosice, C. S. R.; Rüstringen, Germ.; Saalfelden, Aŭstrujo; Samos Vathy, Greklando; Santiago, Kubo; Sauvo, Finlando; Schatzlar, C.S.R.; Schneidemühl, Germ.; Schweikleberg, Germ.; Selo Solotvina, C. S. R.; Senta, S. H. S.; Smorgonie, Pollando; Soller, Hisp.; Solo, Java; Stoke on Trent, Brit.; Striegau, Germ.; Subotica, S. H. S.; Syke apud Bremen, Germ.; San Diego, Usono; St. Claude, Franc.; St. John's, Newfoundland; Sao Paulo, Brazilo; St. Wendel, Saar; Tatar-Pazarĝik; Telde, Kanariaj Insuloj; Traunstein, Germ.; Tyn nad Vltavou, C.S.R.; Vác, Hung.; Vejprty, C. S. R.; Vich, Hisp.; Vidin, Bulg.; Villenomble, Francl.; Vranov n/T., C. S. R.; Vysoké nad Jizerou, C. S. R.; Wattenscheid-Westerfeld Germ.; Werfen, Aŭstrujo; Wichita, Usono; Wilhelmshaven, Germ.; Wilmington, Usono; Wolfville, Kanado; Wormerveer, Nederlando; Wurgwitz, Germ.; Zawiercie, Pollando; Zilupe, Latvujo; Zbiroh, C. S. R.

Genève, 31 Julio 1928. Hans Jakob, Direktoro de UEA.

# Letero de I. C. K.

30 Majo 1928.

Al Sinjoro Doktoro Edmond Privat,
prezidanto de Internacia Centra Komitato.

Kara Prezidanto,

Responde al via letero de la 8-a de Marto 1928, per kiu vi petas nin akcepti vian eksiĝon kiel prezidanto de ICK, ni sciigas vin, ke ni ne povas akcepti tiun proponon, ne nur pro la sperto, kiun vi jam posedas de tiu malfacila tasko, sed ankaŭ ĉar vi havas, en la oficialaj rondoj de multaj nacioj, rilatojn, kiuj multe helpas vian agadon, kaj kiujn via anstataŭanto ne posedus. Plie via neŭtrala nacieco kaj ĉeestado en Genève taŭgas por tiu rolo.

Ni deziras aldoni al tiu objektiva respondo, ke ni tute aprobas vian ĝisnunan konduton kiel prezidanto de ICK, kaj ke ni opinias, ke estus nekredebla kulpo de la esperantistoj forigi el siaj manoj la netakseblan forton, kiun vi reprezentas per viaj personaj kvalitoj.

Ni donas al vi la permeson utiligi tiun deklaron laŭ la maniero, kiun vi opinias plej taŭga por la bono de nia afero.

Por la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado:

*Rollet de l'Isle*, *Rud. Hromada*,
*Julia Isbrücker*, D-ro *Dietterle*.

* * *

6 Aŭgusto 1928.

A la Internacia Centra Komitato,

Karaj Kolegoj,

Tutkore mi dankas pro via afabla respondo al mia letero de 8. Marto 1928 pro via kuraĝiga fido. Tamen mi ne deziras konservi la prezidantecon de ICK post tiu-ĉi somero kaj definitive petas vin akcepti ankaŭ mian eksiĝon kiel ano de ICK por ebligi elekton de plia persono. La raporto de la Enketa Komisiono en Genève kaj via letero ja plene malpravigis la maljustajn asertojn de kelkaj ĵaluzaj personoj, sed la fakto mem, ke povas ekzisti ia ĵaluzeco inter esperantistoj montras, ke estas pli bone ŝanĝi laŭvice la gvidantojn en niaj komitatoj kaj ne meti ĉiujn respondecojn sur la saman personon. Tion mi jam esprimis antaŭ tri jaroj petante, ke oni min liberigu de tiuj organizaj ŝarĝoj jam post la Geneva kongreso.

La lastaj ok jaroj, post la morto de Hector Hodler, estis vere pezaj kaj la lasta vintro tre laciga. Mi petas permeson retrovi nun spiritan kaj fizikan forton.

Al vi kaj al ĉiuj amikoj kaj helpintoj mi tre kore dankas kaj petas pardonon por miaj multaj mankoj aŭ eraroj. Kiel simpla esperantisto mi daŭrigos fidele servi nian aferon eĉ ekster prezidaj postenoj. La sukseco de nia lingvo ja dependas de la agado, ne de unu homo, sed de miloj kaj dekmiloj da fidelaj sindonaj samideanoj en la tuta mondo.

Tutkore via dankeme,
*Edmond Privat.*

* * *

ELEKTOJ AL ICK.

En sia kunsido en Antverpeno la reprezentantoj de naciaj societoj kaj komitatanoj de UEA balote reelektis S-ron Rollet de l'Isle kaj S-inon Isbrücker al ICK. Kiel novan membron ili elektis S-ron John Merchant, prezidanton de la Brita Esp. Asocio. Laŭ propono farita dum ilia kunsido ICK decidis elekti D-ron Privat honora prezidanto kaj S-ron Merchant kiel novan prezidanton de ICK.



# LA SERVOJ DE UEA



*Komerca Servo.* — La esperantista horloĝo dissendiĝis al ĉiuj mendintoj la 23-an de Julio. Ĝia prezo estas 55 fr. svis.

*Eldona Servo.* — Pro redaktaj kaŭzoj la « Bibliografio de la Internacia Lingvo », nur aperos ĝis fino de la jaro 1928.

*Turisma Servo.* — Novaj gvidfolioj aperintaj: Bad Godesberg, Saarbrücken. Elberfeld (dissendita kun la jarlibro). La Oficejo por ekspozicioj kaj trafiko de Berlino eldonis artan faldprospekton, 42 cm. alta 53 cm. larĝa kun multaj bildoj. Ĝi estas la unua metropolo eŭropa kiu do eldonis gvidfolion esp. post la milito.

Graz, la ĉefurbo de l'Verda Stirio festas la 800 jaran ekziston per Jubileaj ekspozicioj kaj foiro. Faldprospekto informas pri ĉio sciinda. Pri ĝia eldono klopodis nia Delegito S-ro Karl Barthel.

La urbo Brno-Brünn ĉefloko de Moravio organizis ekspozicion de l'nuntempa kulturo en Ĉeĥoslovakio. Esp. prospekto informas pri ĉio. La tuta kolekto de ciuj gvidfolioj estas sendota kontraŭ repago de l'afranko : 1 fr. sv.

# Universala Esperanto - Asocio

## 1908-1928

### MEMORAJO AL ĜIAJ FONDINTOJ

La nuna membraro de UEA je 4/5 novaj esperantistoj ne konas la vivon de la fonditoj de nia Asocio. Ni intencis aperigi biografiojn en la jarlibro sed pro manko de loko ne povis efektivigi tion.

## Harold Bolingbroke Mudie

Harold Bolingbroke Mudie naskiĝis en Londono 30. Januaro 1880, sola filo de libristo Alfred Mudie kaj eks-kantistino, naskita Bolingbroke. Li edukiĝis unue en privata lernejo en Handsworth, poste lernis en Folkestone, fine



Harold Bolingbroke Mudie †

en londona kolegio kaj universitato. Baldaŭ li forlasis teoriajn studojn, elektinte profesion de borsa aferisto, en kiu li prosperis.

En la Steada *Review of Reviews* 1902 li unuafoje legis pri Esperanto, kaj li tuj aliĝis, partoprenis la fondon de Londona Esp. Klubo, kun D-ro O' Connor kaj F-no Lawrence. Helpata de Stead li komencis en 1903 eldonon de la unua esp. gazeto, *The Esperantist*, kiu en 1906 fundiĝis kun *The British Esperantist*, seninterrompe aperanta ĝis nun. La gazeto de Mudie estis preskaŭ tute en Esp., kun multaj valoraj literaturaĵoj, lingvaj studoj kaj popularsciencaj artikoloj.

En 1904, Mudie vojaĝas por konatiĝi kun tiutempaj francaj pioniroj, ĝis Dijon, Lyon kaj Bordighera (por viziti C. Bicknell). Aŭtune li partoprenas gravajn kunvenojn en Dover kaj Calais, la antaŭkongresojn, el kiuj rezultis la Bulonja Kongreso 1905. Depost tiu dato li fariĝas kutima aganto de niaj universalaj Kongresoj. La Tria en Cambridge estis grandaparte organizita de li, tiom sukcese, ke la kongreso lasis okmil orfrankojn de neta profito, anstataŭ kutima deficito.

En 1908, dum danĝera krizo de nia movado minacata de teoriuloj, UEA fondiĝis por praktike apliki nian lingvon. La fondintaj ne povis trovi pli taŭgan praktikulon ol Mudie por proponi la prezidantan postenon, kaj sur 3-a paĝo de la « Oficiala Jarlibro de Universala Esperanto-Asocio por 1908 » ni legas « Prezidanto : H. Bolingbroke Mudie, vicprezidanto de la tria Kongreso, membro de la Lingva Komitato, vicprezidanto de la Brita Esp. Asocio ».

Fine de 1910, Mudie subtenis la fondon de Garantia Kapitalo, malavare donacinte por ĝi el sia kaso. Ankaŭ li klopodis pri la eldono de Biblio, kies presado postulis grandegajn elspezojn kaj zorgojn.

En plenforto, ne ankoraŭ 36-jara, li forpasis, viktimo de sia devo en milita franca zono apud Rouen, la 6-an de Januaro 1916.

## Théophile Rousseau

1876 - 1916

Rousseau naskiĝis en 1876. Li studis matematikan fakon kaj estis licea profesoro en diversaj francaj urboj, fine en Dijon. Li memlernis nian lingvon en la jaro 1905. Li tuj estis allogita de la internaciema homfratiga karaktero de nia movado, kaj se li tiel entuziasme agis por Esperanto, tio okazis ĉe li, ĉar il antaŭ ĉio vidi en ĝi potencan ilon por la plibonigo de la interpopolaj rilatoj. Sed ĝuste tial li opiniis, ke nia lingvo ne devas resti ludilo por senokupuloj aŭ amuzilo por lingvistoj, kia ĝi tro ofte estis, sed



Théophile Rousseau †

ke ĝi estas seriaza afero, enkondukota en la praktikan vivon.

De la agado de UEA lia nomo estas neapartigebla. Citi ĉiujn laborojn, kiujn li plenumis, estus detale rakonti la

historion de nia Asocio. La rondirantaj kajeroj de ĝia Komitato atestas pri lia aktiva kunlaborado. Al lia klopodado oni ŝuldas la unuan Jarlibron ; li iniciatis pri la kunlaborado de la naciaj societoj kun UEA, la klopodojn por la internacia egalvaloreco de la Esperantaj diplomoj, por la havigo de rabatoj al niaj membroj kaj multajn aliajn. Flanke de tio, li gvidis prosperan grupon en Dijon.

En Burgonja Federacio, Rousseau fondis stipendion por vojaĝo sub aŭspicio de UEA, kaj kunlaboris 1909-1914 en ĝia organo *Burgonja Stelo*, kiel ankaŭ en *Esperanto*. Notindaj estas liaj klopodoj por la apliko de Esperanto al turismo. En tiu fako, pli ol en la komerco jam potence organizata, li vidis tuj prilaboreblan kampon por Esperanto. Dank' al liaj klopodoj aperis en 1904, la unua Esperante redaktita gvidlibro, eldonita kun la monhelpo de regiona turisma organizaĵo. Per privataj leteroj li instigis la eldonadon de gvidfolioj kaj gvidlibroj kaj donis al la Delegito la necesajn konsilojn. Kun ĝojo, Rousseau sekvadis la progresojn de UEA kaj la plifirmiĝon de ĝia interna organizo. Li povis fordoni la administrajn taskojn, kiujn li estis alpreninta, kaj sin dediĉi al pli ĝenerala agado. Li intencis utiligi Esperanton por la rilatoj inter diverslandaj matematikistoj, kaj kelkajn semajnojn antaŭ la Pariza Kongreso li ekpublikigis Matematikan Bultenon, kiu enhavis originalajn laborojn de matematikistaj samideanoj. Li opiniis, ke tio estas la plej bona vojo por praktike interesigi la sciencistojn al nia lingvo.

En ĉiuj Kongresoj de UEA (krom en Krakovo), kaj pluraj Universalaj, Rousseau aktive partoprenis; li prezidis la kunsidojn de nia Asocio en Bern. Li ne sole ĉeestis la laborajn kunvenojn, sed ekster ili senlace kaj ame agadis por nia komuna afero per privataj konversacioj, penante veki intereson por la kampo prilaborita de UEA. Lia spirito senĉese direktiĝis al tio, kio povus plibonigi la funkciadon de nia Asocio, pligrandigi ĝian utilecon, varbi al ĝi novajn amikojn, forigi la malkompreniĝojn.

Th. Rousseau mortis la 11. Aprilo 1916, ĉe la batalo apud Verdun (arbaro de Avocourt). Lin trafis obuspeco ĉe la ventron. Li ankoraŭ povis marŝi kaj eĉ kuri ĝis la helpposteno, kie il post kelkaj minutoj mortis pro sangperdado.

---

# Hector Hodler

Hodler estis unua, kaj sola homo kies tuta vivo estis dediĉita ekskluzive al Esperanto. Lingvo internacia estis celo de la tuta vivo de Zamenhof, sed ne ekskluziva okupo, ĉar li estis kuracisto kaj patro de multenombra familio, lia vivo estis grandparte oferita al materiaj zorgoj, aferoj malproksimaj de Esperanto. Depost sia knabaĝo, ĝis la morto, Hodler laboris nur por nia afero, dediĉis komplete sian liberan tempon al nia afero, malzorgante sian personan komforton, neniam pensante fondi sian familion. Homaro estis lia familio, kaj en la Esperantistaro li vidis plej konscian parton de la homaro.

Hodler naskiĝis ĝuste en la momento kiam publikiĝis Unua Libro de Doktoro Esperanto, je la fino de 1887. Oni de povas sen trograndigo diri ke Hodler naskiĝis « sub la Stelo de Esperanto ». Filo de *Ferdinand Hodler*, eminenta svisa pentristo kaj de *Augustine Dupin*, ĝenevanino, la estonta fondinto de « praktika esperantismo » heredis sendependan originalecon, obstinon de la patro kaj humanan larĝecon de la patrino, kvalitojn necesajn por ĉiu vera gvidanto de idea movado.

En la aĝo de 15 jaroj li komencis unue pro scivolemo lerni nian lingvon. Poste li entuziasmiĝis pri ĝi kaj pri ĝia ebla socia rolo. Kun Edmond Privat, li fondas la gazeton « Juna Esperantisto » 1903, kies redaktado tuj enkondukis lin en ĉiujn detalojn de tiama nevasta Esp. movado.

La Dua Kongreso 1906 puŝis la penson de Hodler al fruktodonaj meditoj, el kiuj naskiĝis lia intereso pri la proponoj de Rousseau kaj Carles. En 1907, li komencas redakti kaj eldoni la gazeton « Esperanto ». En 1908, li estas vicprezidanto de la nove fondita UEA, ĝia fakta gvidanto. Depost tiu momento kreiĝas en Ĝenevo nova juna



Hector Hodler †

centro de nia movado, kaj Hodler estas koro kaj animo de tiu centro. Ne kiel profesia esperantisto, kiu gajnas profiton el Esperanto, sed kiel esperanta ĉefo kiu oferas al ĝi sian laboron kaj sian monon, tia aperas al ni modesta, sed samtempe forta silueto de Hektor Hodler. Post la fondo de UEA, lia persona vivo koncentriĝas en la gazeto kaj en la asocio, preskaŭ kunfandiĝas, identiĝas kun ili. Eĉ forpasinta, li kvazaŭ nevideble daŭras partopreni, agi inter ni-ja, lia heredaĵo apogas nin materie kaj morale. Apud Zamenhof, Majstron de la lingvo, ni honoras Hodler, Majstron de la movado.

---




## Esperanta Radio-Programo

de la Komisiono por Radio-Statistiko, komisiita de ICK. Kunmetita de J. Jungfer, Lindenstrasse, 10, Lübben N-L., Germanlando

La tempo estas tiu de Meza Eŭropo. La tempo de la meridiano de Greenwich estas unu horon pli frue.

DIMANĈO

47,00. — *Moskva,* 1450 m. — 60 m. — Esp.-kurso aŭ scigoj kaj novaĵoj.

LUNDO

17,30. — *Kiev,* 775 m. — Esp.-kurso kaj informoj. — 30 min.
22,15. — *Bruselo,* 508,5 m. — Par.: D-ro Kempeneers. — 5 min. Programo de la semajno.
22,30. — *Moskva,* 1450 m. — Parolado pri diversaj temoj.

MARDO

19,40. — *Minsk,* 900 m. — 30 min. — Blankrusa Esp.-radio-gazeto.

JAŬDO

20,00. — *Paris* P.T.T., 458 m. — Par.: D-ro Corret kaj P-ro Cart: Esp.-kurso, elementa kaj perfektiga. — 30 min.
20,20. — *Radio-Paris,* 1750 m. — Par.: S-ro Delanoue. — 5 min.: Informoj en Esperanto.

VENDREDO

19,00. — *Königsberg,* 303 m. — *Danzig,* 272,7 m. — Par.: S-ro Smollenski: Esp.-kurso. — 30 min., eble horduonon pli malfrue.
19,15. — *Stuttgart,* 379,7 m. — *Freiburg,* 577 m. — Par.: D-ro Vogt: Esp.-kurso, ĉiun duan vendredo. — 30 min.
19,45. — *Stuttgart* kaj *Freiburg.* — Programo de la venonta semajno.
20,05. — *Zürich,* 588 m. — 10 min.: Parolado ĉiun duan vendredo.
20,30. — *Toulouse-Pyrenees,* 260 m. — Par.: P-ro Beaumel. — 15 m.: Esp.-kurso.

SABATO

18,15. — *Breslau,* 322,6 m. — Gleiwitz, 329,7 m. — 10 min.: Parolado pri sileziaj kaj literaturaj temoj.
18,55. — *Königsberg,* 303 m. — *Danzig,* 272,7 m. — Par.: F-ino Wermke. Programo de la venonta semajno. — 5-10 min.
21,00. — *Moskva,* 1450 m. — 30 min. — Programo de la venonta semajno.

ĈIUTAGE

11,45. — *Leipzig,* 365,8 m. — Dresden, 275,2 m. — Par.: S-ro Vogel. Vetero en Esperanto. — 5 min.
10,30 aŭ 12,00. — *Kiev,* 795 m. — Lunde, merkrede, vendrede. — Anonco pri komenco kaj fino de disaŭdigo en Esp.

***Kompletigu! Gesamideanoj Korektigu!***
***Sendu al la Radio-sendstacioj dankojn kaj peton al daŭrigo!***

## Denova konfirmo de grava decido de la Internacia Unio de Radiofonio pri Esperanto.

En Majo 1926 la Generala Kunveno de la Internacia Unio de Radiofonio (organizo de ĉiuj eŭropaj stacioj en rilato kun la ekster-eŭropaj) en sia kunsido en Lausanne akceptis rezolucion tre favoran por Esperanto. Ĝi estis kompletigita per decido de la Komisiono por Alproksimigo de tiu ĉi Unio en Como 1927 kaj konfirmita per nova rezolucio de la Konsilantaro de la Unio.

Nova kunsido de la Komisiono por Alproksimigo, konsistanta parte el aliaj reprezentantoj, en Praha per nova rezolucio klopodis forigi Esperanton de la tagordo kaj remeti la demandon por pli poste.

Post plendo de D-ro Privat, prezidanto de Radio-Genève, al la Unio, la Konsilantaro faris la sekvantan deklaron, deciditan en sia kunsido de 31 majo 1928:

Serio 969. — 31.5.28.

« Plenumante la rezolucion, faritan de la Generala Kunsido kunveninta en Lausanne, la 12 Majo 1927, kaj rekomendanta al la stacioj la uzon kaj instruadon de Esperanto kaj konsiderante la rezolucion, prezentitan de la Komisiono por Alproksimigo en Prago en Februaro 1928, kiu deklaras, ke estas malfacile en la nuna stato eldoni direktivojn pri la uzmanieroj de Esperanto en la programoj,
la Konsilantaro deklaras, ke estas pli bone lasi al ĉiu stacio la liberecon, organizi la esperanto-dissendojn laŭ siaj propraj eblecoj, korespondante rekte kun la Internacia Centra Komitato de la Esperanto Movado en Genevo, kiu centrigas la statistikon pri tio. »

Tiu ĉi deklaro denove konfirmas la antaŭan rezolucion de Lausanne kaj ebligas al nia movado rekte interkonsenti kun ĉiuj stacioj, kiuj estas iel interesitaj havi Esperanton en siaj programoj aŭ uzi ĝin laŭ la menciita rezolucio praktike.

Propagandistoj, klopodantaj pri iu stacio koncerne Esperanton faros bone tuj kontakti kun ICK en Genevo por peti instrukciojn kaj laŭeblan helpon.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro *Jozefo Halasz,* del. de UEA, Targu-Mures. Mortis la 9. Junio 1928, reviviginto de la esp. movado postmilita en Transilvanio. Direktoro de Banko Agrara, fondinto de lokaj laboristaj-sindikato kaj hejmo, loĝiestro de Abstinenculara Ligo, ĵurnalisto, ktp. Lia vasta koro estis fokuso de homamo, energio balatanta por la kompreno intergenta kaj la mankon de la viviga varmo elradiinta el tiu nobla brusto ĉiam sentos la funebranta samideanaro.

Ge-sroj *Hary Petersen,* en Sao Paulo, Brazilo, havis la malfeliĉon perdi amatan filinon Sonja Elisabeth.

P-ro D-ro *Ivan D. Sišmanov,* honora prezidanto de la Bulgara Esperantista Asocio je 23 Junio en Oslo (Norvegujo). Akceptema pri ĉiuj kulturaj elmontroj de la homaro, li estis unu el la unuaj altkleraj gvidantoj de la intelekta Bulgarujo, kiuj pritaksis laŭmerite la internacian lingvon Esperanto kaj la grandan signifon, kiun povus havi tiu ĉi helplingvo por malgrandaj popoloj. Frue li donis senreserve sian subtenon kaj ĝis la fino de sia vivo li restis konvinkita adepto de la Esperantismo.

La bulgaraj esperantistoj alte ŝatas la meritojn de sia honora prezidanto kaj dolore sentas la grandan malplenecon, kiun lasas post si tiu ĉi forta intelekto en la ĝenerala kultura vivo de la nacio kaj, speciale, en la Esperanto-movado de la malgranda Bulgarujo.

Pacon al lia cindro kaj eternan memoron pri li! — Bulg. Esp. Soc.

S-ino *Jenni,* edzino de nia del. en Solothurn, Svislando.

F-ino *Martha Gründel,* fianĉino de nia del. en Görlitz, German, S-ro Gerhard Langner, 7.4.28.

S-ro *Ernst Höhn,* urba konsilisto en Zurich, patro de nia agema del. en Siebnen, Svis. 4.5.28.

S-ro *Adolf Vimson,* longjara ano de UEA en Tallinn 2 Junio 1928. Malgraŭ turmenta malsano vigle interesiĝis pri la movado kunlaborinte ĉe esp. gazetoj Tradukis el rusa lingvo, romanon 800 paĝan de verkisto Gončarov « Oblomov ». Tallinn'a samideanaro funebras pro li.

S-ro *Enric Vilà,* ano de UEA en Barcelona, pro korapopleksio, Junio 1928.

S-ino *Backheuser*, edzino de S-ro Everardo Backheuser. MA de UEA en Rio de Janeiro, dum vojaĝo en Dresden, Julio 1928.

F-ino *Inge Grund*, filino de nia VD. en Bucureşti. S-ro Ernst Grund, HM. de UEA, dum Julio 1928.

S-ro *Ljuben Drenski*, ano de societo « Sukceso » en Vraca, Bulgar., 8 Julio 1928.

S-ro *Jaume Claramun*, fondito de la societo « Nova Sento », 12 Julio 1928.

S-ino *Marie Liberdová*, instruistino, edzino de nia Vicdelegito en Trinec, Ĉeĥoslovakio.

S-ro *Friedrich von Reitz*, longjara MA. N-ro 5588, en Bamberg, 10 Julio 1928, 73 jaraĝa.

S-ro *Ebenezer Howard*, iniciatinto de l'movado por kreo de gardenurboj, ano de UEA, en Welwyn Garden City (Herts).

S-ro *E. J. Goodale*, ano de UEA, en London.

S-ro *Mario Cossato*, inĝeniero, en Venezia tridek-trijara la 27-an Aprilo post longa malsano. Longjara Prezidanto de Grupo L. L. Zamenhof kaj jama Prezidanto de l' loka organiza Komitato por la ricevo de la Komerca Konferenco de 1923, li multe helpis al la Grupo kaj al la movado morale kaj malavare. Lia entombigo okazis la 29. Aprilo matene al kiu partoprenis veneciaj Esperantistoj. Parolis S-ro Ugo Renzo Gambato. Verdstelita florkrono estis oferdonita.

S-ro D-ro *Karl Henne*, MA. 28834 en Bern, Julio 1928.

S-ro *Georgo Fiedler*, 22 jara esperantisto, frato de F-ino Ilonka Fiedler, VD. de UEA en Pécs, Hungarlando.

S-ro *Stjepan Radic*, eksministro, Zagreb. Dum la kongreso nin atingis la informo pri la morto de tiu-ĉi amiko de nia afero en Jugoslavio. La gazetaro jam sufiĉe informis pri la kaŭzo de lia morto. Progresema homo li multe subtenis ĉion por antaŭenigi nian movadon. Politike li klopodis sen ŝparo de forto por justeco kaj li fariĝis idolo de sia popolo. Dum la kunsidoj de la Ligo de Nacioj li ĉiam defendis tuthomarajn interesojn kaj la esperantistaro ĝeneva memoros lian penadon por Esperanto.

Sinceran kunsenton.

## INĜENIERA KONKURSO

*Desegnu ŝtalan apogilon subteran.*

Premion valorantan £ 20 (dudek pundojn) proponas la konsilantaro de la Inĝeniera Instituto Sud-Kimra (Britujo) al kiu ajn kiu projektas plej bonan ŝtalan tavol-apogilon uzeblan en la karbo-minejoj de Sud-Kimrujo, kie la subteraj premadoj estas tre severaj. La konkurso estas tutmonda kaj malmultaj estas la kondiĉoj : necesas ĉefe ke oni povu sendanĝere starigi kaj malstarigi la apogilon. Simpleco de konstruo, kaj forto kontraŭstari severajn premadojn estas ankaŭ konsiderindaj atribuoj. Plie necesas ke ĝi ebligu tavolon grade malleviĝi sen disrompiĝo de la apogilo. Kvankam la premio ne estas granda la elpensonto kredeble ricevos daŭran rekompencon pro lia laboro kiel tantiemojn, ĉar ĉiuj rajtoj de vendado restos ĉe li. La akceptota ilo povas esti kunmetaĵo de ŝtalo kaj lignaĵo. Nune uzataj apogiloj lignaj havas meznombrajn longecon de du metroj kaj diametron de dektri centimetroj; specimenoj provitaj disrompiĝis sub premadoj de ĉ. 16,257 ĝis 17,273 kg. Pluajn detalojn oni povas haviĝi de la sekretario Instituto (vidu supren) ĉe « Wilcuma », Cyncoed Avenue, Penylan, Cardiff, Britujo.

# En kelkaj linioj......

— La eniro de la Nacia Armeo Ĉina en Pekino sekvigis la reunuiĝon de la tuta lando, disigita kaj sub la premo de milita furiozo. La ĉinaj esperantistoj dissendas maŝinskribitan informservon kun koncizaj sciigoj pri la okazintaĵoj. Adreso : Ĉina Esperantista Librejo, K. 7, Boone Road, Shanghai.

— Ekspozicio pri Sankta Venceslao en Praha dum 1929 okaze de la miljara datreveno de la morto de nacia sanktulo Venceslao. La ekspozicio estas prezentonta ĉiujn memoraĵojn, iel havantajn rilatojn al S-ta Venceslao. Ĉar ankaŭ en fremdlando troviĝas multe da tiaj memoraĵoj (preĝejoj, pentraĵoj, statuoj, vazoj, libroj, ktp.) la subskribita komitato turnas sin al ĉiuj posedantoj de similaj memoraĵoj kun peto, ke ili bonvolu sendi al ĝi detalan priskribon kaj fotografaĵon de tiuj ĉi memoraĵoj kun sciigo, ĉu ili estus pruntedoneblaj kaj sub kiuj kondiĉoj.

Afablajn informojn dankeme akceptas « Komitato de S. Venceslaofestoj » en Praha III, Jozefská, 8.

— La bulgaraj esperantistoj eldonis nacilingvan broŝuron « La Ministerio de popola instruado kaj Esperanto », por defendi sin kontraŭ la ministra cirkulero 9607, malpermesanta instruadon de E. en lernejoj popolaj. La broŝuro presita grandkvante rapide elĉerpiĝis.

— Nacia Komitato por la reorganizado de Esperanto, ricevis, el ĉiu urbo, multnombrajn da aliĝilojn kun varmaj bondeziroj por la definitiva triumfo de esperanto-movado en Italio. (Adreso : Esperanto Casella Postale 166, Torino).

— Komercista Esperanto Unio, Dresden, Radebeul. Tiu Unio sin metas je la dispono de ĉiuj E.-komercistoj. La korespondlingvo nur estas Esperanto. La uzo de la perado de KEU havas la grandan avantaĝon, ke alilandaj aĉetantoj, ofte trompataj de firmoj, ne plu havas la riskon, ke ili post sendo de mono ne ricevas varojn. KEU akceptas la mendojn, konservas la monojn kaj nur elpagas ilin post livero de la varo ! KEU tage jam ricevas 10-20 leterojn, certe signo, ke la Esperantistaj komercistoj komprenis la valoron de tia institucio ! KEU havas jam filiojn en 16 landoj.

— Zamenhofa Esperanta Societo en Bialystok komunikas ke ĝi pretigas eldonon de Historio de Esperanta movado en Bialystok.

Ĝi havas la intencon prezenti la verkon kiel multpaĝa ilustrita libro, kiu entenos ĉion koncernantan la movadon en Zamenhofa naskiĝ-urbo de la apero de Esperanto ĝis la lasta tago.

Por dece plenumi la taskon, la Red.-Eldona Komisiono sin turnas al la esperantistaro kun peto pri helpo. Ĉiuj gesamideanoj precipe iam loĝintaj en Bialystok, kiuj scias ion pri la movado en la urbo kaj distrikto (kursoj, prelegoj, kunvenoj, grupoj, eldonaĵoj, fotografaĵoj, unuaj pioniroj, k.t.p., eĉ detaloj kiuj ŝajnas senvaloraj) estas petataj komuniki tion al ni, adresante al : *Zamenhofa Esperanta Societo* en *Bialystok* (Polujo). Por ĉiuj komunikoj ni kore antaŭdankas. La bonvolajn kunlaborantojn ni volonte rekompencos per alsendo de aperigota eldonaĵo.

La aperdaton de la verko kaj pri akcepto de mendoj ni anoncos siatempe.

# Enketo

*Kontraŭ-alkoholinstruado en la lernejo.*

Por antaŭen puŝi tiun movadon en mia lando, mi bezonas pli da materialo. Leganto estu kiel afabla respondi je la sekvantaj demandoj :

1. Ĉu ekzistas en via lando tia instruado kaj ĉu ĝi estas propagandata ?

2. Ĉu ekzistas lernolibroj por tiu instruado kaj ĉu vi povas sendi al mi ekzempleron se eble senpagan ?

3. Kion vi povas komuniki plie pri tiu movado en via lando ?

Provu ke Esperanto estas taŭga por vere internaciaj aferoj. Via respondo ankaŭ subtenas mian batalon por Esperanto tie-ĉi.

Adreso : P. Groenhart, Ardjvenostr. 20-a. Malang (insulo Java), Ned.-Indio.

## ONI LAUDAS

— S-ro *Leo Jalava,* Ĉefdel. de UEA por Finlando kun edzino, membroj de fama finna ĥoro « Suomen Laulu » (konata al la partoprenintoj de la XIV, kongreso de Esperanto en Helsinki), kiu dum pasinta junio faris vastan koncertvojaĝon en Estonio, Latvio, Polujo, Ĉeĥoslovakio kaj Germanujo, plenkore dankas al la Delegitoj de UEA kaj multaj aliaj samideanoj, kiuj agrabligis al ili la vojaĝon. Precipe ili volas citi S-rojn Janim Gulbim en Riga, D-rojn M. Blassberg, Prez. de TEKA kaj L. Dreher en Krakovo, F. Podloučka en Brno, S-rojn A. Eikl, O. Ginz kaj D-ron Aŭg. Pitlik (pro afabla gastigo dum pluraj tagoj en sia hejmo) en Praha kaj fine niajn malnovajn amikojn, Ge-srojn Fr. Ellersiek en Berlino. La utilo de Esperanto dum eksterlanda vojaĝo faris fortan impreson ĉe la aliaj membroj de la ĥoro.

— D-ro *Ambrosio Vargas,* Mexiko afable dankas al S-ro Schmidt, ĈD. en New York kaj al S-ro Klaĝin, pro informservo rilate al faka demando farita de Meksika universitato al D-ro Vargas.

— S-ro *Ivan Konstantinov,* tutkore dankas al S-ro Alfredo Grampa, D. de UEA, en Busto Arsizio, Italujo, por afable plenumita servo

— S-ro *Aĥilo Tellini,* Del. de UEA, en Bologna tutkore dankas al la Delegitoj kaj sam-anoj en Ŝibenik, Split, Trogir, Korĉula, Dubrovnik, Skutari Ateno, Zagreb kaj Ljubljana pro treege ĝentila akcepto dum vojaĝo.

— S-ro *L. Nieupokojew,* ano de UEA 29225, korege dankas al Delegito de UEA, S-ro Jan Tichwaski, en Katowice, pro afabla servopreteco kaj petas pardonon pro malagrablaĵoj ligitaj kun longa konservo de mono.

— S-ro *Bruno Canattieri,* membro de UEA, el Parma, Italujo, tutkore dankas al S-ro Paolo Bossi, Komerc.-agento kaj D. de UEA, en Abbiategrasso pro tre afabla helpo dum biciklokonkuro.

— S-ro *F. W. Mischke,* Radeberg, German., kore dankas al S-ro Ary Zamora, Delegito de UEA, en Porto-Alegre, Brazilo, helpinte trovi adreson de parencoj. La bone plenumita servo faris bonan reklamon por nia afero.

— S-ro *Strihavka,* VD. de UEA, en Kladno, ĈSR, kore dankas al S-ro D-ro Maruzzi, ĈD. en Zagreb SHS, pro sciigo de nuna restadejo de malaperinta jugoslava amiko, kaj al S-ro Giordano Bruno Lopez, provizora del. de UEA en Buenos Aires, Argentino, pro gravegaj informoj koncerne ĉeĥoslovakan elmigrinton en Argentino.

— Ge-sroj *Lee,* anoj de UEA, en Grewe, Angl., kore dankas Ge-sroj Westmaas, en Bergen-op-Zoom, Nederlando, pro ilia gastamo, plie al familio Holleman. S-ro pastro de Jonge kiuj agrabligis la restadon ; koran dankon al la grupo en Verviers kaj al S-ro Desonay, en Spa, pro afabla helpo dum vojaĝo.

---

# Grava internacia konferenco

Paskon 1929.

Laŭ invito de l'Organiza Oficejo (Wirtschaftsamt) de la Urbo-Frankfurt a. Main kaj sub la aŭspicioj de la Foir-Oficejo de Frankfurt a. Main okazos je Pasko en Frankfurt la

### Internacia Konferenco por Turismo kaj Reklamo

por kiu la preparoj estas ĵus komencitaj.

La konferenco pritaktos urĝajn kaj aktualajn problemojn kaj demandojn de l'turismo kaj reklamo.

Paroladaj kaj diskutoj povos okazi en ĉiuj nacilingvoj kaj en Esperanto. Traduko de paroladoj estas farata nur en Esperanton.

Detalojn ni publikigos ankoraŭ poste.

Por ebligi al multaj germanaj samideanoj profiti el la ĉeesto al tia utila konferenco, uzanta Esperanton, la Germana Esperanto-Asocio decidis en sia kongreso en Potsdam, kunvoki sian verontjaran, 18-an Kongreson je sama dato al Frankfurt a. M., akceptante la inviton de la loka grupo de tiu ĉi urbo.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ ;* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj. PM = poŝtmarkoj. bfl. = poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

**La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili dezíras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.**

## Korespondado

### Interŝanĝo de objektoj

**Antverpeno** (Belgujo). S-ro Félix Van der vloet, August Sniedersstraat, 24, diamantkomercisto, deziras interrilati kun Japanujo, Ĥinujo,, Hindujo kaj Suda Ameriko.

**Arlöv** (Sved.). S-ro Nils H. Svensson, Kvarngatan, PI, kĉl. Certe respondos.

**Bad Warmbrunn** (German., Silezio). 25 Geanoj de Esperanto Societo Estonteco kaj la geknaba grupo. Adreso: S-ro Paul Bröther, Seitenweg, 7, PM, Monbiletoj, PI, L, kĉl. Respondo certigata.

**Bergen-op-Zoom** (Nederlando). S-ro Petro Bril, dentteknikisto, L, pri ĉiuj temoj, kĉl.

**Bialystok** (Polujo) Sro Ajzyk Oljan, Ciepla, 2, PI, blf, kĉl.

**Bucuresti** (Rumanio). Mi estas juna nova esperantistino kaj deziras koni miajn gesamideanojn el malproksimaj landoj. Kiu respondos al mi? F-ino Lucia Finkler, Vacaresti 162.

**Bucuresti** (Rumanio). S-ro B. Bernthal, str., Toamnei 38, PM, rumanaj kun Irlando, Islando, Turkujo, Luksemburgo, Malta, Memel, Nederlando, Hispanujo, Grekujo kaj Estonio. Korespondas ankaŭ germane. Ĉiam respondas.

**Budapest VII** (Hungarujo), S-ro D-ro Emil Chevassus, librotenisto, Dembinsky u. 29-IV-38, L, PI, PK, kun gesamideanoj kĉl.; ĉiam respondas.

**Chemnitz** (German). S-ro Robert Schulze, instruisto, Dorotheenstr. 31, por lerneja klaso serĉas interŝanĝi infanajn desegnaĵojn originalajn aŭ kopiajn kun klarigoj en Esperanto.

**Como** (Italio). S-ro Augusto Sagramora, Via Tommaso Grossi, 27, PI, PK, L, kĉl, precipe kun fraŭlinoj. Certe respondos.

**Dordrecht** (Nederlando). S-ro B. P. Roubos, Noordendijk 90, L, PI, ĉiaj temoj, stenografio. Sendu ekz. de nacia stenografa gazeto aŭ eldonaĵo stenografa. Rekompence mi sendas unu fojon « stenografio por Esperantistoj » (8 lecionoj).

**Gävie** (Sved.). S-ro Karl Ekbom, Tvärgatan 43, PI, L, prefere kun sud-orient- kaj ekstereŭropeanoj.

**Gijon** (Hispanujo) S-ro Pedro Casamayer, Str, Salustio Regueral N-ro 20-i-o. Pl, bfl. Esp.-aĵoj, kĉl.

**Györ** (Hungar.). Laborista grupo, PI, bfl, PK., gaz, L. kun tuta mondo, precipe kun Afriko, Anglujo, Egipto, Greklando, Francujo, Estonio, Japanio, Indio, Persio, Ameriko, Meksiko kaj Ruslando.

**Haskovo** (Bulgar.). S-ro St. Kadiev, kuracisto, L, pri okultismo, teozofio, popola higieno. Ankaŭ en franca, germana kaj rusa lingvoj.

**Helsinki** (Finlando). Lernantinoj de E kurso por skoltinoj serĉas korespondantojn Adreso: Skotino Marta E. Ropponen, Rauhankatu, 11, p. 16.

**Hoesbroek** (Nederl.. Limburg). F-ino Thecla Flint, instruistino, 62, Nieuwstraat, L, PI, bildflanke afrankita, kĉl.

**Jänisjärvi** as Suojärven rata (Finlando). S-ro Aarne Aalto, PI, L, kĉl.

**Jaroslaw** (Pollando). S-ro Franciszek Srednj, Mickiewicza, L, PI, kĉl.

**Jicin** (Ĉeĥoslov.). S-ro Emil Kobylka, Knotkova 112. PM, IPK, bfl. Gaz. kĉl. Certe respondos!

**Kanton**. S-ro Cen Kok Ĉun, Centra Poŝt-Oficejo. PI, bfl, kĉl.

**Kanton** (Ĉinlando). S-ro Pon Paki. P. O. Box 88, PI, nur kun Franclando

**Kanton**. S-ro Lujme Uon, P. O. Box 88, PI, nur kun germanoj.

**Kanton**. S-ro K. M. Jank, Ting On Lee Str. 12, PI, bfl, kĉl.

**Kiev** (U. S. S. R.). S-ro Ilija Alŝic, Malo Podvalnaja lo-lo PM, precipe kun svisio, Belgio, Jugoslavio kaj Portugalo.

**Köln-Deutz** (German). S-ro Fritz Röhl, Siegesstrasse, 40, studinta la anglan lingvon dum 3-jaroj. L, PK, kun anglo por perfektiĝi, donas kontraŭ german. lecionojn.

**Kostelec nad Orlici** (Ĉeĥoslovakio). S-ro Karel Krejĉi, Komenského ul. 612. PKI, L, nepre respondas.

**Lapinlathi** (Finnlando). F-ino Irja Puurunen, PI, L, kĉl.

**Lázne Podebrady** (Ĉeĥoslov.). S-ro Jan Malinsky, studento de instruista lernejo, Budovcova 453. PI, kĉl. Nepre respondos.

**Leipzig-Reudnitz** (German.). F-ino Dora Köhler, Oststrasse 83-I, 1. L, PI, kĉl.

**Linz** (Aŭstrio). Knabinoj de IV. kaj II. klasoj de faklernejo (M. B. Sch.), Raimundstrasse, 17, serĉas E-o korespondadon, kĉl. PIL, Ili certe respondos.

**Madrido**. Grupo da esperantistaj amikoj, kelkaj el ili kompostistoj, deziras gekorespondantojn kĉl, pri fakaj aŭ diversaj temoj. Skribu al S-ro Vicente Moreno, P-seo. de Extremadura, 90.

**Magdeburg**. S-ro Fritz Rockmann, Honora Membro de UEA, Sandtorstrasse 8, serĉas konvenan korespondadon kĉl, por pli ol 200 gelernantoj 13-15 jaraj.

**Mainz** (German.). S-ro Peter Becker, D. de UEA, Augustinerstrasse, 58, PM

**Mainz am Rhein** (German.). S-ro Oberinspektor Lisberg, Kaiserstr. 90, PI, PM, kĉl.

**Malmö** (Sveld.). S-ro Harry Nilsson, Ehrensvärdsgatan 20-II. PI, L, PM, nur kun ekstereŭropaj landoj. Nepre respondos.

**Malmö** (Sved.). S-ro Gösta Johansson, inĝeniero, Storgatan, 9, PI, L, pri teknikaj temoj.

**Malmö** (Sved.). S-ro Albert Tronguist kontoristo, Klaragatan 6, PI, L, kĉl.

**Malmö** (Sved.). S-ro Gösta Henriksson, N-ro 9, Dahl, L, PI, fotoj, kĉl. Speciale interesata je sporto sed ankaŭ de kio ajn. Certe respondos.
**Mariampole** 9 p.p. (Litov.). S-ro Petras Jaloveckas. L, PI, Fot. PM, kĉl.
**München** (Germanujo). S-ro Karl Kaiser, im Hause Erdal, Lindwurmstrasse 24, PI.
**Napoli** (Italio). S-ro G. Sambito, Via Roma 292, PI, L.
**Petrila Mina-Deac** (Ruman.) S-ro D-ro Aurelo A. Nana, med. stud., PI, L, PM, kĉl.
**Praha-Nusle 207** (Ĉeĥoslovakio). F-ino M. Görtlerová pri eksportebla ĉeĥoslovaka komercaĵo prefere kun komercistoj. PI, PM, kĉl, blf. Sendas skriban kurson « Vitro-pentrado « por Kč 20. — kun aldonita pentrita glaso kiel specimeno.
**Sabadell** (Hispan.). S-ro Jzequiel Casamada, Mayor 23 C. A., PI, L, kun junaj kaj seriozaj samideanoj.
**Santa Clara** (Kubo). S-ro Antonio Balaez, VD. de UEA, kaj sekretario de Ilepto, Centro Telegrafico, L, pri profesiaj temoj kun gekamaradoj de Meza kaj Suda Ameriko
**Selo Batoŝevo** (Bulgar., Sevlievsko) S-ro Hristo G. Kovaĉev, L, PK, kun instruistoj pri div temoj.
**Selo Vojgaly** (U.R.R.S., Vjatka ujezd). S-ro M. L. Sannikov, instruisto, L, PK.
**Sevlievco** (Bulgar.) S-ro Simeon St. Hesapĉiev, PK, L, kun franclingvanoj por perfektiĝi en la franca lingvo.
**Szopienice** (Polujo) S-ro Franciszek Bienioszek, urbestro. PM, kĉl, tutajn seriojn.
**Tacoma** (Washington, U. S. A.). S-ro Frank A. Rumball, P. O. Box 930, L, PM PI, fot-aĵoj, kun gesamideanoj de ĉiuj landoj.
**Tampere** (Finnlando). S-ro H. J. Vesterinen, PI, bfl.
**Tarrasa** (Hispan. Barña). S-ro Raphael Fernandez, PI, nepre bfl. PM, kun gesamideanoj ĉiulandaj. Tuj respondos.
**Tartu** (Estonio). S-ro R. Toomingas, zinkografisto, Onne 11, L, PK, kun preslaboristoj ĉ.l.
**Terrassá** (Hispan.) S-ro Jozefo Cortes, Topete 73, PL, L, kĉl.
**Terrassá** (Hispan.). S-ro Petro Surrarlés, Watt 40, PI, L, kĉl.
**Torino** (Italo). F-ino Cotto Adriano, Duca di Genova 1. PI, kĉl.
**Uppsala** (Sved.). S-ro Karl Tunón Västra Järnvägsgatan, 19, esp. gaz. pojare, por la grupo.
**Velika Kilinda** (Jugoslavio). S-ro Jozefo Martinek, Karadjorje Str. 741, PM, kun la tuta mondo, kvanto kontraŭ kvanto.
**Villahermosa** (Tab. Mexico). Teodoro R. Mendoza. Poŝtinspektoro dez. koresp. PK kaj let. kun gesamideanoj.
**Wiesdorf b. Köln** (German.) S-ro Gustav Danigel, Kaiserstrasse, 3, PI, L, kĉl.

---

**« SUPERA KURSO DE ESPERANTO »**

jen estas la libro, kiun vi serĉas delonge. Gi aperis ĉe **D-ro L. Dreher, Krakow, Starowisina 37, Pollanda,** kaj kostas 1 sv. fr. Dek. ekz. po 80 ct. 30 ekz. po 75 ct. 50 ekz. 70 ct. 100 ekz. 65 ct. Ne prokrastu mendi!

---

# Petoj kaj Proponoj

## Internacia Komerco

**Al ĉiulandaj Esperanto-instruistoj.** Delonge bezonata lernolibro de Esperanto « por progresintoj », nur en Esperanto, verkita de D-ro Leopold Dreher, L. ...., kunlabore kun eminentaj esperantistoj diverslandoj, en lo lecionoj (kun samtiom da taskoj), estas nun presata s. t » Supera Kurso de Esperanto ».

El ĉiu lando anoncu sin almenaŭ unu sperta instruisto de E., preta servi eĉ perletere al la memlernantoj de « Supera Kurso » kiel korektanto de la 10 lecionaj taskoj.

Fiksu sumon en via landa valuto, kiun vi postulas por korektado de la taskoj sendotaj al vi tiucele flanke de vialandaj memlernantoj, ekz 5 sv. fk., 1 dollar, 5 ŝ. aŭ sim. Viajnomo kaj adreso aperos sur aparta « Listo de landaj instruistoj perleteraj » por ke la lernantoj sciu al kiu sin turni. D-ro Leopold Dreher, Krakow, Starowilsna 37 (Pollando).

---

**Alvoko pri helpo.** Esperantistoj, ĉu vi volas savi el pereo samideanon? Mia kulturejo de milulo ruiniĝos, ĉar mi ne povas aĉeti semon pro manko de mono. Ĉian helpon akceptas dankeme Aloizio de Koster, Burepolder E. 26, Jerseke, Nederlando.

---

**Fajrobrigadistoj** kunlaboru internacie. Mi serĉas en ĉiuj landoj korespondantojn pri fajrobrigadaj aferoj. S-ro Jan Jelinek, Nová 3., Brno, Ĉeĥoslovakio.

---

**Filatelistoj.** — S-ro Rudolf Rosenfeld Plzen Box 112. Ĉeĥoslovakio interŝanĝas poŝtmarkojn.

---

**Grave.** — Gepoŝtistoj, getelegrafistoj kaj trafikistoj ĉiuspecaj en la tuta mondo! Faktoj pli multe konvinkas ol paroloj. Pro tio mi aranĝos en Oktobro propagandvesperon antaŭ multnombra trafikistaro kaj atendas vian subtenon, sendante PI, aŭ leterojn. Precipe ankaŭ transmaraj Esperantistoj skribu. Ll ĉiu mi sendos en Oktobro dankrespondon. De via partopreno dependos la sukceso. Poŝtinspektoro Max Mollenhauer, Virgiliastr. 5, Essen (Ruhr), Germ.

---

**Instruistino**, de manlaborado virina, 48 jara, deziras korespondi kun gesamideanoj en sama kaj plialta aĝo pro plibona ellernado de la lingvo Esperanto. Adr.: F-ino A. Bayer, St. Margrethen (St. Gallen) Svisujo.

---

**Instituto J. J. Rousseau**, Genevo, aperigas en Internacia Pedagogia Revuo (N-ro 8, 1928), studon pri vortofteco en diversaj naciaj lingvoj kaj en Esperanto. La laboro esploras la rilaton inter tiu vortofteco kaj la vortoj uzataj en Esperanto-lernolibroj. Al Instituto J. J. Rousseau ĝi servos speciale por starigo de internaciaj testoj; al ĉiuj, kiuj instruas Esperanton aŭ verkas lernolibrojn, ĝi povas utili iamaniere. La kajero de IPR estas aĉetebla por 2 respondkuponoj ĉe Administrejo: M. Goldberg, Leipzig S 3, Frohburgerstr. 68 p.

---

**Koblenz.** Bad Ems Dumvojaĝan loĝejon Esperantistan sciigas la UEA-delegito

---

**Korespondantoj serĉataj** Rondo de Fidelaj Esperanto-Amikoj en Janów (Polujo) serĉas korespondantojn por 25 anoj. L, PK, PI, kĉl. Esp.-aĵoj. Respondo garantiata. Adreso: Karol Kristek ul. Zamkowa 2 Janów, Supra Silezio.

---

**Paris.** Ĉe la Vegetara Restoracio, 73bis, rue Bobillot, Paris XIII, estas speciala manĝotablo por Esperantistoj; ĝi estas signata per bela esperantista flago, ĉirkaŭ kiu estas flue parolata la Zamenhofa lingvo.

---

**Piedvojaĝo tra la mondo.** — S-ro Johano Gargula, studento komencis meze de Majo tramonda piedvojaĝon por propagandi Esperanton, pacifismon, abstinentismon, studi naciajn morojn vestaĵojn arton kaj fari bildkolekton, mem pentrante kaj desegnante — de vindindaj lokoj en la tuta mondo. Li petas helpon de la esperantistoj.

---

**Poŝtkartojn**, historiajn antikvaj romaj kaj bizantaj vidaĵoj el Turkujo vendas fotografisto Fahridin, rue de la Gare, Aïdin, Turkujo.

---

**Pulmo-Malsano!** Kiu povus doni al mi plej precizan metodon pri pulmomalsano-kuracado, ĉu specialajn kuracaĵojn ĉu endoma kuracado. Danke akceptas informojn. Samtempe korespondas pri tio kaj pri ĉiu alia temo per PI, L. Stefano Csendes, univ. studento, **V.** ker. 5 sz. Nagykörös, Hungario.

---

**Pupoj.** Esperanta Grupo Zamenhof en Szopienice petas alsendon de pupoj or internacia kostumbalo okazonta vintre, serĉas korespondantojn. Respondo garantiita. Adreso: Tomasz Niedzwiedz, Delegito de UEA, Pilsudskiego, 18, Rozdzien (Supera Silezio).

---

**Revuoj.** Plenajn jarkolektojn de la antaŭmilitaj revuoj bonstilaj « Danubo », revuo de la bulgaraj kaj rumanaj esperantistoj kaj Rumana Esperantisto », vendas Rumana Esperantista Societo Str. 11. Juni N-ro 80. Bucuresti 5. Ekzempleroj bone konservi taj. Prezo Frk. 6. — afrankite por unue jarkolekto pageblaj per UEA respondkuponoj sendotaj kune kun la mendo. Indiko ĉu la unua aŭ dua jarkolekto estas dezirata, necesas.

---

**Speciala korespondado.** Kun geinstruistoj kaj lernantinoj de la sovetlandaj lernejoj prizorgataj de la komisionoj por batalo kontraŭ prostitucio deziras korespondadi pri la celoj, metodoj kaj rezultatoj de tiuj lernejoj. Domenico Carbone, via Ludovico Mancini 15, Milano (Italio).

---

**Vegetaranoj kaj Naturanoj** kiuj deziras lerni la helplingvon Esperanto povas sin turni al Antonius Thevenet, Del. de UEA kaj Membro de « Trait d'Union », 47, av du Golfde, Vallauris (Alpes-Maritimes). Senpaga per koresponda kurso.

---

**Vitropentrado!** Pentri sur vitro povas ellerni ĉiu. Skriba kurso en Esperanto enhavanta tri paĝojn por kč. 20.— kun pentrita glaso kiel specimeno. Afrankite sendas por antaŭe sendita mono F-ino Marie Gürtlerová, Praha-Nusle 207, Ĉeĥoslovakio.

---



Buboj, venu, aŭdu vi, kiam nun rakontas mi,
Kion spertis Longkrurulo, ĵ asiplena bestkaptulo,
Pro Ursula la fratino, tre tedita je la fino.
Aŭdu ke, pro turmentado, sekvis lia forkurado.
Ke baleno, monstra besto, lin englutis sen protesto,
Ĝis li poste, kun amiko estis sklavo en Afriko.
Ĉion tion mi plej bele rakontados plej fidele,
Kaj se ofte strange sonas, mi la veron certe konas,
Aŭdu nun, mi violone ĝin prikantos do tre bone.

---

Tiel komencas la aŭtoro sian amuzan rakonton riĉe ilustritan per la mano de lerta karikaturisto. Al ni ne mankis ilustritaj libroj por infanoj, krom kiel — Alicio en Mirlando, Robinsono Kruso, Gulliver en Liliputlando, Struvelpetro, k.t.p. Sed tiu verko estas unua originala humoraĵo kiu honoras la aŭtoron kaj pentriston. Presita en albuma formo, sur agrabla papero, ĝi estas longa bildaro grandformata kiun akompanas rimaj strofoj fluaj kaj viglaj. Jen lernolibro multe pli interesa ol « metodaj gramatikoj », jen ankaŭ « unua legolibro » kiu meritas troviĝi en ĉiu grupa biblioteko. Legu ĝin, kaj vi ekŝatos tiun nesufiĉe konatan juvelon de nia literaturo.





## Leganto atentu !

**Kun la nuna numero estas sendata al vi folio**

# "La Granda Piramido"

**kion ni speciale rekomendas al via atento !**

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, K.S., ANTVERPENO